*Dua periodo*
*SEPA JARO*
*N-ro 6. 1937.*

# LITERATURA MONDO

## *El la enhavo:*



**Redakcio kaj administracio: Hungarujo, Budapest, IX., Soroksári-str. 38**

**A P E R A S   S E S F O J E   D U M   L A   J A R O**

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# *Al niaj abonantoj!*

**Tre estimata Samideano!**

Plezure ni informas vin, ke krom la du revuoj ĝis nun aperintaj

## *Literatura Mondo*

kaj

## *Lingvo-Libro*

aperos de nun ankaŭ tria:

## *Revuo De L' Mondo*

en la redakto de **Dr. Ferenc Szilágyi.**

La LITERATURA MONDO, kiel ĝis nun, estos nure kaj pure literatura, kaj aperos sesfoje dum la jaro.

La LINGVO-LIBRO, kun pritrakto de lingvaj demandoj, diskutoj kaj recenzoj, havos jare kvar numerojn.

Fine REVUO DE L' MONDO, en ses numeroj dum unu jaro, enhavos aktualajojn el la tuta mondo, facilan literaturon, popularsciencajn artikolojn, ŝercojn, kuriozajojn ktp. Ĝi estas destinita ankaŭ por komencantoj, kiuj per ĝi povas sin pliperfektigi kaj progresi en lingvo-scio ĝis la povo kompreni kaj ĝui ankaŭ la altan literaturon.

Provizore la amplekso de la L. M. estos 20 paĝoj, tiu de L. L. 16 paĝoj, tiu de L. L. 16 paĝoj, tiu de RdM. 12 paĝoj.

Aperos do entute, el la tri numeroj kune, 16 numeroj: 6 LM, 4 LL, 6 RdM.

Por ĉiuj dekses numeroj (ĉiuj tri gazetoj) la jara abono estas 1.80 USA dolaroj, aŭ egalvaloro en kiu ajn lando. Unu numero el ĉiu ajn speco de gazeto: 14 Usonaj cendoj aŭ egalvaloro.

Por kiel eble faciligi la disvendon kaj unuopan aĉeton, al grupoj, kiuj organizas la vendon de almenaŭ dek ekzempleroj, ni liveras unu ekzempleron de ĉiu ajn el la gazetoj

**por 10 Usonaj cendoj aŭ egalvaloro.**

Multaj abonintoj pagis jam la 1938-jaran abonon laŭ la malnova tarifo, kiuj kompreneble rajtas libere disponi pri la diferenca sumo. Ni atendas pri tio disponon de la koncernaj samideanoj. Verŝajne vi konsentos sendi por tiu sumo specimenajn ekzemplerojn al viaj amikoj por varbi ankaŭ ilin al nia abonantaro.

Ni esperas, ke nun, kiam ni grave malaltigas la prezojn, vi uzos la okazon kaj helpos nin per abono kaj abonigo, por ke la perdo en enspezo estu kompensata per pliaĉtiĝo de eldon-nombro.

Sincere, viaj

***Literatura Mondo Eldonejo***

**ABONPREZO DE LITERATURA MONDO**

10.— aŭstrajn ŝilingojn; 54.— belgajn frankojn; 7.— anglajn ŝilingojn; 54.— ĉeĥajn kronojn; 7.— danajn kronojn; 7.— estonajn kronojn; 54.— francajn frankojn; 7.50 germanajn markojn; 9.— pengöjn; 36.— lirojn; 85.— dinarojn; 9.— latojn; (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI); 3.50 guldenojn; 7.— kronojn norvegajn; 10.— zloty; 300.— leojn; 7.— svedajn kronojn; 7.80 svisajn frankojn; 1.80 USA dolarojn kaj ĉiun egalvaloron.

Unu ekzemplero kostas 14 dolarcendojn. 10 ekzemplerojn al la sama adreso ni sendas por po 10 dolarcendoj.

**ABONPREZO DE LINGVO-LIBRO**
por unu ekzemplero dum la jaro:

0.80 aŭstrajn ŝilingojn; 5.— belgajn frankojn; 8 penny; 5.— ĉeĥajn kronojn; 0.60 danan kronon; 0.60 estonan kronon; 5.— francajn frankojn; 0.60 markon; 0.80 pengö; 4.— lirojn; 8.— dinarojn; 0.80 laton; (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI); 0.40 guldenojn; 0.60 norvegan kronon; 1.— zloty; 25.— leojn; 0.60 svedan kronon; 0.80 svisan frankon; 0.20 USA dolarojn kaj ĉiun egalvaloron.

# La senombra homo

— Sándor Sásdi —

Ankoraŭ neniu tiel malkaŝis antaŭ mi sian vivon, kiel Elemiro Náray, la poeto. Mi vizitis lin en la Bakisto-strato por intervjuo. Mi sciis, vere, nur laŭ onidiro, ke li estas kaprica, ke li estas strangulo. Mi estis preta je tio, ke li ne akceptos min, des pli surprizis min lia afableco. Li proponis al mi teon kaj preskaŭ perfortadis, ke mi prenu ankoraŭ el la ĉokolada kuko, ĉar certe mi ĝin amas.

Li etendis al mi cigaredon, sed mi ne ekbruligis. Mi pretigis paperon, krajonon kaj, sen ke mi lin demandus, Elemiro Náray ekparolis.

— Mi estas la soleca homo, tiel orfa kiel la apudvoja poplo, sur kiu ne nestas eĉ la malhelpluma frugilego. Neniun mi havas...

Strange li rigardis min per siaj grandaj bluaj okuloj kaj diris kun tute sufoka voĉo.

— Eble mi verŝis pli multan rumon en la teon, eble tial mi malbutonumis mian veŝton kun tia subita malkovremo antaŭ vi kaj montris al vi mian koron. Povas esti, ke tio havas alian, tute alian kaŭzon... Kiam vi enpaŝis ĉi tien, timante, kun la eluzita, akre gladita pantalono, kvazaŭ mi vidus tiun alian junulon, kiu antaŭ dudekok jaroj mi mem estis... Ĉu ne, por nokto vi metas la pantalonon sub la kusenon? Kaj vi amas la ĉokoladan kukon... Ne respondu, nun mi jam scias ĉion.

Li gapis min, kvazaŭ li rigardus en spegulon. Mi estis en embaraso, silente mi riproĉadis mian redaktoron, ke li min sendis ĉi tien, dume mi provis noti la vortojn de Elemiro Náray, per kiuj kirlomikse, saltante jardekojn antaŭen kaj retro, li ĵetis al mi sian vivon.

— Unufoje mi estis enamiĝinta. Mi profesoradis tiame en la gimnazio de Bonyhád. La knabino havis blondan hararon, brunajn okulojn, sed eble ne tio estas la grava. Dek paŝojn ŝi estis de mi en la Jókaistrato, kiam unue mi ekvidis ŝin kaj mi sciis, ke mi ŝin amos. Krémer... atendu nur, ne tio estis la nomo... Krammer, jes Leopold Krammer kaj kompaniano, kies ŝuomagazenon ŝi eniris kaj en la lasta momento mi rekonis, ke la malgranda Emeriko Goller, el la III. b., paŝadis apud ŝi. La sekvan tagon, antaŭ la fizika lecionhoro, en la dekminuta ripoztempo mi demandis Goller.

— Kun kiu vi estis hieraŭ en la Jókai-stato?

— Kun Estera.

— Ĉu vi aĉetis por ŝi ŝuon?

— Ni ne aĉetis, sinjoro profesoro, ĉar Estera ricevas ĉion de Pest kaj mia patro eĉ diris, ke Estera amas pavadi, kaj Estera relangumis, ke ni havas sufiĉe da mono kaj ke ŝi spite ĉion iros aĉeti al Pest.

— Ĉu Estera estas via fratino?

— Jes, sinjoro profesoro. Sep jarojn ŝi estas pli aĝa ol mi kaj la pasintan someron, kiam ni estis sur la Iharos-pusto, ŝi selis Vazulon, kvankam ĝi estas virĉevalo, al ĝi oni portas kopuli la ĉevalinojn el la tuta Tolna kaj ĝi estas tiel sovaĝa, sinjoro profesoro, ke oĉjo Matusek apenaŭ kuraĝas meti antaŭ ĝin la manĝujon...

Eksilentis la malgranda Goller, flankenklinante la kapon kaj nun mi ekvidis unue, kiom li similas Esteran, ŝian fratinon... Estis la dekunua de majo, estis lundo, mi survestis mian novan vestaĵon kun duobla butonvico, ĉiam mi amis la odoron de la novaj ŝtofoj, ankaŭ por mi mem mi estis iom fremda en la vestaĵo; mi iris sur la strato, rigardis al la blua ĉielo sur kiu naĝis blankaj nuboj. Al tiuj ĉi blankaj nuboj mi flustris la plej belan sekreton de mia vivo.

— Blonda estas ŝia hararo, en Pest ŝi kudrigas siajn vestaĵojn kaj oni nomas Estera ŝin, kiun mi amas...

— Mi konatiĝis kun ŝi, sed al ŝi neniam mi kuraĝis konfesi mian amon. Dio scias kial, ĉiam mi estis malkuraĝa kontraŭ la virinoj. Alispecaj homoj ili estas, mi eĉ ne scias, kiel oni devas ilin trakti... Atendu nur, ankoraŭ ne estas fino... La historio finiĝas tie, kie mia profesora kariero... Dum tiu lecionhoro mi skribigis ekzercon en la III. b. »La karakterizo de la maljuna Bence de Toldi« — tio estis la temo. Mi irisvenis en la ĉambro kaj ĉe la tria benko de la meza kolono mi haltis. Kun flankenklinita kapo rigardis sur min la malgranda Goller. En liaj longtajlitaj, klaraj, brunbrilaj infanokuloj mi vidis la saman fosforeskadon, kiel en tiuj de Estera. La linio de lia buŝo, jes, pri tio eĉ hodiaŭ mi kuraĝus ĵuri, estis precize la sama, kiel tiu de lia fratino... Mi ne scias, kio tio estis, sed ia stranga, fajra deziro direktis mian movon kaj mi devis obei. Subite tute proksime mi vidis la brunajn okulojn de Estera, mi kisis la molan, ektimintan buŝon de Estera... Samtempe mi aŭdis, ke Keleti, la lentuga, denuncema Keleti, kiun jam pasintjare mi estus devinta faligi en la hungara lingvo, ĉar eĉ ideon li ne havis pri la ortografio, ridaĉante flustras al Prager, al la plej bona gimnastikanto: »He, Náray kisis la malgrandan Goller.«

— Poste mi staris en la direktora kontoro kaj aŭskultis la riproĉajn vortojn de Baranics. La olepentrita bildo de la lernejdistrikta ĉefdirektoro, Alfonzo Wizmanovits gapis sur min de sur la muro kaj mi sciis, ke ĉefe pro tio mi forlasas la profesoran karieron, ĉar naŭzas min la nazumo kaj nizeca nazo de Wizmanovits... kaj ĉiam mi abomenis ankaŭ la rancan ŝimodoron sur la koridoroj...

— Mi kredas, ke por mi pleje la mastrumado estus konveninta. Mi amas la teron, la majajn, asterajn kampojn, la bruniĝantajn aŭtunajn arbojn, kiam ili forperdiĝas en la velkado. Mi amas la draŝadon, la odoron de la polvo kaj de la maŝin-oleo. La nudpiedajn knabinojn antaŭ la pajloskuilo. La grandaj junulmanoj pinĉas en ilin kaj tiel petoleme ili scias ekkrieti, ke tio aŭdiĝas tra la grumblado kaj bruo de la maŝino... Foje mi tenis miajn manplatojn tie, kie la tritiko verŝiĝas el la maŝino. Tiam mi sentis min tre proksime al Dio, kiu donas la panon...

— Ĉu surprizas vin, ke mi estas religiema? Mi havas kelkajn preĝojn, kiuj estas mia plej granda sekreto. Per simplaj, mi povus diri naivaj, infanaj vortoj mi parolas al Dio kaj mi petas lin, ke li min gardu... Bedaŭrinde, mi nur tiom povas peti. Por iu alia mi ne povas preĝi, mi havas neniun, kiujn mi iam havis, tiuj ripozas en la tero. Miaj gepatroj, miaj du fratetoj... Mi jam estas post ilia perdo kaj tiel estas pli bone al mi. Neniam mi havis trankvilon. Mi sidis en kafejo, sola mi sidis, ĉe sola tablo, mi skribis kvar belajn versliniojn, mi rigardadis bildojn en *L'Illustration,* do mi fartis bone, kun ioma troigo mi povus diri, ke mi estis feliĉa, sed tiam venis en mian kapon: foje mi ricevos depeŝon: »... mortis, lia enterigo marde, posttagmeze je la tria«. Vere mi ricevis tri tiajn depeŝojn, ĉar mia frateto Gusti mortis ĉi tie, en Pest,

# *El la postlaso de A. Mazzolini*

## La falĉistoj

— Aleardo Aleardi —

Ĉu vidas vi tiun senfinan valon,
kiu ĉe l' mar' toskana sin etendas,
simile al tapiŝ', kiun ornamas
juveloj brilaj kaj kiu atendas
parfumajn paŝojn de l' feliĉaj dioj,
vagantaj tie sur la maro glata?
Ĝi estas tomb' de forgesitaj urboj,
Pontinaj Marĉoj estas ĝi nomata.
Agrabligita per la densa, brila
herbaro, ĝi sin tiel milde sternas,
ke ŝajnas ĝi Tempeo senigita
je la feliĉa loĝantar'; sed ĝermas
en krimaj sulkoj de l' Saturna Tero
kaj kreskas, kreskas tie povo fata,
nomata Morto. Kiam, en somero
malgaje arda, al la sekigata
kampar' la suno sufokante lumas,
pelate de malsat' kruela, venas
al tiu lok' milope la falĉistoj,
dolore ili siajn paŝojn trenas
kvazaŭ irante al ekzila lando.
Larmigas la okulojn la venena
aero al ĉi malfeliĉa bando.
Kaj ne konsolas per trilad' serena
amema bird' la korojn, nek mildigas
la naskotera dolĉa kant' la penon
de ĉi malfeliĉuloj kortuŝantaj.
Por nekonataj moŝtoj ili grenon
falĉadas; post la fino de l' laboro
revenas ili en pasado muta;
kelkfoje nostalgion en la koro
eĉ duobligas muzikad' sakfluta
per sono hejma. Sed ho ve, ne ĉiuj
revenas, ofte iu restas side
sur ter', mortante. Per rigardo lasta
iun parencon serĉas li avide,
ke tiu portu al patrin' mizera
lian per vivo pripagitan monon.
Agoniante, pli kaj pli mallaŭte
li aŭdas paŝojn de l' kunuloj, sonon
de la sakflut', laŭ kiu ili pasas.
Post kelkaj jaroj, jam en man' de orfo
tremas falĉil', kaj pens' lin embarasas:
No, eble kreskis tiu spiko riĉa
sur ostoj de la patro malfeliĉa.

## La valo de l' morto

— Aleardo Aleardi —

En la insul' de l' fora oriento,
kie kvardek vulkanoj lumon puŝas,
inter magiaj, ridetantaj valoj
malgranda valo venenita kuŝas.

Ĝi estas kava, ronda, sen eĉ sola
herbeto; sur la monto-krest' rigora
grandegaj rokoj ĝin ĉirkaŭas; funde
sablaĵo kuŝas ĉie, violkolora.

Ĉirkaŭe, sur deklivoj, olivarboj
kaj kokosarboj pro la suno brilas,
cervoj mordetas, gaje multkoloraj
birdoj sur ĉarme strangaj floroj trilas.

Ekster la mont' estas natur-ĝardeno,
manao gutas el arbŝelo ŝvita,
bambuaj kanoj milde sin balancas
en la aer' benzoe parfumita.

Sed supre de la mont', fatala reĝo,
la ĉiam-preta Mort' embuske staras
kun sag' sur arko; li atendas vigle
viktimojn kaj neniam paferaras.

Kaj la hirundoj vice trapasantaj
al okcidentaj hejmoj, nostalgie,
fatale ektuŝinte eĉ la randon
de l' valo, falas fulmfrapitaj tie.

Kaj mortas tie cervo rapidkura
kaj trafas mort' la ventportatan semon,
jen, sur la sablo kuŝas ostoj blankaj,
mem la aero spiras perfidemon.

Ĉe l' ruĝa lumo de la laf' ardega,
ĉe l' flamo-jet', siblanta dum disfalo,
ĉe la muĝado de l' subtera tondro,
trankvile tie paŝtas sin bubalo.

Sed se nur elspireto de l' venena
aer' ĝin tuŝas: kun terura forto
ĝi muĝas kaj skuante la sovaĝan
kapon, por ĉiam falas ĝi al morto.

## Grundgrasigilo

— Mertini —

Oni agronomon pri l' plej bona
Grundgrasigil' fekundo-dona
Demandis. Kaj la demandito
Respondis solan vorton: Ŝvito.

## La tempo

— Aleardo Aleardi —

Estinto estas nur fantom'; forgeso
Ĝin murdas per forviŝo de l' konturo.
Estanto estas sole rapidega
Transpaso al futuro.

## Kiam folioj falos . . .

— Stecchetti —

Kiam folioj falos, kaj alpaŝos
malĝoja tempo de la rememoroj,
vi serĉos mian krucon, kiu kaŝos
sin en tombej-angulo, inter floroj.
Deŝiru tiam vi por brust-dekoro
la florojn, kiujn naskis mia koro;
poemoj ili estos, mut-meditaj,
amvortoj ili estos, ne diritaj.

## Sonas gurdeto

— Stecchetti —

Sonas gurdeto sur la vojo; staras
senferme la fenestro; jen vespero.
Odoras tuta la kampar', preparas
printemp-parfumon. Kia do mistero
estas ĉi stranga trem' en mia koro,
ĉi stranga mia emo al ekploro?
La pensoj estas for de tie ĉi,
ho belulin', la kor' estas ĉe vi.

## *Betnjo en la urbo*

— *A. Fusinato* —

— Betnjo, al vi korsaluton!
Ĉu la urbo plaĉis vin?
Diru pri la urb' la tuton,
min amuzu, ĉarmulin',
ho, plu ne knabin' kampara,
vi feliĉa estas, kara!

— En la urbo ĉiam, ĉie
oni vivas en komforto,
pli ol en vilaĝo, kie
vivo estas preskaŭ morto,
sed pli fia ol infekto
estas la urb-dialekto.

Ho, la urb-ĵargon' sovaĝa!
Tiun lerni vane penus
ne nur ni, popol' vilaĝa,
sed ĝin tute ne komprenus
eĉ mem parohestro nia,
tiel klera, multescia.

Moŝta viro dum parolo
nomis min »brilanta astro«,
li asertis: »mia kolo
estas pura alabastro«,
kaj el miaj du pupiloj,
ho, »eliras fulm-ekbriloj«.

Mian voĉon »liut-sono«
diris urba vir', kun ĵuro.
Kaj mi estas »rozburĝono«;
mia haŭto: »silk', veluro«.
»Oro« estas mia haro,
»perloj« estas la dentaro.

Ul', simila al simio,
post mi kuris, kaj asertis,
ke mi »peco de glacio«
estas, nur ĉar mi avertis,
ke vizaĝon de simio
mi ne amos, ne, je Dio.

Kun mieno »de profundis«
al mi plendis jam sinjoro,
ke mi lin »kruele vundis
en la mezo de la koro«,
mi, ja ĉiam ekstreminta
eĉ de tranĉileto pinta.

Kaj mi »nesto de l' Graciaj«
estus »inda je adoro«,
eĉ, mi estus, laŭ aliaj,
la »patrino de Amoro«
ho, freneza ĉi kutimo,
diri al fraŭlin' — patrino!

Riĉa maljunulo trema
foje por parol' min kaptis,
kaj li iĝis eĉ blasfema,
ĉar »Diino« li min baptis.
Mi, Diino! Diro tia
ĉu ne estas vere fia?

Kvankam okulvitroj sidas
super ĉiu naz' fiere,
en la urb' neniu vidas
senerare, ĝuste, vere;
ne pli klara ol ŝarado
estas urba parolado.

Jen, mi tiajn spertojn havis,
kaj cerbumas nun en vano,
ĉu en urbo ĉiun trafis
ia stranga vid-malsano?
Ĉu dependas la okazo
de l' du vitroj sur la nazo?

---

en la hospitalo Sankta Stefano, mi estis apud li. Tiam mi estus devinta depeŝi, sed mi ne memoris eĉ pri unusola adreso, jam neniun mi havis, al kiu mi sciigu: »Gusti mortis«...

— Apud kvar tombkavaĵoj mi staris kaj eĉ plori mi ne kuraĝis, ĉar mi estas hontema antaŭ la homoj. Tamen, mi scias treege plori, inter kvar muroj, sola, ĉefe, se el la etaĝa loĝejo aŭdiĝas fortepiano-ludo. Mozart... Debussy... Kelkfoje mi kontentiĝis pri Lehár aŭ ciganmuziko, kiun la radio peras el la Emke-kafejo.

— Mi diras, multfoje mi eligas la nomon de Dio, petante, petegante kaj esperante ĉion. Kaj kiomfoje mi eldiras ĝin, ĉiam mi rememoras pri la ŝtonokristo en mia naskvilaĝo, en Ivánd, ĝin mi vidas antaŭ mi, la ostecan, magran, kalkkoloran ŝtonkriston, kiun oĉjo Inhof skulptis kaj kiu pli similis sian skulptiston ol la bibliajn imagojn. En nia distrikto ĉiuj ŝtonkristoj similis oĉjon Inhof, kvankam mi estas certa, ke la drinkema, rugnaza ŝtonskulptisto eĉ dekfoje ne rigardis en spegulon dum sia vivo. En tiu ĉi magra, fuŝita Kristo asociiĝas por mi la Dio, al li mi preĝas kaj kelkfoje li kutimas plenumi mian peton.

— Mi ne prisilentas, ke troviĝis unu-du viroj, kiuj min amis. Mi akceptis ilin, ĉar ankaŭ por mi estis deviga la aparta vivo de la korpo, sed malmultan rilaton mi havis al ili. Diru, ĉu estas honte, ke mi neniam ion donacis al ili? Aŭ, ke mi akceptis de ili donacojn? Iu donis al mi monujon, la dua hejman jakon, la tria luksajn poŝtukojn. Estis tiel bele de ili, ke ili elspezis por mi sian malmultan monon, kredu, tio plie emociis min, ol tio, ke ili venis al mi, al mia loĝejo en la Bakisto-strato, kaj ke de la kvina ĝis la sesa ili estis la miaj. Multfoje eĉ tiu horo estis longa, tre multa. Sed tamen mi ne elĵetis ilin, mi estis afabla al ili, mi simulis, kvazaŭ mi ĝojus al ilia ĉeesto. Ĉar plej ofte mi simulas. Estas triste. Mi transpasis la kvindekduan jaron, sed mi konfesas, ke eĉ unu tian tagon mi ne havis, kiam mi estus dirinta aŭ farinta ekskluzive tion, kio konvenis al mia plaĉo. Mi ne volas min ekskuzadi, sed tio ne estas malkuraĝo. Mi estas poeto, ne tial mi estas poeto, ke dekok miaj volumoj aperis, sed tial, ke mi kapablas ensorbi la pensojn de mil kaj mil homoj, ĉar ne estas antaŭ mi fermita pordo, ĉar mi vidas en la animojn, ĉar mi legas ĉion el la animoj, ĉar tratempestas min ĉies malĝojo, ĉies plezuro. Se maloftege mi iras en restoracion kaj la kelnero proponas al mi fungitan lumb-rostaĵon, mi vidas sur li, ke li volas ĝin trudi al mi, ĉar ĝi restis de hieraŭ, sed mi vidas sur li ankaŭ tion, ke li timas la kuirej-estron, eble kostus al li sian postenon, se li ne vendus la hieraŭan restaĵon kaj mi simulas, kvazaŭ mi falus en la kaptilon, kvazaŭ nenion en la mondo mi preferus al la hieraŭa, brulgusta fungo-rostaĵo. Foje enŝteliĝas al mi juna poeto kaj laŭtlegas siajn versojn. Malbonaj, aĉaj estas tiuj versoj, sed mi vidas nur la atendantajn, timiĝintajn okulojn, mi scias, ke la verkinto de la malbonaj, aĉaj versoj promenadis duonhoron antaŭ la pordego, ĝis li kuraĝis veni supren; antaŭ la loĝejo de gesinjoroj Bartosek li renkontis kamenpurigiston, li kaptis sian butonon, ĉar tiam estas certe, ke Elemiro Náray estos ravita de la *Nigra Songo* kaj eble telefonos al la redaktoro de *La Gardeno de Literaturo,* ke li ĝin publikigu. Dum momentoj mi ekscias ĉion ĉi kaj ĉu estas malkuraĝo, se mi diras: »Viaj versoj estas belaj, lasu ilin ĉi tie, ni faros ion pri ili.«

— Mi respondas al seninteresaj leteroj, ĉar mi scias, ke ilia skribinto ĉiutage embusk-atendas la leterportiston, kvankam min naŭzas la leterskribado kaj pri nenio mi estas pli avara ol pri la propra tempo. Tial mi ribelas kelkfoje kontraŭ la malŝparado de la tempo, je kio instigas min enradikiĝintaj kutimoj. Por la matena sinvesto, lavado, por la vespera malvestado

tage du horoj malŝpariĝas. Tio signifas dum unu monato sesdek, dum unu jaro sepcentdudek, dum dek jaroj sepmilducent horojn. Foje mi faris, ke dum du tagoj mi ne lavis min, mi ne penadis pri la ungbroso, pri la buŝlava akvo, dentopasto, vespere vestite mi falis sur la liton kaj mi fartis bone. Mi estis revoluciulo, mi fajfis je la sociaj antaŭjuĝoj; sed aliflanke sciu, ke je Ladányi, la esteto, mi koleras ne pro tio, ke li ne estis ravita de mia volumo *La Ĉielatingaj Betuloj*, sed ĉar li ridis en miajn okulojn ĉe la vesperfesteno de baronino Guth, kiam mi ne sciis, kiun forkon mi uzu por la fiŝsalado.

— Ankaŭ tion nur malmultaj scias pri mi, ke mi estas malklera. Mi parolas ja en kvar lingvoj, sed mi ne konas la relativisman teorion de Einstein, mi ne kapablas legi la *Pilgrimantan Kamaniton*, pri Rousseau mi scias nur tion, ke li naskiĝis en Genevo, lia patro estis horloĝisto; kelkajn paĝojn mi legis el la *Contrat social;* siavice mi konstante konfuzas la arkitekturajn stilojn; el la kemiaj formuloj mi memoras nur pri la $H_2O$, la akvo, kaj el la historiaj datoj mi memoras nur, ke la malvenkego ĉe Mohács estis en 1526 kaj Maria Terezia regis de 1740 ĝis 1780. Mian unuan poemon mi skribis sub la influo de Verlaine kaj foje-foje eĉ nun mi ne hontas plagiati iun penson, pri kiu mi ne scias eĉ tion, de kie mi ĝin akiris. Mi tute ne estas honesta. Infanaĝe, en paper-vendejo, mi ŝtelis kvin ilustritajn poŝtkartojn kaj foje — tiam mi estis jam deksesjara — mi ŝtelis ruĝstrian kravaton el la Wurm-bazaro. Gi estis belega kravato, sed kiam mi ĝin surmetis, mi ricevis »nekontentigan« el la germana lingvo kaj mi sciis, ke ĉiufoje trafas min akcidento, kiam mi ligas ĝin ĉirkaŭ mia kolumo... Mia memorkapablo estas malbona. La *Sinjorino Bovary* estis granda evento de mia vivo, sed mi memoras nur pri tio, ke Emma glutas ian blankan pulvoron kaj mortas pro tio, siavice mi eterne memoros pri tiu lila-desegnaĵa katuno, el kiu, en mia dujara aĝo, kudris al mi antaŭtukon mia patrino. Ankaŭ tion mi neniam forgesos, ke iu grandliphara homo, en vintra vespero, surmetis la mantelon kaj diris: »Bone, se vi ne amas min, nun foriras kaj neniam mi reveno«. Vere, li foriris, mi eksploris, sed apertiĝis la pordo kaj la grandlipharulo revenis. La premis min al sia vizaĝo, kiu estis glaci-malvarma, lia barbo pikis kaj li zumetis en mian orelon: »Mi ne foriras, kial mi forlasus mian solsolan fileton.« Mi ne respondis, ĉar tiam ankoraŭ mi ne sciis paroli...

— Mi memoras ankaŭ pri tio, ke mia patrino havis nigrastrian bluzon, sur kiu estis pasament-ornamaĵo. Mi memoras pri ŝia malhelblua, helikdesegnaĵa antaŭtuko, en kiu ĉirkaŭ kristnaskfesto ŝi portis al ni de la grenejo pomon. Ankaŭ pri tio mi ne forgesas, ke dum mia vivo unufoje mi ricevis baton. Je la tago de la Etaj Senkulpuloj, ĉar kun vipo plektita el saliko mi iris en la vilaĝo por vergadi. Somere mi kuradis nudpiede kaj, kiam mi venis al Csurgo, en la gimnazion, la unuan nokton, en la fremdodora lito mi sonĝis, ke hejme, en la vinber-premejo, mi helpas mian patron ruli barelojn kaj ke larĝĉapela pastro al mi mansvingas. Ĉe mia pensionejo mi abomenis ĉiun, precipe la oĉjon, kiu dispecigis panon en la supon, kaj post tagmanĝo ekkuŝis sur la divano kaj mi devis premadi lian gras-palpan frunton, ĉar ĉiam li havis kapdoloron. Marinjo estis la nomo de la servistino kaj foje ŝi vojaĝis hejmen, ĉar mortis ŝia onjo Gizela. En nigra robo ŝi revenis, sidis en la kuirejo sur la ŝupurigila kesto kaj ŝiaj larmoj falis sur la cir-skatolon.

## Bondeziro

— J. Bertacchi —

Jen, herboplena ĉaro preterpasis,
kaj post si plaĉan bonodoron lasis.
Faru, anim', en sama maniero,
kaj post kiam vi iros for de l' Tero,
en ĉiu bona homo, bona koro
postvivu pri vi kara rememoro.

## Plimulto kaj malplimulto

— J. Giusti —

Ke venkas la plimulto, estas vero
Valida nur kondiĉe, ke prudent'
Estas en kapoj kaj komuna sent',
Kaj ne azena stulto kaj malklero.

Se de l' popolo, kiel help-ofero,
Nur vortoj venas al vi cent kaj cent,
Eĉ eta blovo de fripona vent'
Faligos vin; ne dubu pri l' afero.

Supozu, ke min batas kvar friponoj,
Kaj mil bonuloj venas min kompati,
Kaj krias: »Ne!« — sed helpas nur per sonoj:

Kiel mizere mi ja devas stati,
Dum min la kvar draŝadas per bastonoj,
Kaj la mil krias: »Ve! Fi! Ĉesu bati!«

El la itala: *A. Mazzolini.*

La sekvan tagon ni iris aĉeti fromaĝon al la brasikodora butiko de Hutter kaj tie ni renkontis virinon, kiu tenis bebon sur la brako. Marinjo falkliniĝis super la vindotukon, kisadis la bebon kaj ploris eĉ tiam, kiam ŝi pagis por la dekkvin-dekagrama fromaĝo al la pudrovizaĝa sinjorino Hutter, kaj mi estis certa, ke al Marinjo mortis ne onjo Gizela, ke eble ŝi eĉ ne havis onjon Gizela en Máinfa, sed ke ŝi havis tian bebon kaj tiun ŝi enterigis.

— Ĉiam mi estis tro saĝa, ĉion mi sciis, ĉion mi vidis. Mi ne havis infanaĝon. Kaj tamen mi jam vizitis la unuan klason en la gimnazio, kiam Francisko Schober klarigis al mi, kiel naskiĝas la infano. Per obscenaj, malbelaj vortoj li rakontis tion kaj mi kriis kvazaŭ mi volus savi la lastan iluzion de mia vivo.

— Mensogo... mensogo...

— Demandu Lukáĉon, li kuŝas en la lito apud sia patro, li rakontos. Sciu, ĉion, ĉion li subaŭskultis... Nun li estas en kolero kun la patrino kaj ĵuris, je Dio li ĵuris, ke li abomenas sian patron kaj prefere li kuŝas en la ĉambreto, sur la fer-lito, sed nokte tamen li iras al la pordo por aŭskultadi. Li ne povas dormi, kaj li diras, ke li devas aŭskulti, kaj foje »tiam« li apertos la pordon, ke liaj gepatroj hontu...

— Mi ne sciis, ĉu mi kredu al Schober; mi pensis, ke se ni denove ekskursos, mi demandos profesoron Takács, se li denove venos kun ni. Sed mi ne kuraĝis. Vespere mi ekmemoris, ke Marinjo enterigis sian bebon, ŝi certe diros al mi, kiel naskiĝas la infano. Marinjo eksaltis de la ŝu-purigila kesto kaj kuris en la ĉambron por denunci. »Sinjorino, mi petas, la knabeto parolas ĉiaspecajn aĉajojn.«

— Schober flustradis kun Lukáĉ, ĉiu knabo havis amikon, mi neniam havis iun. Mi naskiĝis por soleco. Io fortimigas de mi la homojn. Ili eksentas, ke mi estas alia ol ili. Kelkfoje malfru-nokte mi hejmen-

venas, ekbruligas la elektran lumon, kaj staras antaŭ la spegulo. Kompate mi rigardas min kaj sur mia vizaĝo, en miaj okuloj mi serĉas, kio do disigas min de ĉiu. Mi rigardas min en la spegulo kaj laŭte mi krias: »Kial vi vivas sola, Elemiro Novacsek?« Mi nomas min Novacsek, ĉar ankaŭ la nomo de mia patro estis tia. Sur papero mi ricevis la Náray-n, sed mi scias, ke se mi mortos, tie, en tiu alia vivo, tiel min nomos ia mirinda voĉo: »Ĉu vi estas ĉi tie, Elemiro Novacsek?« »Mi ĉeestas« — mi diros kaj estas eble, ke mi staros tie nudpiede; estas eble, ke en tiu malgranda tol-kalsono, kiun mia patrino por mi teksis, en tiu mi staros tie, sed ne kun kalviĝanta kapo, miopaj okuloj, sed kiel dekjara knabo, ĉar tiam mi estis la plej bela...

— Ankaŭ pri tio mi pensas ĉi tie, en ĉi tiu soleca ĉambro, kiel bone estus, se foje brilus la elektra lumo, kiam mi hejmenvenas. Bela, blonda virino kaj dika knabeto sidus apud la tablo. »Kiuj ili estas?« — mi demandus, sed poste mi ekmemorus, ke ili estas mia familio: mia edzino, mia infano. El la poŝo de mia mantelo mi prenus ĉokoladon por Steĉjo, mi demandus Esteran, — kial mia edzino ne nomiĝus Estera? — per kio ŝi pasigis la posttagmezon, ĉu ŝi havis kapdoloron, ĉu venis vizite onjo Janka. Ŝi respondus pri ĉio kaj mi silentus, alion mi eĉ ne povus jam demandi. Ankaŭ la balbutado de Steĉjo ektedus min, mi volonte restus sola; mi portis de la strato ian penson, kiu volus formiĝi je verso, mi volus silenton, solecon, kaj mi rekurus al la strato... al la soleco...

— Alifoje mi iras sur la strato kaj doloras al mi la soleco. Multajn parojn mi vidas, virinon kun virino, virinon kun viro, viron kun viro, nur mi vagadas sola. Mi renkontiĝas kun konato, li akompanas min iom, ĉe la adiaŭo li diras: »Morgaŭ tre bona societo estos ĉe mi por lunĉo, mi ĝojus, se vi venus.« Mi elŝiras min el la granda soleco kaj mi akceptas la viziton. Mi laŭdas la nigran kafon, mi rakontas, en kia aĝo mi verkis mian unuan verson... poste... poste jam apenaŭ mi diras ion. Kelkfoje sidas apud mi virino, ŝi parolas, tuŝas mian brakon per sia brusto, poste ŝi pluiras kaj mi aŭdas, kiam ŝi rakontas al la sublampa grupo: »Estas eble, ke tiu Náray estas talenta, sed li estas terure enuiga.« Oni rigardas al mi, el la okuloj de la dommastrino mi vidas, ke ŝi pripentis, ke ŝi min invitis, ĉar ŝi opinias min strangulo, kaj doktoro Friedmann rekte eldiras: »Patologia kazo...« Mi iras al la vitrino, rigardas bellinian vazon kaj dume mi pensas pri tio, kiel bone estus, se mi estus jam hejme... Sed antaŭe mi devas aŭskulti la fortepianludon de fraŭlino Piroska, kaj mi devas legi la verson, kiun skribis la naŭjara Péterke. »Kion vi diras pri liaj rimoj?« — demandas lia patrino kaj mi nur kapbalancadas, ke ili estas bonegaj, vere bonegaj rimoj. Kaj sinjoro Elek demandas min, kian programon mi havas por la duoblaj festotagoj? Mi ne havas programon, neniam mi havas programon. Sed tion mi ne kuraĝas diri. Gesinjoroj Darvas iros al la Sváb-monto, sinjoro Elek kun kvar amikoj aranĝas aŭto-ekskurson al Gödöllő... Ĉiu planas ion, ĉiu iras ien kun iu, nur mi havas neniun, nur mi ne havas programon. »Certe li atendas iun belan virineton al la loĝejo« — opinias la malkaŝbuŝa Katus kaj mi neas kun pseŭd-kavalirero: »Ah, kontraŭe, tute ne temas pri io tia«. Kompreneble, tiamaniere, ke ĉiu povu kompreni: »Certe, belan virineton mi atendas. Terure bone ni fartos.«

— La vero estas, ke nuntempe jam mi atendas neniun. Kelkfoje el la presejo oni sendas la presprov-



A. Farkas *Foto*

aĵojn, kelkfoje de mia revuo oni avertas, ke mi liveru la dimanĉan poemon, kelkfoje vizitas min la redaktoro kaj samtempe eldonisto de *La Gardeno de Literaturo*, li laŭdas mian plej novan poemon, li certigas, ke mi estas la plej granda hungara verkisto, li plendas, ke ĉiam malpli da anoncoj li havas, kaj tuj post tio li sciigas min, ke li estas devigata redukti mian honorarion al dekkvin pengoj...

— Mi verkas la dimanĉan poemon por mia revuo, mi scias, ke ĝi ne estas bona, ke ne tion mi volis verki, sed ja iam, foje... foje mi verkos ankaŭ tion, finfine mi ja estas nur kvindekdujara. Verdire, plej ofte mi skribas sen humoro, mi ne amas labori. Maksimume ses-sep poemojn mi devus verki jare, sed ja pri tio ne konsentus mia domposedanto, mia ŝuisto, mia tajloro... Do por ili mi verkas la dimanĉan poemon. Mi ĝojas, kiam mi estas pri ĝi preta, poste povas veni la promenado. En la montrofenestroj de la magazenoj mi rigardas la modajn varojn, la novtipajn radioaparatojn kaj en la vojaĝ-oficejo la belajn, palmajn afiŝojn, la bluan maron kaj la piramidon, kiun mi jam vidis en la kino... Sur la teraso de la kafejo oni manĝas glaciaĵon, tra la helaj, malpezaj roboj de la virinoj mi trasentas ilian odoron, mi ekmemoras pri Milike, de kiu mi ricevis la tabak-koloran hejman jakon. La jako jam diseriĝis kaj Milike iĝis jam avino, je Pasko mi vidis ŝin sur la Margaret-insulo: en eleganta, blanka veturilo ŝi ŝovis sian nepon... Mi iras sur la strato kaj iu min preterpromenas, kun balanciĝanta iro kaj mi aŭdas, kiel ŝi diras: »Andor malpermesis, ke mi cigaredu.« Kiel bone, ke en mian vivon neniu sin entrudas, eĉ la cigaredon oni ne povas al mi malpermesi... Mi ne prisilentas, ke doloras iom, ke tiel sola mi vagadas sur la bulvardo, sed ja ankaŭ al mi oni proponas silikon, saharinon, ŝu-laĉon, kaj la almozulo diras ankaŭ al mi sur la angulo de la Wesselényi-strato: »Benu vin Dio pro tio, sinjora moŝto..« Ankaŭ tio estas vera, ke neniu estus tiel freneza, ke li

venu kun mi sur la Danubobordon por gapi sur la akvon dum longaj horoj. Ankaŭ la ŝipojn mi amas rigardadi, venas en mian kapon la palmarba afiŝo... Foje estus bone aĉeti bileton ien, malproksimen...

— Ridu pri mi, mi ankoraŭ ne estis en *bar*. Mi ne scias, ĉu ĉe la eniro oni devas doni trinkmonon en la vestejo, kaj ankaŭ tion mi ne scias, kion oni mendas, kian manĝaĵon aŭ trinkaĵon, se oni sidas apud tablo. Mi hontas demandi iun, do mi ne iras. Mi ekiras en la direkto de mia hejmo, mi rigardas la stelaran ĉielon kaj mi fieras: jen mi scias, ke almenaŭ 2.700 gradoj da varmo estas bezonataj por tio, ke ni povu vidi la brilon, ke la stelo iĝu *stelo*...

— Kiel multaj estas, kiuj tion ne scias, kiel multaj, kiuj neniam skribis unuuran tiel belan, veran verson, kiaj viciĝas en la *Ĉielatingaj Betuloj* kaj tamen... tamen tio estus bona, — mi pensas, — se nun mi brakplektus kun ĉi tiu krudsilkroba virino kaj flustrus en ŝian orelon: »Kara...«

— Kiel orfa mi estas, mia Dio, kiel orfa — mi diras al mi, kaj kiam temas pri mi mem, en pliigita mezuro mi inklinas al la sentimentaleco. Antaŭ la Ritz-palaco preskaŭ mi jam karesas la proprajn vangojn, feliĉe mi ekvidas la dramverkiston en lia aŭto kaj el la moliĝo mi reglaciiĝas. Mi envias la dramverkiston, ĉar li estas riĉa, ĉar per sia senkapableco li gajnas multan monon, kaj tuj mi riproĉas min: »Olda azeno, lernu de li! Tion, tiel oni devas fari. Sur ĉiu afiŝo estas lia nomo, lumreklamoj projekcias la titolon de liaj teatraĵoj, liajn amatinojn registras la teatra gazeto, li fumas dikan cigaron, li komforte fleksas sin dorsen en sia aŭto aĉetita por dekokmil; li sentas sin hejmece en la *bar* kaj ne sur afiŝo li gapas la bluan maron... «

— Mi malestimas la riĉan dramverkiston, ĉar tiom li komprenas la lingvon de la amaso, sed mi ankaŭ envias lin. Kiam miaj gepatroj ankoraŭ vivis, multe mi lamentadis, kial mi estas poeto? Kion el tio komprenas mia patro, mia patrino? Kion valoras por ili, ke oni tradukas miajn poemojn francen, kion valoras por ili, ke mi estas membro de la Petőfi-societo; valorus pli multe, estus pli palpebla, pli evidenta sukceso, se antaŭ iu kurteno mi klinadus min kaj plenplena aŭskultantaro min aplaŭdus. Kun kia vibranta ĝojo dirus tiam mia patrino: »Mia filo... la mia...« Pleje tial mi volis esti fortepianvirtuozo, aŭ violonartisto, aŭ nur trapez-gimnasto en iu granda cirko, ke antaŭ ili oni solenu min foje, laŭte, entuziasme, ke ili vidu per siaj du maljunaj okuloj, ke ili vidu, kia famulo iĝis ilia filo...

— Tiom mi amis miajn gepatrojn kaj des pli al mi doloras, ke mi hontis mian patron, hontis mian patrinon. Malbela, ruĝnaza, ruĝvizaĝa, hirtbrova, grandliphara homo estis mia patro. Akvo-muelisto en Ivándi, apud Csurgó. Hejme, en sia farunita vestaĵo, kun siaj grandaj botoj li pli bone aspektis, ol en la nigra, malvasta festvestaĵo, en kiu li venis al Csurgó, en la gimnazion, ĉar kiel kvinaklasulon oni kondamnis min pro mia konduto. Tiumatene mi flankumis sur la koridoro, mi ŝtel-atendis mian patron, por ke li ne elvenu sur la korton en la dekminuta paŭzo, kaj la knaboj ne povu lin vidi. Tie li staris, la povrulo, kun deprenita ĉapelo, antaŭ la profesora ĉambro, adiaŭis min, rapidis al la stacidomo, kisis min per sia grandliphara buŝo, donis unu kronon kaj mi eĉ tiam honteme ĉirkaŭrigardis, ĉu iu ne vidas mian pez-movan, metiistecan patron. Mi apertis la pordon, mi rigardis post li, kaj kiam por momento mi vidis ankoraŭ lian kurbiĝintan dorson en la festa nigra jako, mi estus volinta krii, ke mi volas preni lian manon kaj konduki lin en la korton, ke la knaboj vidu: li estas mia patro...

— Mia patrino portis elpendantan bluzon kaj ligis tukon sur la kapon. Tra la saten-tuko trapintiĝis ŝia fama, granda har-nodo, kiom multfoje sufokadas io mian gorĝon, se mi vidas sur la strato tian tukhavan, grand-harnodan virinon! Kaj tamen... tamen, kiam enflamiĝis la furunko sur ŝia fingro kaj ŝi envenis al doktoro Baumholczer por ĝin tranĉigi, mi ne iris kun ŝi sur la Ĉef-strato, sed mi multe devojiĝis kaj tra la Kápolnási-strato mi kondukis ŝin al Baumholczer. Eĉ tiel mi renkontiĝis kun Edit Rosenberg, kiu tiame tre plaĉis al mi kaj mia vango estis ruĝa, kiam mi ŝin salutis. Ŝia patrino portis strutpluman ĉapelon; la sekvan tagon, kiam ŝi demandis: »Kiu estis tiu onjo sur la Kápolnási-strato?« — tute mallaŭte mi respondis: »Mia patrino.«

— Ili ne plu vivas, ili mortis, kaj tamen, certe mi sentas, foje mi diros al mia patro, kiel ja okazis tio en la lernejo, ĉar ne vere mi hontis lin, li ja povas scii... Al mia patrino ĉiam doloris la du brakoj. Nun mi jam scias, ke pro arteriosklerozo, nelonge mi aŭdis de kuracista konato, ke oni kuracas ĝin per joda preparaĵo. Mia patrino kun la granda har-nodo kuŝas sub la acet-arboj de la tombejo en Ivánd kaj tamen mi pensas, ke tio ne estas definitiva, ke mi vekiĝos foje kaj denove vidos ŝin en ŝia malhelblua antaŭtuko kun la blankaj helikdesegnaĵoj, kiam ŝi venas de la grenejo, disdonas al ni la ruĝajn pomojn, sidiĝas apud la fajrujo, premadas sian brakon kaj diras: »Ve, Virgulino Maria, forigu de mi la doloron.« Mi manĝas la ruĝan pomon kune kun miaj du fratetoj, mi ridas laŭte, ĉar mi scias, ke la joda preparaĵo helpos kaj mia patrino neniam plu veados.

— »Kio estas la morto?« — mi demandas multfoje, kuŝante en la lito, kaj kelkfoje mi sentas, ke ĝi estas silenta, senkriza, senemocia trankviliĝo de animo kaj korpo. Tiam mi ne timas, eĉ preskaŭ deziras ĝin, ja estus tiel bone envolviĝi en la molan ombron. Aliafoje mi pensas pri ĝi kun panika timo, kvazaŭ pri la erupto de l'Vezuvo, kvazaŭ pri tondranta tertremo, mi imagas dramajn luktadojn kaj tiafoje mi ekbruligas la elektran lumon, per la dekstra mano mi serĉas mian koron por ekpalpi, ĉu ĝi batas ankoraŭ. Mi pensas pri la Kristo de oĉjo Inhof, mi petas lin, ke li konsideru mian piecon, ĉefe tion, ke ankaŭ por la mortintoj mi kutimas preĝi...

Elemiro Náray subite eksilentis. Li nur rigardis per siaj grandaj, bluaj okuloj, kaj poste diris ankoraŭ:

— Ĉiam mi pripensis, se mi parolis pri mi mem, ĉiam mi timis liveri min al iu. Estas domaĝe, mia filo, ke vi tiom similas junulon, iun junulon, kiun mi antaŭ dudekok jaroj vidis lastfoje. Al li mi faris raporton... Espereble nenion vi notis?

Rapide mi kaŝis la plenskribitajn paperfoliojn kaj mi komencis adiaŭi. Li premis mian manon, glitigis en mian poŝon kelkajn ĉokoladajn kukojn kaj li flustris, kvazaŭ li konfidus al mi sekreton:

— Serĉu amikojn... Nun ankoraŭ ne estas malfrue, ke vi fandiĝu en la amason...

El la pordo mi rerigardis. Elemiro Náray staris en la ĉambro elektroluma, tiel solece, ke eĉ ombron li ne havis, mi ĵuras, ke lia ombro ne ĵetiĝis sur la muron... li estis sola, tute sola...

El la hungara: *Lali Blond.*

# La morto de la ĉefkomandanto

— Boris Pilnják —

»La morto de la ĉefkomandanto« — originala titolo »Rakonto de la neestingiĝanta luno« havas krom la literatura valoro ankaŭ sian historion. Ĝi aperis en la moskva ĵurnalo »Novi mir«, sed jam antaŭ ĝia presigo ne estis sekreto en la literaturaj rondoj de Moskvo, ke Boris Pilnjak en sia rakonto tuŝis kelkajn detalojn ligitajn kun la morto de la komisaro por milit-aferoj Frunze, mortinta en 1926.

La apero de la rakonto elvokis grandan bruon kaj, fine, laŭ la decido de GPU estis konfiskita la koncerna numero de la ĵurnalo kun la verko de Pilnjak, malgraŭ ke la ĵurnalon redaktis Lunaĉarskij, la komisaro por popola klerigado.

*La tradukinto.*

I.

Tagiĝas. Super la urbo eksonas fabrikaj sirenoj. La stratetoj estas kovritaj de griza nokta nebulo, malvarmo. La nebulo disiĝanta sub la influo de la taga lumo estas heroldo de malgaja, griza, frostiga mateno. En tiu ĉi horo, en presejoj de taggazetoj, la rotaciaj maŝinoj elĵetadis la lastajn represaĵojn de la gazetoj, kaj baldaŭ, el kortoj de la ekspedejoj, en la stratojn diskuris knaboj kun gazetpakaĵoj; jen unu aŭ alia el ili ĉe la stratkruciĝoj ekkriis, purigante la gorĝon, jene, kriante dum la tuta tago:

— Revolucio en Ĥinujo! Alveno de la ĉefkomandanto Gavrilov. Malsano de la ĉefkomandanto!

Kaj, je la sama horo, al la stacidomo, kien alvenas vagonaroj el la sudo, alveturis vagonaro. Tio estis speciala vagonaro, en kies fino brilis la blua salonvagono, silenta, kun gardantoj sur la ŝtupetoj kaj mallevitaj rulkurtenoj post la respegulantaj fenestroj. La vagonaro venis el la nigra nokto, de kampoj, malŝparintaj la trezorojn de l' somero por griziĝi per neĝo. La vagonaro malrapide enrampis sub la tegmenton de la stacidomo kaj sen bruo haltis sur flankaj reloj. La perono estis malplena. Ĉe la pordoj, eble hazarde, pli multnombre staris milicanoj kun la verdaj alkudraĵoj sur la manikoj. Tri militistoj, kun rombformaj signoj sur la manikoj, aliris al la salonvagono. La gardantoj eksalutis, la militistoj ekatendis ĉe la ŝtupeto, unu el la gardantoj enmurmuris ion en la vagonon, — post momento tiuj ĉi tri leviĝis sur la ŝtupetojn kaj malaperis post la pordkurtenoj. En la vagono eklumis elektra lumo. Du militistaj muntistoj ekklopodis ĉe la vagono, ligante la telefonajn kondukilojn kun la tegmento de la stacidomo. Alvenis ankoraŭ unu homo en malnova mantelo kaj, ne laŭsezona, pelta ĉapo kun orelkovriloj. Tiu ĉi homo neniun salutis, ankaŭ al li oni ne salutis, — li nur diris:

— Diru al Nikolao Ivanoviĉ, ke venis Popov.

La ruĝarmeano esplore lin ekrigardis, ekstrabis al la irdifektitaj botoj kaj rapide respondis:

— La kamarado ĉefkomandanto ankoraŭ ne ellitiĝis.

Popov ekridetis al li kaj diris amike:

— Iru, frateto, iru kaj diru al li, ke venis Popov.

La ruĝarmeano iris, revenis. Tiam Popov envagoniĝis. En la salono, ĉar estis mallevitaj la kurtenoj kaj ne estis estingita la elektra lumo, restis ankoraŭ nokto. Sur la tablo, apud lampo, kuŝis malfermita libro kaj apud ĝi telero kun neformanĝita griaĵo kaj proksime de ĝi — revolverujo kun leda rimeno serpentforma. Sur la flanko de la tablo staris malŝtopitaj boteloj. Tri militistoj kun rombinsignoj sur la manikoj sidis en ledaj seĝoj apud la muro, ili sidis tre trankvile, modeste — kun paperujoj en la manoj. Popov aliris al la tablo, senvestiĝis, la mantelon kaj ĉapon li metis apud sin, prenis la malfermitan libron, enrigardis. Alvenis la indiferenta konduktoro kaj ordigis la tablon: la botelojn li metis ien en angulon; kolektis sur pleteto fruktrestaĵojn; poste li kovris la tablon, metis sur ĝin solan glason, teleron kun nefreŝa pano, ovingon; poste alportis sur telereto du ovojn, salon, boteletojn kun medikamentoj; la konduktoro deŝovis la pordokurtenon, alrigardis la matenon, — disŝovis la kurtenojn sur la fenestroj — la ŝnuroj malĝoje, sopire ekĝemis — kaj estingis la elektran lumon. En la salonon enrampis griza, frostiĝinta, aŭtuna mateno. En la maldensa, avara matenlumo ĉies vizaĝoj ŝajnis flavaj. En la pordo, apud la konduktoro, ekstaris servosoldato: en la oficejo oni jam laboris, sonoris telefono.

El la kupeo-dormejo eniris la salonon la ĉefkomandanto. Tio estis malalta, larĝŝultra homo, kies blondaj haroj estis kombitaj dorsen. La militista bluzo, sur kies manikoj estis kvar rombinsignoj, ĉifita, farita el la simpla verda soldata tolo, kuŝis mallerte. La irdifektitaj kalkanumoj de la bone cirumitaj botoj kun spronoj atestis pri faritaj laboroj. Tio estis homo, kies nomo parolis pri beroecoj de la tuta civitana milito, pri miloj, dekmiloj kaj centmiloj da homoj, starantaj post liaj ŝultroj. Tiu ĉi nomo memorigis pri miloj, dekmiloj kaj centmiloj da mortoj, suferoj, kripligoj, — pri infero de malsato kaj turmentoj de marŝoj, — pri muĝo de kanonoj, fajfado de kugloj kaj noktaj ventoj, — pri fajrolignaroj dum nokto, venkoj kaj forkuroj, ree pri la morto. Tiu ĉi homo estris armeojn, homojn, venkojn, morton, pulvon kaj fumon, romp-itajn ostojn, homan karnon disŝiratan je pecetoj. Li famiĝis per venkoj, kiuj estis honorataj per susuro de centoj da ruĝaj standardoj kaj grandegaj manifestacioj, pri kiuj radio rakontis al la tuta mondo, post kiuj sur la vastegaj sablaj kampoj rusaj estis fositaj profundaj kavoj, en kiujn iel oni ĵetaĉis milojn da homaj korpoj. Tio estis homo, kies nomo estis superombrumita de privenkaj militlegendoj, aŭdaca sentimo, fera persistemo. Li plenrajtis ordoni al la homoj mortigi la aliajn kaj morti.

En la salonon li eniris kun bonkora, lacigita vizaĝesprimo. La irmaniero estis peza, simila al ties de kavaleriano kaj samtempe propra al homo havanta nenion komunan kun militistaro. Tri staboficiroj streĉiĝis ĉiel kordoj kaj eksalutis. La ĉefkomandanto haltis antaŭ ili kaj, ne donante la manon, faris la movon permesantan stari libere. Kaj komenciĝis akcepto de la raportoj: ĉiu el la tri antaŭenmoviĝis, streĉiĝis kaj raportis: — »en mia fako ... — servo por la revolucio«. Al ĉiu raportinto la ĉefkomandanto premis la manon, laŭvice, verŝajne ne aŭskultinte la raportojn. Kiam ili finis, li eksidis antaŭ la sola glaso kaj la konduktoro, elkreskinta ĉe lia flanko, komencis verŝi teon el brila tekruĉo. La ĉefkomandanto prenis la ovon.

— Kiaj novaĵoj? — demandis la ĉefkomandanto tute simplege.

Unu el la tri komencis paroli, rakontis la novaĵojn, kaj siavice demandis:

— Kiel vi fartas, kamarado Gavrilov?

# Poemoj de Brian-Brice Heywood

## Krokusoj sur alpo

Vaksoblanke, scivoleme,
Apud neĝo fruaprila
Puŝas sin el grund' azila
Simplanime, flank-al-flanke,
La krokusa pokalaro.
Kiu inter ili sidas
Strečokule, nepre vidas:
Duonjara dormo ĵusa
Freŝon donis! Kvaz' anĝeloj
Senpasie staras ili;
Nek aŭskultis fringon trili
El terkeloj, kie dronis
Ili varme sub neĝaro.
Blankas ili jen senmovaj,
Post la dolĉa dorm' tutnovaj,
Sen amaro, kaj senlarme
En silento ili miras
Pro la travidebla lumo:
Ve, maloftas abelzumo,
Nek aliras ia vento.

## Lingvaĵo

Lingvaĵo ligas nin al tero.
La menso devus alten flugi
Alaŭde preter korpa sfero...
Sed povas ni nur kampon plugi.

Per krudaj ŝtonepokaj iloj
Hommiloj sarkis ĝisenue,
Kaj niaj novŝprucantaj niloj
Tra strat-kanaloj devas flui.

Ĉu ni ne jam sufiĉe luktis
Por liberiĝi el la jugo?
Post mil mil jaroj l' arbo fruktis,
Rezulto estas... sukerkuko.

## Dankkanto de Ordinarulo

Ĉi tiu eta dom' triĉambra
Ne estas ja *la hal' Alhambra;*
Sed ĉiu ĉambro estas nia:
Unua, dua, tria.

Ĉi tiu kuirej' malalta,
Kun murpapero dube arta,
Kun fajrujego nigra, kaj la
Odoro mento-ajla:

Ĝi ne aspektas grandioze;
Sed kiam flamoj brilas roze
Vespere ĉirkaŭ la bolilo,
Vi, mi, kaj nia filo

Sopiras ne al hal' marmora,
Sopiras ne al lando fora.
Aliaj iru se volate
De lok' al lok' ĝissate.

Ni restos tie ĉi feliĉe,
Simile je sanktuloj niĉe,
Jen nia ej', fenestro tiu,
Ĉu ne beleta, diru?

Tra ĝi ne ŝvebas montoj pintaj;
Neniaj maroj hiacintaj
Sveladas sub radi' tropika;
Sed ĝardenet' amika

Disfloras de april' ĝis vintro:
Viol-latiroj ĉe la centro,
Kaj krisantemoj ambaŭflanke.
Al Di' ni preĝu danke,

Car ĉion ĉi ni tri posedas.
Vi diris; tagrutino tedas;
Kaj ĉiu homo ambicias,
Najbarojn subenvias.

Ne ni, ne ni: tre etaj vibroj
Al ni sufiĉas; bildoj, libroj
Ne sopirigas nin; kaj veo
Nur taŭgas en kinejo.

Ne logas pompo, lukso, grando;
Ne logas fremda alilando.
Ni ĝuas nian vivon plene,
Sen bril', sed senkatene.

Kaprompa politik', financo,
Rilatoj inter Pol' kaj Franco,
Aerrekordoj, kaj eltrovo
De sekso en kokovo

Ne tro maltrankviligas nin;
Ĉe ni ne fluas sorĉa vin'
Por forportadi niajn cerbojn,
Nek drog' por luli nervojn.

Sep jarojn restis ni geedzoj,
De nia viv' sep sukaj pecoj
Glutiĝis, sed dum jarkvindeko
Ni vivos en ĝojego.

Ni daŭros kunjubili same,
La brakojn interplekti ame,
La fajrardaĵon enrigardi:
Ni vivas por bonfarti.

Ho Dio, ne forprenu de ni
Ĉi etan ĝuprovizon; se ni
Ne ĉasas Grandon, Famon, Riĉon,
Do lasu nian niĉon!

## Sakfajfiloj

Kio estas en la sakfajfilmuziko,
Ke ĝi ekboligas mian sangon?
Eĉ en mezo de londona bruo
Vekas min el revo, el enuo,
Kaj pro ĝoj' ruĝigas mian vangon?

Ah, sovaĝa la fajfila kanto!
Plenda melodi' sur basa zumo...
Ĝi venigas tuj antaŭ l' okulon
Tiujn feinsulojn de nebulo
Blue grizajn sub aŭtuna luno.

Feinsuloj trans la senripoza maro,
Vi min vidas, vin sopiras ĉiam,
Kvankam mi ne tuŝis vian teron,
Ne enspiris vian salaeron,
Mi vin konas, kaj la genton vian.

Daŭre ululadas la fajfiloj...
Ie en la Nordo ventoj kantas,
Kaj maljunulino en mantelo
Lul-murmuretante ĉe lulilo
Kaŭras apud torfo brul-fumanta.

Neĝofloke ŝaŭmas la marondoj
En la duonlumo de l' krepusko;
Falas kvazaŭ tuko la malseko;
Longajn mejlojn kovras la marĉego
Surkreskata de flavverda musko.

Laŭ montflankoj pro la vento nudaj
Longe la vojeto serpentumas,
Perdas sin en sovaĝej' obskura,
Transas pluvtorentojn... fine hura!
En kaban' olea lampo lumas...

Sakfajfilmuziko, nun mi scias,
Kian sorĉon vi kapablas ŝovi
Super mian menson. Pli ol fluto,
Pli ol milda tono de liuto,
Vi min helpas Paradizon trovi.

---

La vizaĝo de la ĉefkomandanto por momento fremdiĝis, li diris malkontente:

— Mi estis en Kaŭkazo, kuracigis min. Nun estas pli bone... — li eksilentis — nun mi resaniĝis... — ree eksilentis. — Bonvolu ordoni, ke ne estu iaj honoraj gardantaroj, ĝenerale ... — li ree interrompis. — Vi povas foriri, kamaradoj.

La stabanoj leviĝis por adiaŭi. Ne leviĝante, la ĉefkomandanto donis al ĉiu el ili la manon. Ili foriris senbrue.

Kiam en la salonon eniris la ĉefkomandanto, Popov ne salutis lin, — li prenis la libron kaj turninte sin de la ĉefkomandanto komencis ĝin trarigardi. La ĉefkomandanto ekrigardis lin unuokule kaj ankaŭ ne salutis, ŝajnigante, ke li lin ne vidas. Kiam la stabanoj foriris — la ĉefkomandanto diris al Popov, ne salutante, kvazaŭ adiaŭinta lin nur hieraŭ:

— Kion vi volas, Aleŝka, teon aŭ vinon?

Sed Popov ne sukcesis respondi, ĉar antaŭeniris la servosoldato kaj raportis al la kamarado ĉefkomandanto, ke la aŭtomobilo estas deprenita de platvagono, ke en la oficejon alvenis paperoj, — unu severe konfidencan alportis la sekretario el la domo n-ro unua, ke en la stabejo estas preparita loĝejo, ke alvenis tuta amaso da gratultelegramoj. — La ĉefkomandanto respondis, ke li loĝos en la vagono kaj ordonis al la servosoldato foriri. La konduktoro, ne atendante la respondon de Popov, metis sur la tablon glason por teo kaj vinglaseton. Popov pliproksimiĝis al la ĉefkomandanto.

— *Kiel la sanstato, Nikolaŝa?* — demandis Popov kore, zorgeme, tiel, kiel demandas frato.

— La sano estas en ordo, mi jam resaniĝis kaj fartas bone, sed, malgraŭ ĉio, eble vi staros honorpostene ĉe mia ĉerko — respondis Gavrilov duonŝercante, duonserioze: — sed ĉiuokaze — per negaja ŝerco.

Ili ambaŭ, Popov kaj Gavrilov, estis kunligitaj de malnova amikeco, nelega partilaboro, komuna laborado en fabriko, malproksime en la junaĝo, kiam ili kiel teksistoj komencadis vivi. Poste estis komuna malliberejo, kiun sekvis la sorto de profesia revolucio — ekzilo, forkuro, elmigro, nelega ekzistado, diversaj malliberejoj, ekzilo, forkuro, elmigro, Parizo, Vieno, Ĉikago; — kaj tiam la nuboj de l' jaro mil naŭcent dekkvara, Brindisi, Saloniki, Rumanujo, Kievo, Moskvo, Peterburgo, subite uragano de la deksepa jaro, instituto Smolnij, Oktobro, kanontondro super la Moskva Kremlo... Kaj, — unu: stabestro de la ruĝa armeo en Rostov ĉe Don, kaj la alia: en Tula, gvidanto de proleta nobelaro, kiel jam ŝerce diris Rikov. Por unu estis — la militoj, venkoj, estreco je kanonoj, homoj, mortoj, — por la alia — komitatoj, konferencoj, kunvenoj kaj referaĵoj: por ambaŭ — ĉio, la tuta vivo, ĉiuj pensoj — por la plej granda en la mondo: revolucio, por la plej granda en la mondo: justeco kaj vero. Sed ĉiam unu al la alia — Alekseo, Aleŝka, — por ĉiam kamaradoj-teksistoj, sen rangoj, sen honoroj

— Rakontu al mi, Nikolaŝa, pri via sano? — demandis Popov.

— Jen, mi havis, aŭ eble havas, vundeton en la stomako. Estis doloroj, sangvomaĵoj, abomenaj naŭzoj, — io terura — diris mallaŭte la ĉefkomandanto, sin klininte al Alekseo. — Oni sendis min Kaŭkazon, kuracis, la doloroj ĉesis, mi komencis labori, post duonjaro, ree naŭzoj kaj doloroj, ree mi veturis Kaŭkazon. Nun la doloroj ree ĉesis, mi eĉ eltrinkis por kontrolo botelon da vino... — La ĉefkomandanto interrompis sin mem! — Aleŝka, eble vi volas vinon, tie sub la benko tuta kesto staras, por vi, senkorkigu!

Popov sidis, apogante la kapon per manplato.

— *Ne, mi matene ne trinkas. Parolu.*

— Do, jen, mia sano estas nun en ordo. — La ĉefkomandanto eksilentis. — Diru, Aleŝka, — kial oni min venigis ĉi tien, ĉu vi ne scias?

— Mi ne scias.

— Alvenis la papero: — alveturi rekte el Kaŭkazo — eĉ la edzinon mi ne vizitis. — La ĉefkomandanto eksilentis. — Diablo scias, mi ne povas eĉ konjekti, pri kio temas. En la armeo ĉio estas en ordo, neniaj konferencoj, nenio ...

La ĉefkomandanto parolis pri la armeo, milito

— kaj ne rimarkis, eble, ke kiam li parolis pri armeo, li ĉesis esti teksisto kaj fariĝis armeestro, la ruĝa generalo de l' ruĝa armeo; kaj rememorante la pasintajn tempojn, ne rimarkis, eble, la ĉefkomandanto, ke ree li estiĝas teksisto, kiu, laborante en fabriko, ekamis la vilaĝan instruistinon, pro kiu li cirumis botojn kaj iris nudpiede ĝis la lernejo, por ke ne polvkovriĝu la botoj, surmetante ilin nur en la arbareto apud la lernejo; unufoje li aĉetis eĉ bankravaton kaj laŭmodan ĉapelon. Finiĝis ĉio je babiladoj pri libretoj, ne okazis la romano, la instruistino rifuzis lin. La armeestro-teksisto estis trankvila, bona homo, scipovante ŝerci kaj vidi ridindaĵojn, — kaj li ŝercis interparolante kun la amiko. Nur foje rekonsciiĝis la ĉefkomandanto, fariĝis maltrankvila; li rememoradis pri la nekomprenebla venigo, mallerte moviĝis kaj parolis kiel la sana teksisto pri la malsana armeestro: — grandsinjoro, marŝalo, moŝto, — jes! — sed la poligonan griaĵon, tamen, mi ne povas manĝi... jes, frato, la C. K. ludas kun la homo, — »el la kanto vorton oni ne povas forĵeti« — kaj li silentis.

— Nikolaŝa, diru sincere, kion vi suspektas? — diris Popov. — Kion vi babilis pri la honora posteno ĉe la ĉerko?

La ĉefkomandanto respondis ne tuj, post pripenso.

— En Rostov mi renkontis Potap-on (li nomis per partia pseŭdonomo unu el la plej konataj revoluciuloj de la dekoka jaro), kiu konvinkadis min fari la operacion, eltranĉi la ulceron aŭ kunkudri la vundeton, kiu estas tie, — suspekteme li persvadis. — La ĉefkomandanto eksilentis. — Mi sentas min sana, la operacion kontraŭstaras mia tuta estaĵo, mi ne volas, — mi resaniĝos. La doloroj ja forpasis, mi eĉ dikiĝis, kaj diablo prenu, — mi rigardas en la ventraĉon, kiel ia grandsinjoro, dorlotanta sian korpon. Honto! — li prenis en la manojn la malfermitan libron. — Mi legas de maljunulo Tolstoj »Infaneco kaj junulaĝo«, — bone skribis la maljunulo, li komprenis la vivon, sangpotencon... Multan sangon mi vidis, sed... sed la operacion mi timas, kiel infano. Mi ne volas, oni buĉos min!... Bone komprenis la maljunulo, kio estas la homa sango...

Eniris la servosoldato, streĉiĝis kiel kordo, ekraportis — pri tio, ke el la stabo alveturis la referanto, ke el la domo n-ro unua oni sendis aŭtomobilon, petante pri la bonvola alveno, — ke estas ricevitaj novaj telegramoj. Fininte, li metis sur la tablon gazetojn. La ĉefkomandanto, ordoninte alporti al si mantelon, malfermis la gazeton. Sur la unua paĝo inter la plej gravaj novaĵoj estis skribite: »Alveno de la ĉefkomandanto Gavrilov«, kaj sur la tria estis presite, ke

> »hodiaŭ alvenas la ĉefkomandanto Gavrilov, provizore forlasinta sian armeon, por operaciigi ulceron en la stomako.«

En la sama notaĵo oni komunikis, ke

> »la sanstato de la kamarado Gavrilov estas sufiĉe danĝera, sed la profesoroj garantias la sukcesan rezulton de la operacio.«

La malnova soldato de l' revolucio, armeestro, sendinta milojn da homoj al morto, la enkorpiĝo de la militmaŝino, destinita mortigi, morti kaj venki per la sango, apogis sin kontraŭ la seĝo, forviŝis per la mano ŝviton de la frunto, fikse alrigardis Popov-on kaj diris:

— Aleŝka, ĉu vi aŭdas? Io estas! J-j-es... kion fari? Servosoldato, la mantelon!

## II.

Sur la stratkruciĝo de la du ĉefaj stratoj de la urbo, kie kvazaŭ senfina torento fluis aŭtomobiloj homoj, ŝarĝveturiloj — staris post palisaro domo kun kolonoj. Sur la domo tute mankis ŝildo. Ĉe la pordego de tiu ĉi domo staris gardantoj en kaskoj. Preter tiu ĉi domo fluadis homoj, aŭtomobilsignaloj, homamaso, homa tempo, fluis griza tago, gazetvendistoj, homoj kun paperujoj, virinoj kun jupoj ĝis genuoj kaj en ŝtrumpoj, ŝajnigantaj al la okuloj nudecon de la piedoj: — post la ornamaĵo de la pordego la tempo silentis kaj haltiĝis.

Sur la alia flanko de la urbo staris alia domo, ankaŭ de klasika arkitekturo, post palisaro kun kolonoj kaj diversaj mitologiaj ornamaĵoj sur bareliefoj. Sur du pordegoj grimacis faŭnoj; ĉe la pordegoj estis lokitaj malgrandaj gardistejoj, apud kiuj sidis gardistoj kun la kupraj ladpecoj sur antaŭtukoj kaj en feltbotoj. Apud la pordego staris fermita nigra aŭtomobilo kun ruĝaj krucoj kaj la surskribo — »rapidhelpo«.

En la sama tago la plej granda gazeto skribis en la ĉefartikolo, pri *»la trijaro de la ĉervoncovaluto«*, en kiu la aŭtoro pruvis »ke firma valuto povas ekzisti nur tiam, se la tuta mastrumado estas konstruita sur fortaj ekonomiaj bazo kaj kalkuloj. La popola mastrumado ne konforma al sia budĝeto detruas la firman financsistemon«. Frapis en la okulojn la titolo — *»Batalo de Ĥinujo kontraŭ la imperialismo«*. — En la eksterlanda fako estis telegramoj el Anglujo, Francujo, Germanujo, Ĉeĥoslovakujo, Latvujo, Usono. Felietone estis presita granda artikolo: — *»Demando pri la revolucia perforto«*. — Ankaŭ estis du paĝoj kun anoncoj, kie grandlitere vidiĝis: — »Vero de l' vivo — sifiliso«; — nova libro de S. Brojde »En la frenezulejo«.

Tagmeze al la domo n-ro unua, al tiu, kiu haltigis la tempon, alveturis fermita Rolls-Royce. La gardanto malfermis la pordeton kaj el la aŭtomobilo eliris la ĉefkomandanto.

En la kabineto, lokita en la flanka parto de la domo, la fenestroj estis duonkovritaj per kurtenoj. Post la fenestroj vivis la strato; en la kabineto brulis en kameno; sur la tablo en la kabineto — sur la ruĝa drapo — staris tri telefonaj aparatoj, por fiksi la silenton kune kun la knaretantaj brulŝtipoj en la kameno; tri telefonaj aparatoj — tri urbaj arterioj kondukis en la kabineton, por el la silento ordonadi al la urbo, informiĝi pri ĝi, pri ĉiuj okazintaĵoj. En la kabineto, sur la skribotablo, staris masiva el bronzo skribilaro kaj en ujon por plumoj estis enŝovita dekduo da ruĝaj kaj bluaj krajonoj. Sur la muro en la kabineto, post la skribotablo, troviĝis radio-akceptilo kun du paroj da orelaŭskultiloj kaj tuĉmente viciĝis elektraj sonoriloj, de la sonorilo en atendejon — ĝis la alarmsignalo. Kontraŭ la skribotablo staris apogseĝo. — Post la skribotablo sur la ligna seĝo sidis rektstatura homo. La kurtenoj sur la fenestroj estis duonlevitaj kaj sub verda abaĵuro brulis elektra lumo; la vizaĝo de tiu homo ne estis videbla en la ombro.

La ĉefkomandanto trairis laŭ la tapiŝo kaj eksidis en la apogseĝon.

*La unua,* la nekurbiĝanta homo:

— Gavrilov, mi opinias, ke ni ne devas paroli pri la muelejo de la revolucio. La historia rado, — bedaŭrinde, mi kredas, — grandparte moviĝas per morto kaj sango, — precipe la rado de l' revolucio. Nek mi, nek vi bezonas paroli pri morto kaj sango.

Vi memoras, kiel ni kune kondukis la senvestajn ruĝarmeanojn al Ekaterinov. Ni ambaŭ estis armitaj. Grenado disŝiris sub vi la ĉevalon kaj vi iris antaŭen per piedoj. La ruĝarmeanoj ekkuris returne kaj vi per revolvero mortpafis unu, por ke ne kuru ĉiuj. Ĉefkomandanto, vi mortpafus ankaŭ min, se mi estus ektiminta, kaj, mi opinias, ke vi pravus.

*La alia,* la ĉefkomandanto:

— Sed vi ĉi tie kiel ministro aranĝiĝis. Ĉu estas permesate fumi? Mi ne vidas cindrujon.

*La unua:*

— Ne fumu, oni ne devas. Al vi la sanstato ne permesas. Mi mem ne fumas.

*La alia,* — severe, rapide:

— Diru sen antaŭparoloj, — pro kio vi venigis? — sen la diplomataĵoj. Parolu!

*La unua:*

— Mi vin venigis, ĉar oni bezonas fari al vi la operacion. Vi estas necesa por la revolucio. Mi venigis profesorojn, ili diris, ke post monato vi tute resaniĝus. Tion postulas la revolucio. La profesoroj vin atendas, ili vin esploros, ĉion komprenos. Mi jam ordonis. Unu eĉ el Germanujo alveturis.

*La alia:*

— Tamen, mi ekfumos. Miaj kuracistoj diris al mi, ke la operacio ne estas necesa, sen ĝi ĉio cikatriĝos. Mi fartas sana kaj la operacion oni ne bezonas, mi ne volas.

*La unua* — malantaŭenigis la manon, ekpalpis sur la muro sonorilbutonon, eksonorigis — senbrue eniris sekretario. *La unua* demandis: ĉu iu atendas ankoraŭ la vicon? — la sekretario respondis jese. *La unua* nenion respondis kaj liberigis la sekretarion.

*La unua:*

— Kamarado ĉefkomandanto, vi memoras, kiel ni meditis, ĉu sendi al la certa morto kvar mil homojn? Vi ordonis sendi. Kaj vi ĝuste agis. — Post tri semajnoj vi plene resaniĝos. — Pardonu min, sed mi jam ordonis.

Eksonoris telefono, ne la urba, sed interna, tiu, por tridek-kvardek kunligoj. *La unua* demetis la telefontubon, aŭdis, redemandis, diris: — »Ĉu noton al Francujo? Kompreneble, oficiale, kiel ni decidis hieraŭ. — Ĉu vi memoras, kiel ni kaptadis trutojn? — La francoj estas tre artifikemaj... Kion? — jes, jes, akre! — Ĝis.«

*La unua:*

— Pardonu min, sed ne estas pri kio paroli, kamarado Gavrilov.

La ĉefkomandanto ĝisfumis la cigaredon, enŝovis la cigaredrestaĵon inter la bluaj kaj ruĝaj krajonoj kaj leviĝis de la apogseĝo.

*La ĉefkomandanto:*

— Adiaŭ.

*La unua:*

— Ĝis.

La ĉefkomandanto eliris laŭ ruĝaj tapiŝoj vestiblaj, post momento la aŭtomobilo forportis lin en la



A. Farkas *Memportreto*

# Poemoj de Hendrik Adamson

## Vespere

Suno dronas ruĝokule,
ardas nubo kiel vang',
lag' ne laktas nun nebule,
plenas de vapora sang'.

Vetflugadas mevoj alte,
malproksime kuras vel',
ŝaŭmaj ondoj fuĝas salte
en kreskanta vento-pel'.

Kun kreskanta nostalgio
gapas al la ondo-rul'
juna hom' — sopiras ion
nekonatan la stultul'.

Volas flugi birde, vele,
subakviĝi al najad'
vento pelas, ondoj ŝvelas,
fore sonas ĝembojad'...

## Al birdo

Sun' ektiris oran ĉaron,
trilu, birdo ĝojfanfaron,
metu vian kor-oferon
sur la am-altaron.

Blankas nub' en alt' lazura,
flustras foliar' susura,
gluglas font' kun akvo pura
en la herb' velura.

Eĉ idetoj viaj pepas,
per la flugiletoj ŝvebas;
ili, la ĉarmuloj etaj
jam mem kanti strebas.

Kantu do per voĉ-arĝento,
ke ĝin aŭdu ĉiu gento,
blovi, pro la rava sento,
ĉesu eĉ la vento!

## Al la amatino

Junulin',
brunulin',
mia kara kunulin',
kantu pri
la ebri',
kiel vi ekamis min.

Ho ve,
mi ne memoras plu.
Ĉu ne,
ni ĉiam estis du,
kaj kantis kaj dancis
kaj sidis kaj ridis.
Batadis la koroj
kaj flugis la horoj
la miaj kaj viaj,
ĝis tiuj enviaj
disigaj aŭroroj.

## Laste

Ronkas malsanaj bronkoj,
ŝvitoplena la lit',
zumas la miloj da konkoj —
la sirenoj de mit'.

Baldaŭ mi ekvojaĝos
al la land' de l' Silent'
kun la papago en kaĝo
kaj sendenta serpent'.

Jam la papag' estas muta,
plu ne mordas serpent'.
Jen mia vivo tuta
sen fanfaronoj, sen plend'.

## Pri propraj aferoj

Kial vi ne verkas plu, —
ĉi demand' insistis.
Oni min ne sterkas plu,
mian koron pistis.

Kamp' sen sterko — ve kaj fi!
Kor' sen amo — orfo!
Eĉ la marĉ' valoras pli
kun la ŝlim' kaj torfo.

Nu, kaj am' similas al
la ridanta suno,
malfidelon de l' vasal'
venĝis ĝi per puno:

Forsekiĝis mia font'
kiel lag' en sablo,
kaj mi iras for kun hont'
de l' Olimpa tablo.

---

bruon de l' urbo. — La rektstaturo homo restis en la kabineto. Neniu plu al li venis. Ne kurbiĝante, li sidis super paperoj, kun ruĝa, dika krajono en la mano. Li eksonorigis — eniris la sekretario, — li diris: — »ordonu forpreni la cigaredrestaĵon, tie, el tiu ĉi ujeto« — kaj ree li eksilentis super la paperoj, kun la ruĝa krajono en la mano. Forpasis unu horo, la alia, la homo ĉiam sidis super la paperoj, li laboradis. Eksonoris telefono, li aŭskultus kaj respondis: — »Ĉu sendi je du milionoj da rubloj galoŝojn kaj ŝtofojn en Turkestanon por ŝtopi la senvaran truon? — Jes, kompreneble! — Ĝis...«

Eniris senbrue servisto, metis sur la tableton ĉe fenestro pleton kun glaso da teo kaj peco da malvarma viando, kovrita per buŝtuko, poste li foriris. — La nekurbiĝanta homo ree sonorialvokis la sekretarion, demandis, ĉu la sekretaj dokumentoj estas pretaj. — La sekretario respondis jese, — »alportu«. — Kaj ree por longe eksilentis la homo super la granda paperfolio, super rubrikoj de diversaj komisarejoj. — Post ia tempo en la kabineton eniris — unu kaj alia — homoj el tiu trio, kiu estris.

Je la kvara horo — al la domo n-ro dua, en la antaŭurbo, alveturis kelkaj aŭtomobiloj. La domo estis volvita en mallumo, kvazaŭ la mallumo povus varmigi la glacian malsekecon. — Ĉe la pordego de la domo staris du milicanoj apud la gardistoj en feltbotoj. Ankaŭ ĉe la ĉefa enirejo staris du milicanoj.

Oficiro-adjutanto kun du ordenoj de la Ruĝa Standardo, belstatura kaj gracia kiel kano — kun du ruĝarmeanoj — eniris en la atendejon. La oficiron kun la ruĝarmeanoj renkontis homo en blanka kitelo. — »Jes, jes, mi scias.« La ĉambro estis granda kaj malplena. En la mezo staris tablo kovrita per blanka vakstolo kaj ĉirkaŭ la tablo — altaj seĝoj, kiel en staridomoj. Ĉe la muro troviĝis kanapo kovrita per litotuko, apud ĝi ligna tabureto. En la angulo, super la akvodefluilo, sur la ligna breto, estis boteloj kun diversaj medikamentoj, botelegoj kun sublimato, sapo, apude pendis flavaj viŝiloj. — Per la unua aŭtomobilo venis profesoroj, kuracistoj, ĥirurgoj.

La homoj eniris, salutis, ilin renkontis kvazaŭ mastro la alta, kalva barbulo, bonaspekta.

Al li aliris profesoro Lozovskij, homo ĉirkaŭe tridekkvinjara, razita, en surtuto, kun nazumo, kun okuloj sin enŝovintaj en la angulojn de la okulkavoj.

— Jes, jes, vi scias...

La razito donis al la barbulo disŝiritan koverton kun lakumita sigelo. La barbulo elprenis paperfolion, ordigis la okulvitrojn, tralegis, — ree ordigis la okulvitrojn kaj mirante transdonis la folion al la tria.

La razito, solene:

— Kiel vi vidas, sekreta papero, preskaŭ ordono. Ĝin oni sendis al mi matene. Ĉu vi komprenas?

— La unua, la dua, la tria — fragmentoj de la interparoladoj, mallaŭte, rapide:

— Kiacele, do, konsultantaro?

— Min venigis speciala invito. La telegramo estis sendita en la nomo de la rektoro de l' universitato.

— La ĉefkomandanto Gavrilov, tiu, kiu...

— Jes, jes, revolucio, la ĉefkomandanto, formulo...

— Konsultantaro.

La elektra lumo ĵetadis akrajn ombrojn. — Unu dum la interparolado tenis butonon de blanka kitelo de la alia. Kelkaj ekpromenis tra la ĉambro...

Tiam: — post la pordo ektintis pafiloj, ekfrapis kalkanumoj, — la ruĝarmeanoj eksvenis en senmoveco; en la pordo aperis la alta junulo, gracia kiel kano, kun ordenoj de la Ruĝa Standardo sur la brusto kaj korde streĉiĝis. En la akceptejon rapidpaŝe eniris la ĉefkomandanto, li ŝovis per la mano la harojn dorsen, ordigis la kolumon de la militista bluzo kaj diris:

— Bonan tagon, kamaradoj! Ĉu vi ordonas senvestiĝi?

Tiam: — la profesoroj malrapide ekokupis la vakstolajn seĝojn, ili metis la kubutojn sur la tablon, ordigis la okulvitrojn kaj nazumojn kaj petis la malsanulon sidiĝi. La transdoninto de la papero, kun la okuloj sub nazumo enpremintaj sin en angulojn de la okulkavoj, diris al la barbulo:

— Paŭlo Ivanoviĉ, vi, kiel *primus inter pares*, mi opinias, ne rifuzos prezidi.

— Ĉu vi ordonas senvestiĝi? — demandis la ĉefkomandanto kaj ektuŝis per la mano la kolumon. La prezidanto de la konsultantaro, Paŭlo Ivanoviĉ, ŝajnigis, ke li ne aŭdis la demandon de la ĉefkomandanto kaj malrapide diris, sidiĝante sur la prezidantan lokon:

— Mi opinias, ke ni demandos la malsanulon, kiam li eksentis la simptomojn de la malsano kaj kiajn patologiaĵojn li eksentis. Poste ni esploros la malsanulon.

De tiu ĉi interkonsultiĝo restis nur paperfolio, surskribita per nelegebla profesora skribado.

Protokolo de la interkonsultiĝo kun partopreno de la profesoroj (sekvas sep nomoj):

La paciento, civitano Nikolao Ivanoviĉ Gavrilov plendas pri doloroj en la ĉirkaŭaĵo de la stomako, vomado kaj pirozo. Li ekmalsanis antaŭ du jaroj nerimarkeble por si. Dum la tuta tempo li kuracis sin hejme kaj veturis al kuraclokoj, sed nenio helpis. Laŭ la peto de la malsanulo estas kunvokita la interkonsultantaro el la supremenciitaj personoj.

*Status praesens.* La ĝenerala stato de la malsanulo kontentiga. La pulmoj — N. En la ĉirkaŭaĵoj de l' koro — negranda plilarĝiĝo, pulso plifortigita. Malforta *neŭrastenio.* En la ceteraj organoj — nenio atentinda. Konstatite, ke ĉe la malsanulo, verŝajne, troviĝas *ulcus ventriculi* kaj estas necese ĝin operacii.

La konsultantaro proponas operacii la malsanulon fare de profesoro Anatolo Kozmiĉ Lozovskij. Profesoro Paŭlo Ivanoviĉ Kokosov konsentis asisti dum la operacio.

La urbo, la dato, la sep subskriboj de l' profesoroj.

Poste, post la operacio, laŭ la privataj interparoladoj, estis konstatite, ke neniu profesoro opiniis la operacion necesa, sed dum la interkonsulto pri tio oni ne parolis. Sole la silentanta germano opiniis malnecesa la operacion, cetere ne insistante post la rediroj de la kolegoj. Ankoraŭ oni rakontis, ke post la interkonsulto, profesoro Kokosov (tiu kun la har-prikreskitaj okuloj), sidiĝante en aŭtomobilo, diris al profesoro Lozovskij: — »Ĉu vi scias, se mia frato havus tian malsanon, mi ne farus la operacion«, — je kio profesoro Lozovskij respondis: — »jes, kompreneble, sed... sed, la operacio ne estas ja danĝera«... La aŭtomobilo ekmuĝis, ekmoviĝis.

*



A. Farkas — *Malsana fratineto*

En la domo n-ro unua la rektstatura homo ankoraŭ ĉiam sidis en sia kabineto. La fenestroj estis hermetike kovritaj per kurtenoj. En la kameno daŭre brulis. La domo estis enprofundigita en silento, kvazaŭ daŭranta jarcentojn. La homo sidis sur la ligna seĝo. Nun antaŭ li estis malfermitaj dikaj libroj germanaj kaj anglaj. Enrigardante en ilin de tempo al tempo, li skribis per rektaj, klaraj literoj ruslingve en la germana Lainen Post. La malfermitaj libroj traktis pri ŝtato, juro kaj potenco. — En la kabineto lumo falis de la plafono kaj nun estis videbla la vizaĝo de l' homo; ĝi estis tre ĉiutaga, eble iom seka, sed ĉiuokaze tre koncentrigita kaj ne laca. La homo super la libroj kaj la notlibro sidis longe. Poste li eksonorigis, al li venis stenografistino. Li ekdiktis. La vojmontriloj de lia parolado estis U. S. S. R., Ameriko, Anglujo, — la terglobo kaj U. S. S. R., la anglaj pundoj-sterlingoj kaj rusaj pudoj da tritiko, — la amerika peza industrio, la ĉinaj labormanoj. — La homo parolis laŭte kaj peze kaj ĉiu lia frazo estis formulo.

Super la urbo naĝis la luno.

En tiu ĉi horo la ĉefkomandanto sidis ĉe Popov en ĉambro de la grandega hotelo, loĝata ekskluzive de komunistoj. Ili estis triope. Gavrilov sidis apud la tablo, sur liaj genuoj amuziĝis Nataŝka. Gavrilov bruligadis alumetojn; mire kiel povas miri nur infanoj, rigardis Nataŝka la fajron, — ŝi kunmetadis la lipojn tubetforme kaj spirblovis, la alumeto ne tuj estingiĝis, mankis la spirado, nur iom poste estingiĝis fine la alumeto, — kaj tiam tiom multe da miro, ravo kaj timo antaŭ la misteraĵo estis en la bluaj okuloj de Nataŝa, ke maleble estis ne ekbruligi la novan alumeton, — maleble ne klini la kapon antaŭ tio mistera, kion en si mem enhavis Nataŝa. — Poste Gavrilov kuŝigis Nataŝkan dormi, li eksidis apud ŝia liteto kaj diris: — »fermu la okulojn, mi ion kantos al vi«, — kaj ekkantis, ne scipovante kanti, konante nenian kanton, elpensante ĝin ĉi momente:

> »Alvenis kapreto kaj diris,
> dormu, dormu, dormu,«

Li ekridetis, ruze ekrigardis al Nataŝa kaj Popov kaj alfaris rimon al »diris«:

> »Alvenis kapreto kaj diris,
> dormu, dormu, dormu
> Bonan nokton — kaj foriris...

Nataŝa malfermis la okulojn, ekridetis kaj Gavrilov tion kantis per la mallerta voĉo (malbone li, tamen, kantis), ĝis kiam ekdormis Nataŝa.

Tiam Gavrilov kaj Popov duope trinkis teon.

Popov demandis: — »eble kuiri al vi la griaĵon?«

Ili sidis unu kontraŭ la alia, ili paroladis nelaŭte, malrapide, neniom rapidis, teon ili trinkis multe. Gavrilov trinkis el subtelereto, disbutonuminte la kolumon de la bluzo. Post diversaĵoj, pri ĉio kaj nenio dum la dua glaso da teo, ne ĝistrinkinte la duonon, Popov deŝovis la glason, eksilentis kaj diris:

Cu vi scias, Kola, ke mia Zina min forlasis kaj foriris al iu inĝeniero, kiun ŝi iam amis, diabloj tion scias. Mi ne juĝos ŝin kaj mi ne amas uzi maldecajn esprimojn, tamen mi devas diri, ke ŝi forkuris kiel hundino, nenion rakontinte, kaŝe. Kaj mi mem hontas. Mi trovis la homon en la fosaĵo, ĉe fronto, zorgis pri ŝi, amis, dorlotis ŝin, sed ŝi evidentiĝis sinjorinaĉo. Kvin jarojn mi vivis kun la homo, ne sciante ŝian veran valoron... — Kaj Popov detale rakontis pri ĉiuj bagatelaĵoj de l' disiĝo, kiuj estas

## La Rozoj de Saadi

— Marcelline Desbordes-Valmore —

> Kunporti al vi rozojn mi volis ĉi-matene,
> Sed tiom multe prenis en mia zon' katene,
> Ke la tro streĉaj nodoj ne povis ilin teni.
>
> La nodoj malligiĝis. La forflugintaj rozoj
> Al vento kaj al maro direktis sin por krozoj
> Laŭiris ili akvon celante ne reveni.
>
> Ruĝa kaj kvazaŭ flama aspektis la ondkresto.
> Ankoraŭ ĉi-vespere odoras mia vesto.
> Memoron bonodoran do venu sur mi preni.

El la franca: *Roger Bernard.*

## Pri la morto de junulino

— Évariste de Parny —

> Apenaŭ floris ŝia aĝo.
> Senpeka, freŝa, la vizaĝo
> Spegulis trajtojn de la am'.
> Post kelkaj tagoj, horoj, jam
> Estis floronta sento nova
> En ŝia pura kor' rektmova.
> Sed ŝian ĉarmon dura Sort'
> Kondamnis al tro frua mort'.
> Al Sort' la vivon ŝi redonis
> Kaj en senfinan dormon dronis,
> Sen plendi pri la leĝ' kruela.
> Tiel forpasas la ridet'.
> Tiel formortas en diskret'
> Arbara birdokanto hela.

El la franca: *Roger Bernard.*

ĉiam turmentaj nur pro sia bagateleco, post kiuj ne estas videblaj gravaĵoj. Tiam ili komencis paroli pri infanoj kaj Gavrilov pri sia familia vivo, pri siaj tri filetoj, pri sia edzino kiu jam maljuniĝis, sed, tamen, estas sola por la tuta vivo.

Forveturonte, la ĉefkomandanto diris:

— Donu al mi ion bonan por legi, ion pri la simplaj homoj, pri la vera amo, ion similantan al la »Infaneco kaj junaĝo«.

Popov havis multajn librojn, ili amase kuŝis en ĉiuj anguloj, — sed la simpla libro pri la simpla amo kaj vivo, pri la suno de l' homoj kaj iliaj simplaj ĝojoj — ne troviĝis ĉe Popov.

— Jen kia estas la revolucia literaturo — ekŝercis Gavrilov. — Nu, bone, mi refoje legos Tolstoj. Kiel bone li skribas pri la malnovaj gantoj dum la balo. — Gavrilov malsereniĝis, eksilentis kaj aldonis mallaŭte: — Mi, Aleŝka, al vi nenion diris por ne perdi vane la tempon. Hodiaŭ mi estis ĉe la estro kaj en la hospitalo ĉe profesoroj. La profesoroj multe cerbumadis... Mi ne volas, ke oni min buĉu, ĉio en mi protestas kontraŭ la operacio. Sed morgaŭ la tranĉilo jam atendas min. Venu en la hospitalon, ne forgesu la malnovan amikon. Nenion skribu al miaj infanetoj kaj edzino. Adiaŭ! — kaj Gavrilov eliris el la ĉambro ne preminte la manon de Popov.

Ĉe la hotelo atendis la fermita aŭtomobilo, Gav-

rilov eniĝis, ekdiris: — »hejmen, al la vagono«, — kaj la aŭtomobilo ekmoviĝis tra stratetoj. — Sur la flankaj reloj vagis la lumo, trakuris hundo kaj perdiĝis en la vasteco de l' nigra silento. Ĉe la ŝtupeto de la vagono staris gardanto, strečiĝinte ĉe la apudiro de la ĉefkomandanto. Ekaperis en la koridoro la servosoldato, montriĝis kapo de la konduktoro, — ekbrulis en la vagono elektra lumo, — kaj profunde blua, provinca silento estiĝis en la vagono. La ĉefkomandanto eniris en la dormokupeon, senbotiĝis, surmetis noktajn pantoflojn, disbutonumis la kolumon de la bluzo kaj eksonorigis: — »teon«. — Poste li eniris en la salonon kaj sidiĝis apud la tablolampo. La konduktoro alportis teon, sed la ĉefkomandanto ne ektuŝis ĝin. La ĉefkomandanto longe sidis super la libro, super la »Infaneco kaj junaĝo«, legis, pripensis la libron. Post tempo, la ĉefkomandanto iris en la dormokupeon, li revenis kun granda notlibro, eksonorigis, diris al sia servosoldato: — »bonvolu inkon«, — malrapide li ekskribis, pensante pri ĉiu frazo. Li skribis unu leteron, relegis, pripensis, engluis en koverton. Li skribis duan leteron, pripensis, gluis. Li skribis ankaŭ trian leteron, tre mallongan, ĝin li skribis rapidante,— algluis ne releginte. En la vagono regis profunda silento. La gardantoj ĉe ŝtupetoj kvazaŭ ŝtoniĝis. Silentis en la koridoro la servosoldato kaj konduktoro. Sajne haltis la tempo. La leteroj longe kuŝis antaŭ la ĉefkomandanto en blankaj kovertoj kun surskribitaj adresoj. Poste la ĉefkomandanto prenis grandan koverton, enmetis en ĝin ĉiujn tri leterojn, algluis kaj surskribis: — »malfermi post mia morto«.

## III.
### *Morto de Gavrilov.*

La unuan fojon neĝis dum la tago de l' morto de Gavrilov. La urbo kvietiĝis, blankiĝis, trankviliĝis. Sur la arboj post fenestroj pepadis paruetoj alflugintaj kune kun la unua neĝo.

Profesoro Paŭlo Ivanoviĉ Kokosov ĉiam vekiĝis je la sepa horo matene. Ankaŭ en la tago de la operacio li vekiĝis je la sama horo.

La profesoro elŝovis la kapon el sub la litkovrilo, kraĉektusis, eltiris la harkovritan manon al la nokttableto, trovis la okulvitrojn kaj ekrajdigis ilin sur la nazo. Post la fenestro sur betulbranĉo balanciĝis la neĝkovrita parueto. La profesoro surmetis la hejmvestaĵon, enigis la piedojn en la pantoflojn kaj ekiris en la banĉambron.

Kiam la profesoro vekiĝis, estis silente ankoraŭ en la hejmo. Sed kiam li eliris el la banĉambro, en la manĝoĉambro lia edzino Katarino Paŭlovna jam preparadis matenmanĝon kaj zumis samovaro.

— Bonan matenon, Paŭlo Ivanoviĉ, — diris la edzino.

— Bonan matenon, Katarino Paŭlovna, — diris la edzo.

La profesoro kisis manon de la edzino, eksidis kontraŭ ŝi, pli oportune ordigis la okulvitrojn sub la haroj. La profesoro silente ekglutis teon, intencante ion diri. Sed la kutiman dumtean babiladon interrompis telefonsonorado. La telefonsonoro estis nekutima. La profesoro severe ekrigardis la pordon de la kabineto, kie sonoradis la telefono, suspekteme ekrigardis la edzinon, tiun ĉi jam maljuniĝintan, grasan virinon en la japana kimono, leviĝis kaj suspekteme aliris al la telefono. Post momento ekaŭdiĝis la vortoj de l' profesoro, diritaj per maljunula voĉo, grumbleme:

— Mi aŭdas! Kiu parolas? Pri kio temas?

Oni respondis, ke oni parolas el la stabejo. Sciante, ke la operacio estas fiksita je la duono de la naŭa, oni demandas el la stabo, ĉu eble ion li bezonas, ĉu alsendi aŭtomobilon.

La profesoro subite ekkoleris kaj grumble ekmurmuris en la telefonaŭskultilon!

— Mi servas al la socio, sed ne al privataj personoj kaj en la hospitalon mi ĉiam veturas per tramo. Jes, jes, mi plenumas mian devon nur laŭ mia konscienco. Kaj ankaŭ hodiaŭ mi ne vidas kaŭzon ne veturi per tramo.

La profesoro laŭte ĵetis la telefontubon, ĉesiginte la interparoladon, kaj grumblante li revenis al la tablo, al la edzino kaj al la teo. Li ekmordetis la lipharojn kaj baldaŭ trankviliĝis. El post la okulvitroj estis videblaj seriozaj kaj saĝaj okuloj.

La profesoro diris mallaŭte:

— Se en iu vilaĝo ekmalsanos, ni diru, kamparano Ivan. Do li kuŝos dum tri semajnoj apud forno, poste li preĝos, ekĝemos, interkonsultos kun la tuta familio kaj forveturos al la distrikta hospitalo al kuracisto Petro Ivanoviĉ. Petro Ivanoviĉ konas Ivanon ekde dekkvin jaroj, dum tiu tempo Ivan donacis pli ol dekduon da kokinoj al la doktoro, kiu ekkonis ĉiujn liajn infanojn. Ivan alvenos, humile salutos kaj donacos la kokinon. Petro Ivanoviĉ esploros, pripensos kaj se estos necese — li faros operacion, trankvile, senbrue, precize — ne pli malbone ol mi estus ĝin



A. Farkas *Patrino el la periferio*

# Poemoj de Eino Leino

El la finna: L. I. L.

## Ŝi paŝas sur floroj

Jen, kvazaŭ sur floroj paŝas ŝi,
melodi' estas ŝia iro,
gracie moviĝas la bela tali',
— mi vidas kun muta admiro.

Se estos la liro en mia posed'
kaj mia talento fortos,
sur floroj nur paŝos ŝia pied',
kaj ondoj de versoj ŝin portos!

## Vero — malvero

Sufiĉe mi serĉis veron jam,
vi estu por mi la vero,
vi gvidu min tage en labor',
dormigu min en vespero.

Ĉu vi preferus esti malver',
ĉu tion vi plie ŝatus?
Egale, ĉu vero, malver' — se nur
por mi via koro batus!

## Petolaĵo de la koro

En tombon la koron mi ĵetis,
kaj belan florkronon surmetis;
la homoj rigardis admire en ver'.
Sed jen: mi ekvidis kun koler':
La koro mem tie, gaje, aplombe
ja staras admire, ravita ĉetombe.

## Mi estas sovaĝa indiano . . .

Mi estas sovaĝa indiano
vi blankulin',
mi kaptis kaj portis vin al kabano,
vi lasis ĝin.

Mi kuras post mia blankulino
kun korsufer'.
Jen paŝis piedeto en mokazino
sur muska ter'.

Ŝi paŝis ĉi tie kaj plu rapidis —
mi vidas ĝin.
Sed de kie venis kaj kien rapidis
la karulin'?

## Maristo en sia kajuto

Du sekajn foliojn mi havas en man',
de konvalfloretoj paron;
du nigrajn okulojn en la memor'
mi havas, kaj nigran hararon.

Kion pensas ŝi eble en nuna moment',
ĉu estas feliĉa, ĉu ploras?
Ĉu larmas okul' pro sopira sent',
ĉu rido senzorga sonoras?

Ne estu en belaj okuloj plor',
nek ridu la buŝo rubena.
Sed se ŝi rigardus al maro for
— mia menso estus serena.

## Ni vagas . . .

Ni vagas kvazaŭ en griza krepusko,
kaj voĉoj sin vokas tra nokta nebul',
mi paŝas malfirme, kvazaŭ sur musko,
kaj vivo de hom' estas ombro nur.

Sed se du voĉoj akordas same
erare vagantaj en morna vesper',
kaj se du ombroj alpremas sin ame —
ĝi estas ja bela — ho, bela en ver'.

## Kanto ĉe tombo

Kuras river' kun senpaca ondaro,
granda kaj bela nur estas la maro.
Dormu en maro, rivero.

Vento elŝiras folion facile.
Estas en valo ripozi trankvile.
Dormu en valo, folio.

Stelon estingas matena aŭroro.
Vivo ne ĉesas kun halto de l' koro.
Dormu en suno, steleto.

## Ŝipon tiras rivero

Ŝipon tiras river'.
Kie estas la cel'?
La ondoj al la ŝipo sin ĵetas.
Kio estas la hom'?
Maltrankvila vaglum'.
La piedojn jam ter' altiretas.
Jen, unu vivas gaje — alia en dolor'
sed ĉiu ja horloĝon havas en la kor';
se ĝi ekhaltas, jam la tombo pretas.
Ŝipon tiras river'.

Kie estas la cel'?
Fortika estas peka kateno.
Post mallonga moment'
estingiĝas la sent',
postrestas nur da cindro manpleno.
Sed pekoj nur pliiĝas, kaj jam en la lulil'
de l' patro la malvirtojn heredas ja la fil'
kaj la animo pezas de malbeno.
Kie estas la cel'?

Kie estas la cel'?
Tio estos por ĉiam sekreto.
Mar', ĉielo kaj ter',
ĉies sorto: malaper' —
kiel restus l' animo de hometo?
Sed estas tamen dolĉa revo de la kor':
alvenos nova tempo, ekbrilos la aŭror',
kaj blovos de l' montaro freŝa vento.
Eble estas malver'?

Sed estas mia rev':
vekiĝos iam mondo la bela.
Lupo pacos kun ŝaf',
ne ektondros mortpaf',
sed ĉesos la milito kruela.
Kaj ĉiu bela penso libere kaj sen bar'
jam iĝos efektiva por beno de l' homar'.
Do: restu al l' ideo fidela!
Eble estas malver'?

## Templano

Kuraĝe alvokis la brava templan':
»Ĉu tombon la sanktan jam perdus ni?
Ja restas ses viroj kun glavo en man'.
Antaŭen sen timo, en nomo de Di'!«

Saracenoj atakis. »Do restas nur tri,
ja tio sufiĉas. — Jen, staras nur du,
nur unu plu staras — necesas ne pli.«
La sojlo ruĝiĝas de sangoflu'.

Gis nokto batalis la sola krucist'.
Saracenoj atakis. Li staras nun
ĉe l' tombo kun firma, sentima rezist'.
Sur glavo rebrilas radioj de lun'.

Saracenoj ekkriis kun timo kaj mir':
»do kial ne vundas lin glava pint'?
Nin helpu, ho Allah, ja havas la vir'
okulojn fermitajn — li estas mortint'!«

Foriris venkintoj de l' sankta lok'.
Sed diras legendo: en ĉiu aŭtun'
templano ekstaras ĉe l' tombo sur rok'.
Sur glavo rebrilas radioj de lun'.

Kaj sonas ĉirkaŭe anĝela ĥor':
»kiu vivis por sia ideo kaj ver',
neniam li mortos, li dormas nur,
kaj levas la glavon por frapo el ter'.«

## Bele ja glitas sur neĝo la sklo

Bele ja glitas sur neĝo la ski',
se brila ĉielo altas
kaj kuŝas la kampo en blanka silent' —
sed estas pli gaje, se hurlas la vent',
se muĝas l' arbaro, kaj en la aer'
neĝeroj en ŝtormo saltas.

Bele ja glitas sur neĝo la ski',
kun kamarado bonvola
sur preta spuro, ebena teren' —
sed estas pli bone kun streĉo kaj pen'
tra alta neĝo mem ŝovi sin,
kaj spiti la nokton sola.

Bele ja glitas sur neĝo la ski',
se estas konata la celo
kaj hejmo agrabla atendas en fin' —
sed estas pli brave laŭ blinda destin'
veturi sur vojoj variaj de l' sort'
sen ia gvidanta stelo.

Kaj bele ja glitas sur neĝo la ski',
se ĝojo en koro ridas
kaj nokton hele lumigas l' esper' —
sed eblas kurado en granda sufer',
dum ŝvitas la frunto kaj pezas la kor'
kaj morto la vojon gvidas.

## Via rido

Via rido, ĝi tiel ravas min
kiel trilo de noktaj merloj
kaj kanto kukola en ora vesper'.
Kiel ĉeno de helaj perloj
via rido faladas kun vibra tint'.
Via rido sonoras kaj brilas.
Se oni nur foje aŭskultis ĝin,
ĝi ĉiam en koro trilas.

Via rido, ĝi tiel timigas min
kiel akra tranĉilo la beston.
Se foje nur trafis viron la rid',
li sonĝos la vivo-reston.
Via rido karesas kun turment',
ĝi donas suferon kaj ĝojon,
ĝi povas aŭ ravi aŭ peli al mort' —
se mi ĝin reaŭdus fojon!

---

farinta. Kaj se ne sukcesos la operacio, Ivan mortos, oni metos krucon sur la tombon kaj estos jam fino... Aŭ ni supozu, ke venas al mi civitano Anatolo Jurjeviĉ Svinckij. Li rakontos al mi ĉion tre detale. Mi lin esploros ne unu fojon, sed sep, bone konatiĝos kun lia malsano kaj mi diros al li: — Iru, civitano, hejmen, estu singarda kaj vi travivos kun via ulcero pluajn kvindek jarojn, kaj se vi mortos, kion fari. Tia estas la Dia volo! Kaj se li diros: — »faru la operacion!« — mi faros; se li ne volas — neniam mi tranĉos lin.

La profesoro eksilentis:

— Hodiaŭ mi asistos en la hospitalo ĉe la operacio de bolŝeviko; la ĉefkomandanto Gavrilov.

— Tiu, pri kiu en la bolŝevikaj gazetoj... diris Katarino Paŭlovna, — terura nomo! Sed kial vi operacios lin.

— Nenio terura estas, sed kial lin operacias Lozovskij? Nun estas tia tempo, ke la junaj estas modaj. Ilin, do, oni protektas. Sed, verdire, la malsanulon neniu konas, malgraŭ ke lin palpis, esploris kaj esploradis diversmaniere ĉiuj niaj famuloj. Sed la ĉefaĵo estas, ke ili la homon ne konas, rilatas al li ne kiel al homo, sed kiel al formulo — generalo n-ro... pri kiu oni skribas en la gazetoj por timigi la homojn. Kaj malsukcesu la operacio, tiam...

La ĉambro de profesoro Anatolo Lozovskij ne similis tiun de Kokosov. Se la loĝejo de Kokosov konservis la stilon de la naŭdekaj jaroj, la loĝejo de Lozovskij kreiĝis de la jaro mil naŭcent sep ĝis naŭcent dek ses. Troviĝis tie pezaj pordokurtenoj, larĝa kanapo, sur kverka skribotablo ridetis bronzaj nudaj virinoj-kandelingoj, la muroj estis kovritaj per tapiŝoj, sur kiuj pendis ne tro bongustaj bildoj.

Lozovskij dormis sur la kanapo, ne sola, sed kun bela, juna virino, — lia amelumita ĉemizo kuŝis sur la tapiŝo sur la planko. Lozovskij vekiĝis, kisis la ŝultron de la virino kaj vigle leviĝis. Li ektiris ŝnureton de la fenestrokurteno. La peza drapa kurteno enrampis en angulon kaj en la ĉambron eniris la neĝa tago. Goje, kiel povas rigardi nur homoj tre ŝatantaj la vivon en si mem, Lozovskij ekrigardis la straton, neĝon, ĉielon.

En tiu momento eksonoris telefono. La telefono estis lokita super la kanapo, ĉe la tapiŝo. La profesoro prenis la aŭskultilon: — »jes, jes, mi aŭdas«. La stabo demandis, ĉu alsendi aŭtomobilon?

— Jes, jes, mi petas! Pri la operacio ne maltrankviliĝu. Mi estas konvinkita pri la sukcesa rezulto. Kaj la aŭtomobilon bonvolu sendi iom pli frue, ĉar antaŭ la operacio mi devas ankoraŭ ion plenumi. Do je la oka! Mi atendas.

En la tago de la operacio, matene, Popov venis al Gavrilov. Estis ankoraŭ mallume kaj lumis lampoj. Sed ili ne sukcesis interparoli, ĉar la flegistino for-

kondukis lin en banĉambron fari la lastan klisteron. Forirante tien, Gavrilov diris:

— Tralegu, Aleŝa, en »La junaĝo« de Tolstoj pri tio, kio estas »comme il faut« kaj kio ĝi ne estas. Bone la maljunulo sentis la sangon! — Tio estis la lastaj vortoj antaŭ la morto, kiujn aŭdis Popov de Gavrilov.

Antaŭ la operacio en la koridoro, kondukanta de la operaciejo al la ĉambro de Gavrilov, rapide moviĝis homoj, oni flustris kaj senbrue tumultis. Vespere, antaŭ la operacio, oni enŝovis al Gavrilov en la digestkanalon la gutaperkan sondilon, sifonon per kiu oni elpumpas la stomaksukon kaj tralavas la stomakon, — tia ilo el gutaperko elvokas ĉiam naŭzon kaj influas la psikon, kvazaŭ ĝi estus kreita nur por humiligi la homan indecon. Matene antaŭ la operacio oni faris al li klisteron la lastan fojon. En la operaciejon Gavrilov venis en la hospitala vestaĵo, en la hospitalaj peztolaj kalŝono kaj ĉemizo kun laĉetoj anstataŭ butonoj. Sur la nudaj piedoj li surhavis la numeritajn hospitalajn pantoflojn. La tolaĵo sur li estis ĵus freŝe ŝanĝita, sterila. Gavrilov estis pala, maldikiĝinta, laca.

En la antaŭoperaciejo muĝis alkoholaj brulmaŝinetoj, bolis longaj nikelaj skatoloj, silentis homoj en blankaj kiteloj. La operaciejo estas tre granda ĉambro, kies planko, muroj, plafono estis blanke kolorigitaj. En la operaciejo estis nekutime lume, ĉar unu muro formis grandan fenestron, post kiu vidiĝis la rivero. Meze de la ĉambrego staris longa, blanka tablo operacia. Ĉi tie Kokosov kaj Lozovskij renkontis la ĉefkomandanton. Ili ambaŭ estis en blankaj kiteloj kaj surhavis sur la kapoj blankajn kufojn, similigantaj ilin al kuiristoj. Kokosov ankoraŭ kovris sian barbon, ekstere lasinte la harkovritajn okulojn. Apud la muro staris deko da homoj en blankaj kiteloj.

Gavrilov, akompanata de flegistino, eniris trankvile en la ĉambron, silente sin klinis al la profesoroj, aliris al la tablo, krucigis la manojn sur la dorso kaj ekrigardis tra la fenestro la malproksime fluantan riveron. Alia flegistino enportis sur hoko bolantan sterilujon, longan nikelan skatolon.

Lozovskij flustre demandis al Kokosov:

— Ĉu ni komencu?

— Bone — respondis Kokosov.

La profesoroj ree kelkfoje lavis la manojn per sublimato kaj jodtinkturo. La narkotanto kontrolis la maskon, ektuŝis la baloneton.

— Kamarado Gavrilov, ni komencas — diris Lozovskij. — Bonvolu kuŝiĝi sur la tablo. La pantoflojn deprenu.

Gavrilov ekrigardis al la flegistino kaj iom honteme levetis la ĉemizon. La flegistino alrigardis lin kiel objekton kaj ekridetis kiel al infano. Gavrilov sidiĝis sur la tablo, demetis la pantoflojn kaj rapide kuŝiĝis sur la tablo, alie metinte sub la kapo la apogcilindron kaj fermis la okulojn. La flegistino rapide, kutime kaj senĝene, kunligis la rimenojn sur la piedoj, alfiksis la homon al la tablo. La narkotanto metis sur la okulojn de la malsanulo viŝtukon, ŝmiris la nazon kaj buŝon per vazelino, survizaĝigis la maskon, prenis la manon per aŭskulti la pulson kaj surverŝis la maskon per kloroformo. Tra la ĉambro disiĝis la dolĉa, naŭza, sufokanta odoro de kloroformo.

La narkotanto notis la horon de la komenco de l'operacio. La profesoroj deiris al la fenestro. La flegistino per premiloj elmetis sur la sterilan gazon sterilajn skalpelojn, pinĉtenilетojn, peanojn, kudrilojn, silkfadenojn, tukojn. La narkotanto alverŝis kloroformon. En la ĉambrego regis silento. La malsanulo ekmovis la kapon kaj ekĝemis.

— Mankas la spirado, forprenu la maskon diris Gavrilov, grincante per la dentoj.

— Atendu momenton — respondis la narkotanto.

Post kelkaj minutoj la malsanulo ekkantis kaj ekparolis:

— La glacio jam degelis, liberiĝis la river', la knabino enamiĝis, — ekkantis la ĉefkomandanto kaj — ekmurmuris: — kaj vi dormu, dormu, dormu. — Li eksilentis kaj diris severtone:

— Ne donu plu al mi la sorpaĵon, ĝi tedas, tio ne estas comme il faut. — Eksilentinte, li ekkriis severe, tiel li verŝajne ordonadis dum la bataloj: — Ne malantaŭeniĝu! Eĉ nun paŝon! Mi mortpafos!... Aleŝka, frato! Ni ien rapidegas, la tero ne estas jam videbla. Mi ĉion memoras. Tiam mi scias, kio estas revolucio, mi konas ĝian forton. Kaj mi ne timas la morton. — Kaj ree li ekkantis:

— Post Uralo loĝas iu, nekonata ĉarpentist'!... Kara mia, kara mia...

— Kiel vi fartas? Ĉu vi ne volas dormi? — demandis mallaŭte la narkotanto.

Gavrilov respondis per la kutima voĉo, ankaŭ mallaŭte:

— Ne tro malbone. Sed mankas la spirado.

— Ankoraŭ atendu iom, — diris la narkotanto kaj alverŝis kloroformon.

Kokosov maltrankvile ekrigardis horloĝon, sin klinis super paperfolion kaj legis ĝin.

Ekzistas organismoj, kiuj sentas idiosinkrazion al tiuj aŭ aliaj narkotaĵoj. Oni dormigadis la ĉefkomandanton dudek sep minutojn.

Kokosov alvokis la junan asistanton, eltiris la vizaĝon kaj petis, ke li reloku la okulvitrojn sur la nazon de la profesoro. La narkotanto zorgeme ekflustris al Lozovskij:

— Eble rezigni kaj ŝanĝi kloroformon je etero?

Lozovskij respondis:

— Ni provu ankoraŭ per kloroformo. Aliokaze oni devos prokrasti la operacion. Maloportune.

Kokosov severe ĉirkaŭrigardis kaj zorgeme mallevis la okulojn. La narkotanto alverŝis ankoraŭ kloroformon. La profesoroj silentis.

Gavrilov fine ekdormis je la kvardek oka minuto. Tiam la profesoroj lastfoje frotis la manojn per alkoholo. La flegistino nudigis la ventron de Gavrilov, la mondon ekrigardis la maldikaj ripoj kaj entirita ventro.

La operaciotan lokon profesoro Kokosov larĝe surŝmiris per alkoholo, benzino kaj jodtinkturo. La flegistino donis litotukojn por kovri la piedojn kaj kapon de Gavrilov. La flegistino elverŝis duonon de botelo da jodtinkturo sur la manojn de profesoro Lozovskij.

Lozovskij prenis skalpelon kaj kondukis ĝin sur la haŭto. Ekŝprucis sango kaj la haŭto disiĝis flanken. El sub la haŭto aperis graso flava, kiel sur ŝafaĵo, kuŝanta tavole, kun interloke troviĝantaj sangvazoj. Lozovskij ankoraŭfoje tranĉis la homan karnon, distranĉis violajn muskolojn kaj blankajn, brilajn tendenojn. Kokosov per peanoj — nesupozite gracie laŭ sia staturo — premadis la sangantajn vazojn. Per la alia skalpelo Lozovskij tratranĉis la ventran diafragmon. La profesoro lasis la skalpelon kaj per sterilaj tukoj forviŝis la sangon. En la tranĉaĵo estis videblaj intestoj kaj la lakteblua sako de la stomako. Lozovskij enigis

sian manon en la intestojn, turnis la stomakon, ekpalpis ĝin.

Sur la brilanta karno de l' stomako, en tiu loko, kie devus troviĝi la ulcero — estis blanka, kvazaŭ skulptita el vakso, similanta al pupo de la rubskarabo — cikatro, montranta, ke la vundo jam resaniĝis, atestanta, ke la operacio estis sencela, superflua.

Sed en tiu ĉi momento, en la sama momento, kiam la stomako de Gavrilov estis en la manoj de profesoro Lozovskij...

— Pulso! Pulso! — ekkriis la narkotanto.

— Spirado! — ŝajne mekanike aldonis Kokosov.

Kaj tiam oni povis rimarki, kiel el post la haroj kaj okulvitroj elrampis la tre koleraj, terure koleraj okuloj de Kokosov, ili elrampis kaj flankeniĝis. La okuloj de Lozovskij, sidantaj en la anguloj de la okulkavoj, ankoraŭ pli mallarĝiĝis, ili foriris internen, koncentriĝis, kunfandiĝis en unu okulon, terure akran.

La malsanulo ne havis pulson, la koro ne batis, mankis la spirado, glaciiĝis la piedoj.

Tio estis kora ŝoko: la organismo, neakceptanta la kloroformon, estis venenita de ĝi. Tio montris definitive, ke la homo neniam plu leviĝos al la vivo, ke la homo devas morti, ke per la artaj spiradoj, oksigeno, kamforo, fiziologia solvaĵo oni povas prokrasti la certan morton je horo, dek, tridek, ne pli multe, ke al la homo ne revenos plu konscio, ke la homo, fakte, jam mortis.

Estis klare, ke Gavrilov devas morti sub la tranĉilo, sur la operacia tablo.

Profesoro Kokosov turnis al la flegistino sian vizaĝon, eltiris ĝin antaŭen, por ke ŝi reloku la okulvitrojn kaj ekkriis:

— Malfermu la fenestron! Kamforon! Preparu fiziologian solvaĵon!

La silenta asistantaro estiĝis ankoraŭ pli silenta. Kokosov, kvazaŭ nenio estus okazinta, sin klinis super la instrumentojn sur la tableto, ĉirkaŭrigardis ilin, silentis. Lozovskij ankaŭ sin klinis apud Kokosov.

— Paŭlo Ivanoviĉ, — diris flustre kaj kolere Lozovskij.

— Nu? — respondis Kokosov laŭte.

— Paŭlo Ivanoviĉ?.. — ankoraŭ pli mallaŭte diris Lozovskij, jam nun ne kolere.

— Nu? — laŭte respondis Kokosov kaj diris: — daŭrigu la operacion!

Ambaŭ profesoroj rektiĝis, rigardis unu la alian; ĉe unu, du okuloj kunfandiĝis en unu; ĉe la alia, la okuloj elrampis el inter la haroj. Lozovskij por momento sin deŝovis de Kokosov; kvazaŭ pro ekbato kaj kvazaŭ serĉante perspektivon, duiĝis la okulo, ekvagis — kaj poste ree kunfandiĝis pli akre, pli klare. — Lozovskij ekmurmuris:

— Paŭlo Ivanoviĉ...

Kaj li mallevis la manojn sur la vundon: li ĝin ne kunkudris, sed nur ŝtopis la internajn tavolojn, li kunligis la haŭton kaj komencis fliki nur ĝiajn suprajn tavolojn. Lozovskij ordonis:

— Liberigu la manojn, — artan spiradon!

La grandega fenestro en la operaciejo estis malfermita kaj en la ĉambregon eniris la frosto de unua neĝo. Kamforo jam estis injektita en la homon. Kokosov, kune kun la narkotanto, dekurbigis la manojn de Gavrilov malantaŭen kaj levadis ilin supren, devigante la homon spiradi. Lozovskij flikadis la vundon. — Li ekkriis.

— La fiziologian solvaĵon!

Kaj asistantino enŝovis en la bruston de l' homo du dikajn, kiel cigaredoj, elŝprucigilojn, por per ili enverŝi en la sangon de l' mortinto mil kubetojn da fluida salo, devanta subteni la sangpremon. La vizaĝo de l' homo estis senviva, blua, la lipoj violkoloriĝis.

Tiam oni deligis Gavrilov de la tablo, oni metis lin sur la tablon kun radetoj kaj forveturigis en lian ĉambron. Lia koro batadis kaj li spiris, sed konscio ne revenis al li, kaj eble ĝi ne revenis ĝis la lasta momento, kiam ĉesis bati la trokamforumita kaj artetrosaligita koro, kiam li — post tridek sep horoj — estante forlasita de kuracistoj kaj kamforo — mortis. Eble tial, ke ĝis la lasta minuto oni neniun allasis al li, krom du profesoroj kaj flegistino, sed antaŭ la horo, kiam oni oficiale sciigis pri la morto de la ĉefkomandanto Gavrilov — hazarda najbaro en la apuda ĉambro aŭdis strangajn sonojn, kvazaŭ frapetis la homo, kiel en malliberejoj signalfrapetas arestitoj. Tie, en la ĉambro, kuŝis dumvive-mortinta homo, trokamforumita tial, ĉar en la medicino ekzistas etika kutimo ne allasi la morton de l' homo sub operacia tranĉilo.

La operacio komenciĝis je la oka horo tridek naŭ minutoj kaj oni forveturigis Gavrilov el la operaciejo sur la tablo kun radetoj je la dekunua horo dekunu minutoj. Tiam, servisto en la koridoro diris, ke profesoron Lozovskij oni dufoje telefone postulis el la domo n-ro unua. La profesoro aliris al la oficejo, kie troviĝis telefono, al fenestro, staris iom, rigardis la unuan neĝon, ekmordetis la fingrojn kaj revenis al telefonaparato. Li eniĝis en tiun telefonan reton, kiu



A. Farkas *Desegno*

havis nur tridek-kvardek kondukilojn, klinis sin al la telefontubeto kaj diris, ke la operacio sukcesis, sed ke la malsanulo estas tre malfortiĝinta, la kuracistoj trovis lian staton danĝera kaj li petis pardonon pro neebla tuja alveturo.

Gavrilov mortis, — tio estas, profesoro Lozovskij eliris el lia ĉambro kun blanka paperfolio kaj, klininte la kapon, li malĝoje kaj solene sciigis, ke la malsana ĉefkomandanto, civitano Nikolao Ivanoviĉ Gavrilov, je la plej granda bedaŭro, finis la vivon je la unua horo deksep minutoj post la noktmezo.

Post tri kvaronhoroj, kiam finiĝis la dua horo de l' nokto, en la korton de la hospitalo eniris taĉmentoj da ruĝarmeanoj kaj en ĉiuj koridoroj, sur ĉiuj ŝtuparoj, stariĝis honorpostenoj. En tiu ĉi horo sur la ĉielo rampis nuboj kaj post ili rapidis la plena luno laca rapidi. En tiu ĉi horo, en la fermita Rolls-Royce, profesoro Lozovskij veturis en la domon n-ro unua; la aŭtomobilo senbrue eniris en la pordegon, apud la gardantoj kaj haltis ĉe la vestiblo, — gardanto malfermis la pordeton. Lozovskij eniris en tiun kabineton, kie sur la ruĝa drapo staris tri telefonaj aparatoj kaj post la skribotablo, sur la muro, taĉmente viciĝis la sonoriloj.

La interparolado okazinta en tiu ĉi kabineto estas nekonata, sed ĝi daŭris nur tri minutojn; Lozovskij eliris el la kabineto — el la vestiblo — al la korto — rapidpaŝe, kun mantelo kaj ĉapelo en la manoj, similanta al la herooj de Hofmann. La aŭtomobilo jam forestis. Lozovskij iris balanciĝante kvazaŭ li estus drinkinta... La stratoj balanciĝis sub la luno en la senmova dezerto de l' nokto, kune kun Lozovskij.

Lozovskij — kiel heroo de Hofmann — eliris el la kabineto de la domo n-ro unua. En la kabineto de la domo n-ro unua restis la rektstatura homo. Li longe staris ĉe la tablo, forte apogante sin sur ĝi per pugnoj. La kapo de la homo estis klinita. La homon oni deŝiris de liaj paperoj kaj formuloj. — Kaj subite la homo ekmoviĝis. Liaj movoj estis rektangulaj kaj formulecaj, kiel la formuloj diktitaj de li dum noktoj al stenografistino. Li ekmoviĝis tre rapide. Li premis la sonorilbutonon post si, deprenis la telefontubon kaj diris al la deĵoranto: — »malfermitan aŭtomobilon«! En la telefontubon li diris al tiu, kiu verŝajne jam dormis kaj estis en la trio de la unuaj, — lia voĉo estis malforta: — »Andreo, kara! Ankoraŭ foriris homo — Kola Gavrilov mortis, forestas jam la batalkamarado. Telefonu al Pofapo, Karulo.«

Al la ŝoforo la rektstatura homo ordonis: — »en la hospitalon!«

En la nigra trairejo staris gardantoj. La domo mutis, kiel decas muti tie, kie estas morto.

La rektstatura homo, — tra la nigraj koridoroj, — venis al la ĉambro de la ĉefkomandanto Gavrilov. La homo eniris en la ĉambron — tie sur la lito kuŝis la kadavro de la ĉefkomandanto, tre sufoke odoris kamforo.

Ĉiuj eliris el la ĉambro — tie restis: la rektstatura homo kaj la kadavro de la homo Gavrilov. La homo eksidis sur la lito apud la piedoj de l' mortinto. La manoj de Gavrilov kuŝis sub litokovrilo laŭlonge de la korpo. La homo longe sidis apud la kadavro, sin klininte, enpensiĝinte. Silento regis en la ĉambro. La homo prenis la manon de Gavrilov, ĝin premis kaj diris:

— Adiaŭ, kamarado! Adiaŭ, frato!

La rektstatura, nekurbiĝanta homo eliris el la ĉambro, klininte la kapon kaj diris, neniun rigardante:

— Malfermu fenestron en la ĉambro, oni ne povas tie spiri! — Kaj rapide li foriris tra la nigra koridoro.

### IV.

Vespere, post la entombigo de la ĉefkomandanto Gavrilov, kiam estis fortondrintaj la kupraj trumpetoj kaj trombonoj de militistaj orkestroj, kiam klinitaj estis en funebro la standardoj, trairintaj miloj da entombigantoj kaj la kadavro de l' homo glaciiĝis en la tero kune kun ĝi, — Popov ekdormis ĉe si en la hotelĉambro kaj vekiĝis apud la tablo en horo por si nekomprenebla. En la hotelĉambro estis mallume, kaj silente ploris Nataŝa. Popov kliniĝis super la filino, prenis ŝin en la brakojn kaj iom portis ŝin tra la ĉambro.

En la fenestron rampis la brila luno, laca rapidi. Popov aliris al la fenestro, ekrigardis al la neĝo sur la strato, al la silento de l' nokto. Natala deiris de la manoj de Popov kaj staris en la fenestroniĉo.

En la poŝo de Popov kuŝis letero de Gavrilov, tiu lasta letereto, skribita de li en la nokto antaŭ foriro en la hospitalon. En ĝi estis skribite:

»Aleŝa, frato! Mi ja sciis, ke mi mortos. Pardonu min, sed vi ĵam ne estas, ja, juna. Mi lulis vian filineton kaj pripensis. Ankaŭ mia edzino estas maljuna kaj vi konas ŝin dudek jarojn. Ankaŭ al ŝi mi skribis. Kaj vi skribu al ŝi. Loĝu kune, eble geedziĝu, La infanojn eduku. Adiaŭ, Aleŝa!«

Nataŝa staris en la fenestroniĉo, kaj Popov ekvidis: ŝi plenblovadis la vangojn, tubetforme kunmetadis la lipojn, rigardis la lunon, celis en ĝin kaj spirblovadis al ĝi.

— Kion vi faras, Nataŝa? — demandis la patro.

— Mi volas estingi la lumon, — respondis Nataŝa.

La plena, pufa luno naĝis post la nuboj kaj lacis rapidi.

Tio ĉi estis la horo, kiam vekiĝadis la maŝino de l' urbo, kiam muĝis uzinaj sirenoj. Ili muĝis longe, malrapide, unu, du, tri — multaj kunfandiĝante super la urbo en la grizan hurladon. Estis tute komprenebla, ke per tiuj ĉi sirenoj plorhurlas la animo de l' urbo, frostigita hodiaŭ de la luno.

El la rusa: *I. Dratwer.*

## Interrespondoj

— Charles Baudelaire —

Naturo estas templo, kie ofte mistike
Kolonoj vivaj vibras per konfuzaj paroloj.
La hom' trapasas tie arbaron da simboloj,
Kiuj lin rigardadas intime kaj amike.

Kiel la longaj eĥoj, kiuj de fore ondas
Fandite en tenebra kaj profundega kuno,
Vasta kiel la nokto kaj vasta kiel lumo,
Koloroj kaj odoroj kaj sonoj sin respondas.

Estas parfumoj freŝaj, kiel karnoj infanaj,
Dolĉaj kiel hobojoj, verdaj kiel pejzaĝoj,
— Estas aliaj, riĉaj, triumfaj kaj satanaj,

Havantaj la disvaston de la senfinaj ajoj,
Kiel la ambroj, moskoj, benzooj kaj incensoj,
Kantantaj la ebrion de la spirit' kaj sensoj.

*(K. Kalocsay.)*

# TANASE SKATIU

**— Duiliu Zamfirescu —**

*(Fragmento el historia romano)*

## XI.

Unu monaton post la ĝisnunaj okazintaĵoj, Miĥaelo, kun siaj fratino kaj bofrato, vojaĝis denove al Tinkuca, sed tiun ĉi fojon por porti ŝin al la tombejo.

Depeŝo de Skatiu, antaŭ du tagoj, vokis ilin kaj petis alporti du doktorojn, la plej grandajn el Bukureŝto, »sen konsidero pri la prezo«, alia depeŝo subskribita »la plej malfeliĉa homo« sciigis ilin, ke »ĉio finiĝis!«.

Estis en januaro. La frosto rigidigis la tutan vojon. La dezertaj stratoj grincis sub la piedoj de malofta pasanto, foje-foje malplena glitveturilo, kun du bovoj ŝrumpintaj, iris al la barilo.

Neniam vidis Miĥaelo la malgajecon de l' aferoj en pli ĝusta lumo. Triope kunpremitaj en la glitveturilo de Skatiu, ili silentis. Ĉiu sentis la pezon de la baldaŭ aperonta morto.

Vere oni vidis de malproksime la pordegon de Skatiu, vestitan per nigra, granda kovrilo. Kelkaj kaleŝoj eniris kaj eliĝis sensence, malplene, aŭ kun nekonatoj.

La unua konatulino estis Sinjorina Moŝto Porfira. Je tinto de l' sonoriletoj, ŝi elvenis el sia malsupra ĉambro kaj komencis veplendi. Ŝi kisis ĉiujn tri sur ambaŭ vangoj, plorkantante la saman malgajan melodion ritman: »Tinkuca panjo, Tinkuca panjo!«

Post ilia supreniro, ŝi vokis Kostea-n al si, la manojn metis sur la koksojn kaj komencis lin ekzameni:

— Sed tiuj kion serĉas?

— Eble ili venis pro la morto de la Sinjorina Moŝto?

— Pro la morto de la Sinjorina Moŝto, ha? Ĉu ne estas gastejo en la urbeto? Iru al la gastejo! Kion ili volas sur la oreloj de mia filo? Ĉiam li, bedaŭrindulo!

La servistaro estis okupata kaj Tinkuca morta. Sinjorino Porfira metis siajn manojn sur la ŝlosilojn; jene ŝi estis ebria dum la tuta tago.

Kiam Miĥaelo kaj Saŝa iris supren. Skatiu venis antaŭ ilin. Ruĝa, kun ŝvelintaj palpebroj, la kolumo de la ĉemizo en nigra, li aspektis pli abomene, ol kutime. Surkoliĝis al Mateo, kaj kiom longa kaj groteska li estis, ekveis ankaŭ li, kiel lia patrino, grandvoĉe kaj radikale:

— Mi perdis ŝin, kuzo Mateo, mi perdis ŝin! Ŝi foriris de ni, kuzineto Saŝa! Ŝi lasis min sola, forlasis min: ho, mi malfeliĉulo!

Kaj kun fermitaj okuloj, la pugno sur la frunto, dentogrincante, li iris antaŭen, kondukante ilin al la salonego, kie la mortintino troviĝis.

Ekvidinte la figuron de Tinkuca levitan sur kuseno, blankan, serenan, kun la majesteco de la morto gravurita je ĉiu linio, Miĥaelo sentis, ke dolorondo supreniĝas en la brusto kaj ploreksplodo trapenetras lin. Li restis ĉe la pordo kun la okuloj en poŝtuko, ploregante, ne plu povis reteni sin. Saŝa prenis seĝon kaj sidiĝis kontraŭ la mortintino, dume Mateo rigardis ŝin.

Enirinte la imperion de la ĉiama silento, oni estus dirinta, ke Tinkuca ne mortis, sed nur trapaŝis en la justan mondon. Kun la manoj kunmetitaj surbruste kaj kun floroj ĉirkaŭ la kapo, ŝajnis, ke ŝi endormiĝis dum sinvestado. La brulanta torĉaro, novaj ŝupintoj elstarantaj el la jupo, odoro de incenso, poŝtukoj trempitaj en kolonja akvo, teruriĝintaj mienoj de la ĉirkaŭaj, iom malpliigis la malvarman belecon de la morto.

Ŝia turmentita vivo estingiĝis malrapide, longdaŭre, sen lasi en la nunaj formoj alion, ol la gravursignon de la lastmomenta konscio pri la ĉesonta sufero. Ŝi mortis kun la klara signo de la feliĉo, ke ŝi ne plu ekzistos.

Kaj dum tio ĉi estis legebla sur ŝia vizaĝo, Tanase opiniis, ke li devas riproĉi ŝian morton. Post ĉirkaŭrigardo ĉe la aĉetitaj aĵoj, kie li kalkulis la kandelaron portitan el la foiro, li enpaŝis la salonegon kaj komencis ĝemadi:

— Ah, edzino, kial vi forlasis min?!

Poste vidante Zoĉjon kun okuloj larmoplenaj apud Saŝa, li instigis ŝin plori:

— Ploru, ploru, kompatinda orfino! Tian patrinon, kia la via, malmultaj havis en tiu ĉi mondo...

Kaj tie, samloke, li turniĝis al la virino apud la kapo de la mortinto kaj diris al ŝi longe, tirvoĉe:

— Mario, deŝiru la meĉon de tiu torĉo, ĉar ĝi malpurigos la tapiŝon.

Tiuj du-tri ĉeestantoj, kun la animo sur sia loko, naŭziĝis de tiom da nesentemo kaj hipokriteco. Li elpromenis en la laborejon, malfermis la kason, elprenis la botelon kun rumo kaj trinkegis, ke pasu la malĝojo.

En la plej granda silento, jen estis aŭdebla la voĉo de Skatiu, kriante:

— Foriĝu! Ke mi ne vidu vin, noktuo! Forprenu, elĵetu lin!

Mateo piedfingre eliris, por vidi kio okazas.

Antaŭ la furioze blekanta Skatiu, maljunulo falinta surgenue, petegis lasi lin eniri. Mateo rekonis la ciganon Stojka, iaman kaleŝiston de Sinjora Moŝto Dinu. Li paŝis al Skatiu kaj brakumis lin, enirinte kun li la apudan ĉambron.

Stojka envenis neĝokovrita, li lasis la ĉapelon ĉe la pordo, singulte proksimiĝis al la mortintino kaj kisis ŝian manon. Poste li rigardis ŝin, kapbalancis. Liaj larmoj fluis en la barbon. Nur solan vorton li povis eldiri: »Mastrineto, mastrineto.« Li retiris sin kaj iĝis nevidebla.

Rilate sinjoron Dinu: neniu zorgis pri li. Lasita je la volo de la servistaro, sola, senpova, li dormetadis en sia seĝo, kvazaŭ fremda al tio, kio okazis ĉirkaŭ li. Nur rimarkante Saŝa-n, li eliĝis el la ŝajna indiferenteco kaj ekploris kiel infano.

Li alkroĉiĝis al ŝiaj manoj, petante, ke ŝi forportu lin kun si:

— Ne lasu min, knabineto ne lasu min, ĉar li mortigos ankaŭ min. Vera teruro kaptis lin, ekvidante Tanase-n, venintan al li, kun la sciigo pri la morto de Tinkuca. Liaj ĝemoj, blekoj, blasfemoj pli timigis Sinjoron Dinu, ol la alportita novaĵo.

Saŝa intencis trankviligi lin, promesante, ke ŝi revenos post kelkaj tagoj kaj kunprenos lin kun si en Bukureŝton. La maljunulo malespere rigardis ŝin:

— Do vi forlasas min...

Ŝi provis pruvi, ke ne estas eble lin tuj forporti el la domo de Skatiu, sen suspektigi tiun, Sinjoro

Dinu, nenion pli respondis, sed restis kun la okuloj al la tero.

Lia nepino silente rigardis lin, pripensante kion ŝi faru. Estis evidente, ke la maljunulo cerbumas pri io. Ŝi timis, ke li mortigos sin. Ŝi provis denove certigi lin, ke ŝi iras en Bukureŝton, nur por prepari ĉambron al li. Li silentis.

La entombigo de Tinkuca okazis en la sama kondiĉo solena kaj deklama. Ĉio estis riĉeca, sed ĉio celis reklamon kaj fanfaronon. La ĉerkveturilon sekvis Tanase, inter Mateo kaj Miĥaelo. Ĉe ĉiu vojkurbiĝo Skatiu kredis, ke estas lia devo onin timigi per sia ĝemploro. Li enkapigis al si, ĉar tiel konvenis al li, fari responda iun kompatindan judan kuraciston pro la morto de Tinkuca. Tra la nazo kantis la vortojn, kiel kantoro:

— Kien vi portas ŝin!... ne pasu kun ŝi sub la fenestroj de la mizerulo! ... Baĉjo! Nae! Vasile!

La nomoj de la bienaj administrantoj jene estis vokataj ĉe ĉiu stratangulo, por atesti pri la doloro, kiu regis lin, sed ververe: por vidigi lian povon kaj riĉecon.

Ĉe la malsuprenigo de la ĉerko en la tombon, Skatiu ŝajnis freneziĝi. En lia fantazio ekscitita de alkoholo kaj sincera ploro de la aliaj, tiu ĉi sceno de la enterigo, efektive la plej kortuŝa el ĉio, ŝajnis al li tiom stranga, ke li ne plu povis reteni la blekojn. Tio estis la konscio pri nia komuna sorto, ribeliginta la krudforte streĉitan vivon el li.

Mateo nervozigite ekpremis lian brakon:

— Ne plu kriaĉu!

Lia ordona voĉo ŝajnis sugesti Skatiu-n. Li tuj eksilentis, prenis manplenon da frostiĝinta tero kaj ĵetis ĝin en la tombon.

Kiam ĉio finiĝis, li rapidis al la glitveturilo, kurbdorse kaj silente. Li kovris la piedojn per la kolora kovrilo kaj kapskuis:

— Diablo prenu tiun ĉi vivon!

Poste alparolis la veturigiston:

— Antaŭen, junulo!

## XII.

De post la sciigo portita de Miĥaelo, ke liaj kamparanoj apelaciis al la ministro, Sinjoro Dinu ne plu havis pacon. Li pripensis ĉiun manieron, kiel li forkuru. Duone li estis lama, jen pro kio li ne povis eliri al la foiro, por iri de tie rekte al la bieno.

Lastmonate kiam Tinkuca estis malsana, iun tagon Sinjoro Dinu sendis por voki veturigiston. Li marĉandis, ke por 30 leoj, tiu portu lin ĝis Culnicej.

Tiun provon li faris malkaŝe, esperante, ke Skatiu ne kuraĝos haltigi lin. Sed li trompiĝis: Skatiu kuraĝis eĉ doni paron da vangfrapoj al la veturigisto.

De tiam la maljunulo koncentriĝis en si mem kaj fariĝis pli milda.

Post la morto de Tinkuca, li deziris vidi sian bofilon kaj tre petis lin: sendi tajloron, kiu faros por li nigran veston. Post kelkaj tagoj li denove volis vidi la bofilon. Li parolis al la alia pri la knabineto, petante, ke li sendu ŝin en Bukureŝton, al Saŝa. Skatiu plenumis ĉiun lian deziron, aŭ promesis ilin plenumi, sed ĉiam kun la sama kondiĉo: ke li ne plu provu foriri.

Iumatene Sinjoro Dinu petis la glitveturilon por iri al la banejo.

— Volonte. Ĉu vi dezrias, ke mi donu al vi ankaŭ Kostea-n por helpi vin?

— Kiel vi deziras.

— Male: kiel *vi* deziras.

La maljunulo pensadis. Li tute ne bezonis Kostean, sed li ne volis veki suspekton.

Almenaŭ li helpos al mi eniĝi en la veturilon. Ĉe la banejo oni deprenos min.

— Do vi ne bezonas?

— Ne.

Tanase ordonis jungi la ĉevalojn. Sinjoro Dinu kunportis dikan ŝuparon, prenis la peltajn jakon kaj ĉapon, donis harbroson kaj viŝilojn al virino, ke ŝi metu en la glitveturilon kaj tiel helpite de la knabo, li foriris.

De longa tempo li ne eliĝis. La malvarma aero vigligis lin. Li parolis interese al la veturigisto, pri ĉio, kion ili renkontis dumvoje, sed la veturigisto nur duonbuŝe respondis: lin instruis Skatiu.

Ĉe la pordego de la banejo staradis kelkaj veturiloj. La glitveturilo de Sinjoro Dinu eniris la korton, li singarde eliĝis kaj iris internen. La veturilo turniĝis kaj ekatendis.

Sed post eta tempo la maljunulo malfermis la pordon kaj vokis la veturigiston:

— Jen aŭskultu, havu la bonvolon, ni petas vin, kuru hejmen kaj alportu al mi la razilaron; petu ĝin de Mario, kaj tie-ĉi transdonu ĝin al la banvartisto, por mi.

La veturigisto senprokraste ekiris. Li kaŝrigardis ĝis kiam tiu malproksimiĝis; poste li diris al la banisto, ke li havas aferetom en la foiro, petis lin helpi ĉe la suriĝo en glitfiakron kaj transpreni la razilaron je lia nomo, ĉar li revenos.

Tuj kiam li restis sola kun la fiakristo, ekparolis:

— He, knabo, ĉu vi estas la posedanto de la glitfiakro?

— Mi, sinjoro moŝto.

— Ĉu vi havas bonajn ĉevalojn?

— Bonegajn.

— Ĉu vi povas tuj aljungi ankaŭ la aliajn du, por porti min al Culnicej?

— Dum momento, Sinjoro.

— Kiom da mono vi deziras?

La fiakristo ekpensadis.

— Ĝi estas malproksimete ... je du bonaj poŝtdistancoj ... vintra vetero ...

— Mallonge, kiom vi volas?

— Donu al mi du*) »pol«-ojn, boero.

— Bone, ekiru.

La beduenaj ĉevaloj ekkuregis. Post kvin minutoj ili eniris judan korton piedpremitan. La fiakristo elportis ankoraŭ du ĉevaletojn, jungis ilin antaŭ la aliajn kaj ekiris.

Sinjoro Dinu suprenigis la peltkolumon sur la kapon, sin kaŝante pro la timo, ke iu rekonos lin. Kiam li estis ekster la urbo kaj li ekvidis la brilan etendaĵon kampan, li sentis, ke reviviĝas. Du jarojn li estis malliberigita! De du jaroj li ne plu spiris en la vasta lumo de la ebenaĵo! La vojon iratan li konis el la infanaĝo; li sciis la nomojn de ĉiu vilaĝo, de ĉiu haltejo; la branĉoj estis senfoliaj kaj malgajaj, kaj tamen ĉiu ŝajnis al li nova, bela.

— Nu, aŭskultu fiakristo: ĉu vi scias veturigi?

— Mi scias, sinjoro.

— Do mi vidu! Mi promesis 40 leojn, mi donos 50.

Je tia parolo konsola, la vipo tuj surumis la apudradajn kaj antaŭajn, kaj la glitveturilo flugis sur la vojsulko tra la neĝo.

*) *(Na-)»pol«-(eon)o* = 20 leoj.

# La „Hotelrato"

— *Carl Franzmann* —

Jen nederlanda radiostacio komunikas interesan avizon:

»Atentu, atentu! Internacie konata »hotelrato« estas publike indikita dum la lastaj semajnoj en pluraj distriktoj. Lia vera nomo estas: Hugo Snajder, sed li ankaŭ faras uzon de neveraj nomoj. Priskribo de la internacia hotelŝtelisto: malaltkreska staturo. Ni ripetu: malaltkreska staturo, ŝtumpnazeto. Ni ripetu: ŝtumpnazeto. Ekkoniloj: ĉe manĝado kaj ĉe aliaj okupoj li prefere servas sin per la maldekstra mano. Ni ripetu: Hugo Snajder estas maldekstramanulo. Li speciale interesiĝas pri kamparaj hoteletoj. Notinde estas, ke li kelkfoje surmetas virinajn vestaĵojn. Aresto estas petata. Ankaŭ tuja informiĝo de la loka policaro.«

Aŭdinte tion, mi signifoplene alrigardis mian edzinon. Hm! Estis komuniko eksterordinara!

Apenaŭ formortis la lastaj vortoj de la radiokomuniko, kaj ni ambaŭ devis pensi pri la nova gastino: Therese Müller. Antaŭ kelkaj tagoj ŝi luis la plej belan ĉambron de nia hotelo.

Demandis la edzino: »Kion signifas »hotelrato«? Kaj tuj mi klarigis, ke temas pri internacia vorto por: hotelŝtelisto. Do temas pri la friponoj, kiuj dumnokte, kiam la aliaj gastoj estas en la lito, entreprenas rabiradon tra la hotela ĉambraro. Vere, ne agrabla perspektivo por honesta hotelo, kontaktigi kun tia individuo!

Sed, edzino kara, ne tiel ekscitiĝu! Ni restu trankvilaj!

Tamen, prezentite en la ĝusta lumo de la ĵusa radiokomuniko, Therese Müller, la nova gastino, estas ege enigma persono.

Kaj la edzino aldonis, ke eĉ suspektinda estis ŝia sintenado.

»Pro kio?« mi demandis.

»Nu« estis la respondo, »hieraŭ ŝi pormomente forlasis sian ĉambron kaj tiam la ĉambristino rimarkis, ke cigarstumpo estis en la cindrujo. Pro la deco mi esplordemandis, ĉu ŝi havis sinjoran vizitanton. Ŝi tuj jesis tion, dirante, ke la koncerna vizito okazis hieraŭ vespere. Nu, mi limigis min al nura kapskuado, ĉar estis ja evidente, ke ŝi mensogis. Ĉar, laŭ la diro de la ĉambristino la duone forfumita cigaro ankoraŭ estis varma.«

Kion fari? Kion fari?

Terure komplikiĝis la afero per tio, ke la ĉambristino ĵus eniris la salonon, kie ni sidis antaŭ la radioaparato. La ĉambristino diris:

»Ĵus fraŭlino Müller informis min, ke ŝi havas teruran kapdoloron. Pro tio ŝi jam eniris la liton. Nebezona estas la vespera teo.«

Hm! mi pensis — kaj ankaŭ mia edzino pensis tion — estas preteksto. Ŝi enlitiĝis tiel nekutime fruhore, por kolekti sufiĉajn fortojn por la dumnokta rabirado.

Febre mi klopodis, denove enmemorigi al mi la enhavon de la radiokomuniko. Je mil diabloj, ankaŭ malaltkreskan staturon la fraŭlino havas.

Kaj nun mia edzino ekstaris, tiel emociita ŝi estis. Ŝi vere ne plu sciis, kion fari. Ankoraŭ pli perpleksigis ŝin mia subita demando:

»Ĉu fraŭlino Müller estas maldekstramanulo?« Unue la kompatinda hotelestrino ne sciis, kion mi opinias, sed post klarigado mi vidis, ke iom post iom la neklara situacio heliĝis. Estas kutimo, ke edzino mia subite metas la fingrojn en la harojn, se ia malluma afero kompreneblîĝas. Nu, tion ŝi nun faris, dirante:

»Jes, ŝi estas — ŝi estas! Certiĝu, ke mi vidis bone. Kiam ŝi sidis antaŭ la fortepiano, mi rimarkis, ke ŝi trafoliumas la muzikaron per la maldekstra mano. Jen, ankaŭ dum la tagmanĝo la samo: la postmanĝo konsistis el dikaj piroj. Ĝis la semujo ŝi formanĝis la piron. Estas vere, unue mi admiris nur la blankkoloran dentaron de la fraŭ-

---

Ju pli rapide ili iris, des pli kreskis la emocio de Sinjoro Dinu. Al li ŝajnis, ke Skatiu sekvatingas lin. Li rerigardis en ĉiu momento. Kaj li prave timis.

La veturigisto veninta por peti la razilaron iom suspektigis Skatiu-n ĉar li sciis, ke lia bopatro ne razis sin jam de longe, sed per tondilo tondis la barbon: tamen li nenion diris. Nur tion li demandis de la veturigisto, ĉu li vere lasis lin en la banejo.

Tiu, certa pri si, reiris laŭ la instrukcioj de Sinjoro Dinu kaj donis la pakaĵon en la manon de la banvartisto; poste li ekatendis. Sed proksimume post unu horo, trapenetrite de la malvarmo, li deiris de la glitveturilo kaj promenadis jen tien, jen reen, albatante la manojn al la ŝultroj. Kelkfoje li ĵetis sian rigardon, internen, iu ja devis lin rimarki. Kaj vere la intendanto de la banejo, sciinte, ke neniu estas ene, elvenis kaj demandis, kiun li atendas.

Komprenínte, ke Sinjoro Dinu forkuris, li sursaltis la koĉersidejon kaj ekpelis la ĉevalojn:

— Tiii! ve al mi.

Kiel sveninto li eniĝis tra la pordego, deĵetis la kondukilon kaj senspire iris al sia mastro:

— Sinjoro, la maljuna boero**) forkuris!...

Skatiu eksaltis.

— Kien li kuris? Kiel forkuris?

**) *Boero* = nobelo, sinjora moŝto.

— Mi ne scias, ho, ve al mia patrino! Mi lasis lin en la banejo... kaj mi venis por la razilaro. Reirante mi kredis, ke li estas ene... De kie mi sciu?..

Skatiu momenton rigardis lin strabe, poste surrapidis kaj ekbatis lin:

— Vi vendis vin al li, sentaŭgulo!... Atendu, mi saĝigos vin. La mastro batadis kiel blindulo kaj la servisto defendis sin per ambaŭ manoj surkape:

— Pardonu min, boero, mi eraris... mi estas kulpa.

— Tuj jungu la ĉevalojn, mizerulo! ĉiujn kvar, ĉu vi komprenis?

La veturigisto rapidis al la stalo kaj Skatiu iris por preni la peltjakon kvazaŭ nenio estus okazinta inter ili.

Post dek minutoj, ili elkuris tra la pordego kiel uragano. Dum ilia freneza pelo tra la kampo, forpasis valoj, montetoj, glaciiĝintaj riveretoj, kurante post la glitveturilo de Sinjoro Dinu. En ĉiu kvina minuto, Skatiu ekstariĝis kaj etendis sian kolon en la vento, kiel ĉashundo, por elvidi la rifuĝantojn. Ĉe la drinkejoj vidante la du glitveturilojn preterpasantajn kiel du turnoventoj, oni mirigite postrigardis ilin.

Antaŭ la alveno en Culnicej, Sinjoro Dinu haltis momenton en vilaĝo Balta, kontraŭ kies loĝantoj Tanase iam havis procesom kaj kun kiuj eĉ nun ne estis

lino, sed kiam ŝi tenis la nuran semuĵon en la mano, mi subite konsciis pri la strangaĵo, ke ŝi ĉion faris per la maldekstra mano.«

Car mi estas prudenta viro, mi demandis:

»Ĉu vi vere vidis bone?«

»Jes, mi vidis bone. Ho, urĝas, ke vi informu la policestron. Estas jam ekster ĉia dubo: la hotelŝtelisto troviĝas en nia honesta hotelo.«

La vilaĝaj policistoj multe ridegis pri niaj naivaj zorgoj. Ili forsendis min, konsilante, ke ni ĝisatendu la ceteron. Poste mi aŭdis, ke ankaŭ la policestro estis infektita de mia fantaziplena historieto. Post longe interkonsiliĝo kun la vilaĝestro li fine en la sama vespero ekspedis telegramon al la ĉefurba policestro. Revenis telegrama sciigo, ke oficisto de la sekreta polico ankoraŭ en la sama nokto prenis la lastan rapidvagonaron.

Ni ne bone dormis en ĉi tiu nokto, mia edzino eĉ estis ege ĉagrena, ke la polico rigardis nian zorgegon kiel ŝercon. Ni ja ne sciis, ke la polico intertempe bonege laboris.

Frumatenhore estis nova gasto en nia hotelo. Policisto Neumann metis la fingrojn sur la buŝon. Sekretmiene li diris:

»Ŝŝŝŝt! Neniu en ĉi tiu domo sciu ion pri mia profesio.«

Meritplena viro estis la policisto. Li vetis ĉe forveturo el la ĉefurbo, ke li certe senmaskigos la misteran, internacian »hotelraton«.

Lia enketo komenciĝis tuj post la matenmanĝo.

Fraŭlino Therese Müller sidis en la ĝardeno.

Neumann — por konatiĝo — diris sian nomon. La fraŭlino iomete konsterniĝis, sed tio ne estis videbla sur ŝia vizaĝo. Sekvis ia banala babilado, dum kiu la policisto havis okazon, ĝisfunde studadi la virinon antaŭ li.

Ĉu malaltkreska staturo? Jes.

Laŭ lasta modo vestita? Jes.

Eĉ tre elegante ŝi vestis sin. Enpense Neumann notis la blusilkan pluvmantelon; ĉe la kolo blankkolora kolkrispo, peceto da kremkolora bluzo estas videbla. Taŭga oficisto de la sekreta polico vidas ĉion. Oni bezonas la detalojn por la oficiala raporto.

La nazo de la fraŭlino erarigis lin iomete. Laŭ la priskribo la »hotelrato« havas ŝtumpnazeton, dum la nazo de fraŭlino Müller elmontris sufiĉe grandajn dimensiojn. Nu, pensis la oficisto, ni lasu tion. Ekzistas ja apartaj ŝmiraĵoj kaj gluiloj, per kiuj oni povas laŭvole plidikigi la nazon.

Tamen, la oficisto jam konstatis, ke nefacilan taskon li prenis sur sin. Ne estas ja orde, simple suspekti honestan virinon. Ne decas al lerta oficisto, fiaski per ia stultaĵo. Do ni helpu nin per policistaj artifikaĵoj.

Efika provo ĉe alivestitaj homoj estas la ludo per porinfana pilko. En kio konsistas ĉi tiu policista artifikaĵo? Nu, por eltrovi, ĉu la koncerna persono estas viro aŭ virino, oni proponas al la suspektindulo la ludon per la porinfana pilko. Se, en sidanta pozo, la persono la genuojn kunfrapas por kapti la pilkon, temas pri viro. Virino ekkaptas la pilkon en sian sinon per disetenditaj genuoj. Bonege, pensis la oficisto, ni faru tion.

Posttagmeze fraŭlino Therese Müller refoje estis en la ĝardeno.

En certa momento, vilaĝa infano, kiu havis pilkon en la mano, enkuregis la ĝardenon.

La infano alproksimiĝis al la fraŭlino kaj ĝi ŝercmaniere proponis pilkludadon.

Konsentis tuj la fraŭlino, ĉar ŝi ne sciis, ke la policisto kaŝiĝis malantaŭ proksima arbo.

Pacience la fraŭlino tie sidis sur la seĝo, tenante la plektitajn manojn sur la genuoj.

Hopla! — kriegis la infano. Jen, alvenis la pilko...

Kaj la oficisto vidis, ke la persono antaŭ li tute spontane agas. Jes, li vidis, ke ĉe la ekkapto de la pilko la genuoj kunfrapiĝis.

Sufiĉas. Sufiĉas.

La internacia hotelŝtelisto Hugo Ŝnajder tiel estis arestita.

Pro miro »li« mem preskaŭ kolapsis.

La »hotelrato« certe forgesis pri la radio, pri prudentaj gehotelestroj kaj pri lertega policisto.

---

en bone rilato, kaj alkriis, ke ili venu al la »korto«.

Ankaŭ en sia vilaĝo li haltetis ĉe du-tri domoj kaj vokis la homojn.

Vintre la vilaĝanoj servutas ĉirkaŭ la domo, jen riparas ion, jen sidas en la drinkejo, laŭ okazo. La novaĵo fulmrapide disvastiĝis en la vilaĝo.

Nae Eftimiu kaj Aglaja rigidiĝis rimarkante Sinjoron Dinu. Ili alkuris por depreni lin el la glitveturilo, rigardante unu la alian.

— Kio tio ĉi, onklo?

La maljunulo severe rigardis ilin:

— Kio estu, nepo: jen mi venis al mia hejmo.

Ili portis lin supren, kondukis lin en lian iaman ĉambron, kiu poste estis la ĉambro de Skatiu, ili ekbruligis fajron. Aglaja donis al li dolĉaĵon, kvazaŭ ili estus liaj plej obeemaj servistoj.

Sinjoro Dinu rimarkis la pantoflojn de Skatiu, ĉe la rando de la lito. Senvorte li levis ilin per la bastono kaj ĵetis ilin en la fajron.

Aglaja grandokule rigardis lin:

— Sed kion vi faras, onklo?

— Tio estas mia afero. Estu bona, ŝanĝu la litaĵon, forprenu la kovrilon kaj matracojn, por ke eliĝu la fiula odoro, ĉu vi komprenis min!?

Aglaja komprenis, ne povis alion fari. Ŝi obeis, sed malvolonte. Se Skatiu estis mastro de la biena profito, Aglaja estis mastrino de la bieno. La malnova amikeco kun Tanase daŭriĝis ankaŭ antaŭ la indulgemaj okuloj de sinjoro Eftimiu, kaj sekve de tiu amikeco ŝi faris, kion ŝi volis.

La maljunulo petis apogseĝon, demetis la palton kaj eksidis ĉe la tablo, enpensiĝinte:

— Tiel!... li diris kontente.

Atinginte la bienon, ŝajnis al li, ke li eniris sian imperion: tie-ĉi li ne plu timis de Skatiu.

Dum tiu ĉi tempo oni estis vigla en la korto. Neniu komprenis, kio okazis, sed ĉiu sentis sin maltrankvila. La iamaj administrantoj estis anstataŭtaj per aliaj, intimuloj de Tanase, kiuj malesperigis la vilaĝanojn. La fremduloj estis transformitaj laŭ la idearo de la nova mastro, la grenejoj forlokigitaj; eĉ la servutularo ne estis la sama.

Dum la servistoj de Tanase kunvenis por vidi kio okazas, la vilaĝanoj venis en la korton pogrupe, parolante inter si:

— Ĉu alvenis la boero, ĉi?
— Alvenis, ĉi.
— Granda afero!...
— Sed ne Skatiu, ĉi.
— Do kiu?
— Nia boero.
— Sinjora Moŝto Dinu?

— Nature. Jen nia apelacio!

— Sed de kie ci scias, Tudose?

— M'ja vidis lin, knabo.

Oni ne tre volis kredi, ĉar oni sciis, ke Skatiu lin tenas kiel garantiaĵon en la urbo.

Dum ili interparoladis, eksonoris la tintilaro de survoja glitveturilo: Tanase alvenis en galopo.

Tuj kiam li enkortiĝis, li komprenis kiel statas la aferoj. Li estis flaveverda pro kolero. Li stariĝis kaj ekrigardis la vilaĝanaron.

— Kion vi deziras, bonaj homoj?

Ili deprenis la peltĉapojn kaj milde proksimiĝis al li.

— Vetero bona, sinjor'.

— Nu, kio?

— Kio do estu... Jen, ni refoje venis al la korto... ĉar ni aŭdis, ke alvenis la maljuna boero.

— Li alvenis, sed estas malsaneta. Venu pli poste, je vespero.

Kaj li desaltis el la glitveturilo kaj supreniris.

Enirinte la domon, li deĵetis la pelton kaj atakis sian bopatron:

— Komplimentegon, boero.

Sinjoro Dinu ankoraŭ estis ĉe la tablo. Ekvidinte lin, li rigardis en alian direkton kaj respondis je sama tono:

— Ni dankas al vi.

Tanase ŝlosis la pordon. La maljunulo ekkriis:

— Ne ŝlosu la pordon! ne ŝlosu la pordon!

— Ne bleku tiel, ĉar ni ambaŭ havas aranĝotaĵon!

— Ne ŝlosu la pordon!

— Vi forkuris de hejme, ha?

— Ne ŝlosu la pordon!

La okuloj de la maljunulo preskaŭ elsaltis el la kapo. Li kriegis kiom lasis lia buŝo, ripetante la samajn vortojn: »ne ŝlosu la pordon«.

Skatiu deviĝis malfermi la pordon.

— Kial vi foriris de hejme, boero?

Sinjoro Dinu ŝajnis trankviliĝi.

— Ĉar mi tiel volis.

— Tiel vi volis?!

— Jes.

— Tiel? Do mi instruos vin.

Tiel dirinte li leviĝis kaj vokis Nae-n.

— Diru al Kiru, ke li vonu tien ĉi kun Ilie, kaj... ŝanĝu la ĉevalojn.

Nae flankentiris lin, kaj flustris ion al lia orelo. Tanase elrapidis, al la homoj, furioze.

— He fratoj, ŝajne vi volas malesperigi min. Kion vi serĉas en mia korto?! Iru al la ministro!

Kelkaj el la vilaĝanoj foriris; aliaj ne.

— Nin vokis nia boero.

Skatiu komencis blekokrii:

— Via boero?!... Kiru, Ilie, ĵetu ilin eksteren! eksteren!

La gardistoj elkortigis ilin, jen ĝentile, jen malĝentile, fermante la pordegojn. Skatiu reiris al sia bopatro, sekvate de la duopo.

— Nun bopaĉjo, ni aranĝu duope. Ekprenu lin, he.

La maljunulo vidis, kiel forlasis lin la kamparanoj kaj estante senpova, klinis la kapon sur la tablon kaj ploris. La du servutuloj ekprenis lin. Skatiu ordonis:

— Donu al li la pelton kaj alportu bastoŝnuron.

La servutuloj alportis la pelton kaj ŝnuron.

— Ligu lin.

Kiru envolvis lin per la pelto kaj ligis la ŝnuron ĉirkaŭe. Poste ili levis lin por meti en la glitveturilon.

Sed la ĉevaloj ne estis pretaj. Atendante, ili ĉiuj povis vidi, super la barilo, ke la vilaĝanoj ne disiris, sed atendadis. Tiam Tanase ordonis al la du servistoj alporti la pafilojn.

Kiam la glitveturilo estis preta, ili ĵetis la maljunulon, kiel sakon, en angulon. Skatiu eksidis apude, Kiru sur la antaŭo, apud la veturigisto, kaj Ilie ĉe la dorsa ekstremaĵo. Jene ili ekiris.

Sed anstataŭ eliri tra la pordego, la glitveturilo iris laŭ flanka direkto.

La vilaĝanoj blokintaj la vojon, komprenis la planon de Skatiu kaj ili kuregis en tiu direkto. La plej lertaj alvenis ĝurstatempe kaj volis kapti la kondukilon de la antaŭaj ĉevaloj, sed la junaj ĉevaloj timigite flankeniĝis kaj traglitis inter la homoj. Tiuj blasfemis kaj ankoraŭ kuris iom post la glitveturilo, por almenaŭ eligi la kolerfajron el si, — kiam ili ekvidis de malproksime, antaŭ la forkurintoj, venantajn homojn, el alia vilaĝo: estis la kamparanoj el Balta.

Skatiu komprenante la danĝeron, ordonis, ke Kiru pafu en la aeron kaj la veturigisto lasu pli libere la bridojn de la ĉevaloj. Sed la timiga pafo, anstataŭ helpi, havis malbonan efikon.

La Baltanoj baris la vojon de la ĉevaloj, kriante. Skatiu elpremis la kondukilojn el la mano de la veturigisto kaj volis veturi tra la kampo, sed unu el la antaŭaj ĉevaloj falis en la vojrandan kavon. Tiom estis sufiĉa, ke oni kaptu ĝin. La ĉevalo leviĝis, trenis unu junulon tra la neĝo, sed vane. Oni rapide ĉirkaŭis la glitveturilon de ĉiu parto. Skatiu saltis malsupren, prenis la pafilon de Kiru kaj volis defendi sin.

Bato per bastonego, veninta kvazaŭ el la ĉielo, faligis lian pafilon kaj li ekkuregis. Oni post li. Oni kaptis lin kaj kiam li kuŝis surtere, oni ne sciis, ĉu li surteriĝis sola, aŭ oni lin renversis.

Kio okazis tiam, neniu konsciis.

Dum momento, oni diserigis lin, sen bruo, sen veo.

La juĝista enketo trovis en lia kaĉigita cerbo ŝtonojn, najlojn, ĉifonitan tukon, kiujn la furiozo de la popolo alportis kiel superakvego.

Kiam la homoj reiris por prijuĝi la servistojn, du el ili revenis al la kadavro de Skatiu, arde pro malamo, kaj ili piedpuŝis la kapon per la kalkanumoj de la botoj. Unu estis Lefter, el la proceso de la Baltanoj, la alia Stojka, la cigano el Ciulnicej. Unu venĝis la vipobatojn survangajn; la alia la morton de Forgaŝ.

Kaj sinjoro Dinu vivadis plue, lama kaj sola, sed posedanto, kiel iame, de la tero, tero tiom kara, en kiu li estis ripozonta eterne, kun la kredo, ke tie estos bone al li, ke en tiu *alma mater* li trovos kiel la prauloj, senmortecon, rekompencon kaj punon.

El la rumana: *T. Morariu.*

## Herbeja kvinfolio

— *Josef Kubelka* —

Serĉu, se vin kor' turmentas, kvinfolion sur herbej',
Ĉian zorgon ja forventas kvinfolio de herbej'.
Estas talisman' por tiuj, kiuj sur la kamp' de l' amo
Al batalo sin prezentas, kvinfolio el herbej';
Forflugintan feliĉbirdon re-algvidos al vi sorĉe,
Kiam erarvoj' vin tentas, kvinfolio de l' herbej' —
Ja eĉ tiam jam feliĉon trovis vi, se amatino
Serĉi kun vi ekkonsentas kvinfolion en herbej'.

El la ĉeha: *Miloš Lukáš.*

# FUMO

— Maria Konopnicka —

Kiomfoje ŝi rigardis tra la fenestro de sia loĝejeto, tiomfoje ŝi povis rimarki, kiel el la granda kamentubo de la fabriko eliras griza kolono. Ofte ŝi intence forprenas de sia laboraĵo la maljunulinajn okulojn por ĵeti al la fabriko almenaŭ unu rigardon. En tiu rigardo estis ia stranga beato kaj dorloteco. Homoj preteris rapidante en diversajn flankojn, kaj preskaŭ neniu turnis sian atenton al la kamentubo kaj neniu rimarkis speciale la grizbluan strion de fumo. Nur por ŝi tiu ĉi fumo havis apartan signifon, kiu kvazaŭ parolis, ŝi perfekte ĝin komprenis, ĝi estis por ŝi kvazaŭ viva estaĵo.

Kiam en la frumatena opala krepusko diverskoloriĝis la farboj de la aŭroro, jam vidiĝis dikegaj kolonoj da fumo, kiuj disportis akran kaj tranĉan odoron de fulgo. Tiam ŝi sciis, ke tie staras ŝia Marĉjo ĉe la fajro kaj en la kaldronejo brulheligas la flamon, ŝi sciis, ke tie staras li, ŝia filo, alta, svelta, vestita en malhelblua tola bluzo, kun leda zono ĉirkaŭ la korpo, kun ronda ĉapeto sur la helaj haroj de la kapo, iom malsupre disbutonumita kolumo.

— Ho, ho! — ŝi paroletis tiam bonhumorete — Marĉjo laboras.

Efektive, li laboris kun fervoro de novulo, li ŝutis korbon post korbo da karbo en la fajron, farante sian laboron kaj samtempe ankaŭ tiun de la fajrigisto, fiera pri sia nova plialtranga okupo de kaldronisto. Tiam en lia koro ankaŭ eksplodis abundo da kantoj diversaj, kiuj plenigis la kalkdronejon de mateno ĝis nokto.

Post nelonge tamen, la nigraj bulvolvoj da fumo blankiĝis, maldensiĝis, fariĝis pli malpezaj kaj tra serena lazuro eliĝis supren en formo de malpeza rekta kolono.

Tiu vidaĵo enverŝis en la koron de la vidvino ĝojon kaj serenon.

— Ĉio bone... — ŝi flustris — ĉio estas bone; al Dio Superulo dankon!

Kaj ŝi kuretis en la malriĉa ĉambreto laboreme, ordis sian liton kaj la tabulliton de sia filo, purigis per malnova betula balailo kaj bruligis fajron en la kameneto por la tagmeza manĝo.

Tiam, rekte vid-al-vide al la granda fabrika kamentubo, ankaŭ tie ĉi, el super la tegmento de la mansardo, kie loĝis la vidvino, suprenleviĝis beltufe maldika blueta fadenareto da fumo, fadenareto tiel mizera, kiel la spiro de maljunulaj brustoj.

La juna kaldronisto ĉiam rimarkis tiun fadenareton. Kaj ne nur rimarkis, sed ridetis al ĝi. Li bone sciis, ke tie, ĉe la kameneto staras lia patrino vestita per blanka kufo sur la kapo, kolora kaftano kaj rozkolora antaŭtuko, eta, velka, ĝiba, preparante por li ian bonan barĉon aŭ perfektan grisupon. Ŝajnis eĉ al li iafoje, ke li evidente sentas la bongustan odoron de tiuj raguoj.

Kun duobla entuziasmo tiam li ĵetis sur la fajron denovan ŝovelilon da karbo, kaj dum la hejtisto gratis al si la kapon, li, starante per unu piedo sur la submasonistaĵo, elaste kaj lerte por du aliaj laboregis.

Tiel de ambaŭ flankoj iris ĉielen tiuj du spiraĵoj: de la fabriko kaj de la mansardo, malaperante en la diafanaj lazuroj, eble eĉ kuniĝante kun ili.

Tagmeze la fumo fabrika maldensiĝis iel; la kolosaj pulmoj de la maŝinego malrapidigis iom sian laboron, la ellasitaj vaporoj trakudris multfoje la aeron per akra kaj grinca fajfego kaj la knabo kiel uragano rapidis en la ĉambreton.

— Patrino, manĝon — li jam vokis el la sojlo kaj, ĵetante la kepon sur la tablon, li kuris al la kaĝo de la merlo, pendanta en la fenestreto. La merlo, kiam ĝi nur ekvidis la knabon, eligis longdaŭran fajfon, similan al tiu de la fabriko, poste komencis siajn kutimajn kantojn, kiujn instruis al li Marĉjo. La knabo staris ĉe la kaĝo, enpoŝigis la manojn kaj fajfis. Ĝis la muroj tremis de tiu fajfado.

La patrino dume sternis sur la tablo belan flavan tukon broditan per bluaj cervoj kaj starigis profundan fajencan vazon da grisupo, barĉon, aŭ pizan supon kun fumaĵita viando, aŭ ankaŭ farunbuletojn laŭ ŝia libervolo. Apud la vazo kuŝis sur la tablo pano grandbula, la ĉefa fundamenta nutraĵo.

La panbulo malaperis post ne longe ĝis duono, kiam li nur apenaŭ alproksimiĝis al ĝi. Pecon post peco li tranĉis, salis ĝin en pladeto kaj senĉese parolis:

— Bona pano, patrino!

— Bona, filĉjo — respondis ĉiufoje la vidvino. — Manĝu benbeate, manĝu. Je laŭdo al sinjoro Jesuo kaj Lia Patrino plej Sankta...

La knabo ne atendis, ĝis oni lin petos, kaj kune kun la pano malaperis ankaŭ la enhavo de la plado.

— Bona barĉo, patrino — li tiam diris.

La patrino post kelkaj minutoj komencis pli malrapide manĝi. Kirletis per la kulero en la telero, blovis sur ĝin, sed la barĉo ne malpliiĝis. Kiam do la knabo formanĝis, kion li havis antaŭ si, kaj per la mano deviŝis la lipharojn, ŝi demandis rapideme:

— Kaj eble filĉjo ankoraŭ... Al mi hodiaŭ iel ne tre...

Ŝi volis kompreniĝi al li, ke ne gustas, sed timis ofendi per evidenta mensogo Dion, ĉar la barĉo ja estis perfekta.

— Sed — diris la knabo — kial la patrino ne manĝas...

Ŝi antaŭstarigis al li rapide sian teleron, dirante:

— Manĝu, infano, manĝu! Je laŭdo al Sinjoro Jesuo...

---

## El la ciklo: Reveno

— H. Heine —

Al vi diamantoj kaj perloj —
Kaj ĉio al via inklin'...
Vi havas plej belajn okulojn —
Plu kion deziri, knabin'?

Pri viaj plej belaj okuloj,
Laŭ volo de Muzo-estrin',
Mi kreis la kantojn eternajn —
Plu kion deziri, knabin'?

Per tiuj plej belaj okuloj
Kruele turmentis vi min
Kaj min vi detruis ĝisfunde —
Plu kion vi volas, knabin'?!

El la germana: *Leo Belmont.*

La knabo tiam denove prenis la kuleron laŭ sia maniero.

— Kion la patrino volas de ĉi tiu barĉo? — li demandis. — Tio ja estas reĝa barĉo!

— Ĝi estus, estus filĉjo — ŝi respondis palpebrumante — sed mankis al mi por ĝi laŭra folio...

Okazis, ke li ne ĉion elmanĝis.

Tiam ŝi la reston enverŝis en argilan pelvon kaj starigis en la kameneto, ke la filo ne rimarku tion...

Tiun veston ŝi rigardis kiel ekskluzive sian propraĵon kaj kiam la knabo eliris, ŝi manĝis tion, almordante la restaĵajn pecetojn da pano.

Ĉio ĉi okazis tre rapidege. La juna kaldronisto estis anstataŭata tagmeze nur por momento kaj li devis rapidi. Apenaŭ formanĝinta, li krucosignis sin, kisis la laboreman malgrasan manon de la patrino, kaptis la kepon kaj, fajfante adiaŭon al la merlo, li forkuris en tri saltoj, de la mansardo malsupren. La vidvino staris tiam en la mezo de la ĉambreto kun la deprenita tabloтuko en la mano kaj aŭskultis kun timo kaj bena rideto la tondrosimilan frapadon de la piedoj de ŝia filo.

— Sankta Antono — ŝi diris skuante la kapon — tia kurado! Li ja povas la piedojn rompi... la ŝtuparon rompdifekti.. ;

Ŝi staris tiel absorbita per la aŭdado, dum krakis sube la pordo de la vestibleto kaj dum ehis la sovaĝa kanonado de la junaj fortaj piedoj. Tuj poste ŝi finis kunmeti la tablotukon forlavis la vazaron, ĉirkaŭamasigis en unu lokon la ardantan cindron, kaj, sidiĝinte ĉe la fenestro, flikis la veston kaj tolaĵon de la filo.

Somere ŝi povis longe ankoraŭ vidi la fumon eliĝanta el la fabrika kamentubo. Okazis, ke ŝi tiel rigardabsorbiĝis al la fumo, ke dume la laboraĵo elfalis el ŝia mano...

Tio iafoje alprenis groteskajn formojn. La fumo kiel fera rampaĵo elvolvis sin mem el la propraj turniĝoj tordaĵaj, levante ĝin pli alten; tio kiel malpezaj ŝirmoj en la aero svingis semante antaŭ ŝi nubetojn rozajn; ĝi, kiel el incensujo, iris rekte supren ondiĝante, mole etendiĝante en regionoj; ĝi, kiel plumotufo kolosa, brulis sub la suno el la kamentubo blovante, jen ŝanĝiĝante en iajn belajn formojn, en iajn kadavrojn neterajn, karikaturiĝante en iajn viziojn, fantomojn...

Iafoje la vento ĝin plenblovis kiel velojn de granda ŝipo, iafoje pelis kiel nigran pulvan nubon. Kaj en pluveta tago, la fumo staris super la kamentubo nubmaniere kaj peĉforme pendis sur la tegmentoj, kaj batiĝis sur la teron ne sciante kie lokiĝi.

Kiam la vintro alvenis, la vidvino bruligis lampeton ĉe la kameno kaj faris ĉe ĝi dikajn ŝtrumpojn por vendado.

Kvankam al la fenestreto akre blovis kaj la pruĵno ĝis la ĉambreto atingis tra la polvoputraj disfalemaj kadroj, ŝi tamen aliris al ĝi por rigardi al la fabriko.

La fabriko ardis vidalvide de la mansardo, per longa vico da lumigitaj fenestroj, krakis la interna laboro per la pulmoj de siaj gigantoj, tintis per la feraĵo, sonis per la batado de la marteloj, grincis per la dentoj de la segiloj, siblis per la pikiloj de fanditaj metaloj. La fumo, kiu nun sur fundo de profunda granito de la ĉielo elbatiĝis el sia kamentubo, estis flama, spiregis per fajro, ĵetis faskojn da fajreroj kvazaŭ raketojn.

Larĝaj brulruĝoj, fajrobriloj iris el ĝi rekte al la ĉielo, kaj malproksime rebrilis grandaj silentaj aŭroroj...



A. Farkas *Mia patrino*

Rigardis ŝin la vidvino meditoplene. Dum la revado elŝiriĝis fajfo de la merlo, kiu, vekiĝinte de la lumo frapiĝanta el la fabriko en la fenestreton, komencis kanti siajn melodiojn. En la ĉambreto fariĝis pli gaje, la fajro flagris en la kameno kaj la merlo kantegis ĝis surdigo. Kaj kiam sur la ĉielo la luno staris plena, la tuta fajra vidaĵo glimfandiĝis en la lunaj briloj.

Malfrue vespere la filo revenis kaj el la sojlo denove vokis:

— Patrino, manĝon!...

Kaj kune kun tiu ĉi juna forta figuro enpaŝis en la ĉambron gajo, rido kaj facileca senĝeno. Kun pli malgranda rapido la knabo nun manĝis, rakontis dum unu minuto al la demandanta patrino tion kaj jenon pri la pasinta tago, poste komencis larĝe oscedi, streĉi la membrojn: la merlo eĉ ne interesis lin en tiu minuto.

Iru dormi filĉjo, iru dormi — diris la patrino, karesante lin sur la kapo, ĉar morgaŭ vi denove bezonas...

— Mi iros, patrinjo... li respondis per dorma voĉo — mi laciĝis ege!

— Kaj la preĝon faru — memorigis lin la patrino.

— Mi preĝos, patrino.

Li kisis ŝian manon, genuis antaŭ sia kuŝejo kaj klinante la kapon al la kunplektitaj manoj, li preĝis rapide duonvoĉe la Patro-Nian, interrompante la preĝon per ega oscedado, poste frapis sur la bruston, krucesignis sin svingurĝe kaj demetante rapide la vestojn, li ĵetis sin sur la duran sternaĵon.

Tre baldaŭ li endormiĝis, kaj en la ĉambreto oni aŭdis lian ritman profundan spiron. Dume la patrino longe ankoraŭ susure flustris preĝetojn antaŭ la nigriĝinta orkolora bildo de la Plej Sankta Virgulino.

Fine, la lampeto estingiĝis, la merlo ĉesis barakti

en la kaĝo, ĉio silentiĝis por morgaŭ ree vekiĝi je tagiĝo.

Pri la vekado estis ĉiam malbone. La vidvino dormis per dormo maljunuleca, mallonga, gardema, kvazaŭ ŝparanta la horojn dum la vivo por la granda dormego en la tombo.

El la dormo ŝi vekiĝis post la dua kokokrio, longe antaŭ la unua fajfo de la fabriko, kaj descendante el la litaĵo, ŝi trotadis en la ĉambreto preparante supon por la filo flustrante preĝojn. En la fenestro staris tiam granda silenta stelo antaŭtagiĝa, lumanta rekte sur la vizaĝon de la dormanta knabo. La patrino ĉiufoje kondukis siajn okulojn sur tiun vizaĝon. Volonte ŝi jam vekus sian solfilon, sed ties profunda dormo detenas ŝin de tiu faro.

— Tiu! — ŝi flustris duonvoĉe — Tiu delikatuleto ankoraŭ dormu iom...

Sed kiam ekaŭdiĝis la grinca fajfo de la eligita vaporo, ŝi vokis al la knabo:

— Marĉjo! Marĉjo! Leviĝu, fi'eto! Oni fajfas...

La knabo turnis la kapon al la muro.

— Tio estas la' merlo... — li diris duonkonscie pro dormo.

— Ne merlo, ne! En la fabriko oni fajfas, filĉjo, kaj ne la merlo!

Li streĉadis sin, kovris la kapon, murmuris, sed la patrino ne cedis. Kiam la nokta deĵoro jam finiĝis, la kaldronisto unua devis stari sur sia loko antaŭ la apero de la laboristoj. Tio ripetiĝis dum la tuta semajno ne kun escepto eĉ de dimanĉo.

Sed unufoje, restis ankoraŭ multe ĝis mateno, la knabo kun krio vekiĝis el la dormo mem, kaj eksidis sur la litaĵo.

La patrino tuj alpaŝis.

— Kio okazis? Kio estas al vi, fileto, kio? ŝi demandis zorgoplene.

Li ne respondis. Rigardis ŝin per larĝe malfermitaj okuloj, la buŝo estis trema, la frunto en malvarma ŝvito. La disbutonumita ĉemizo moviĝis leve pro la fortaj laŭtaj batoj de la koro.

La patrino lin ĉirkaŭprenis per la brakoj.

— Kio estas al vi, fileto, kio estas al vi — demandis la patrino delikate alpremante lin al si kvazaŭ malgrandan infanon.

Longe li ne povis trankviliĝi.

— Nenio, patrino — li diris fine kun rimarkebla fortostreĉa peno — kaj nenio...

— Mi nur sonĝis... ke... tondro batis en min.

La vidvino rigidiĝis, sed ne lasis tion rimarki al la filo. Ŝi estis ekparolonta, sed la voĉo haltis en ŝia brusto.

La knabo sidis sur sia tabula litaĵo, ŝtonigite, senmove, gapante antaŭ sin per teruriga rigardo.

— Tondro, patrino — li diris per mallaŭta interrompa voĉo — tia ruĝa, terura kiel drako, sur la bruston ĝi falis, patrino... tiel timiga... ruĝa...

Li silentiĝis kaj spiregis laŭte.

La vidvino penis iel lin trankviligi.

— Nenio grava, fileto! — ŝi diris, karesante lian varmegan vangon. — Kio grava!... Sonĝo — iluzio kredu je Dio. Nenio grava, filĉjo!

Kaj kiam la knabo laŭte ekklakis per la dentoj, ŝi sidiĝis apud li, alpremis lian kapon al siaj mizeraj brustoj, lulante lin simile kiel infanaĝe.

La knabo trankviliĝis kaj kovrante ŝin falis sur la kusenon.

— La patrino povas jam foriri — li diris — patrino kuŝiĝu... Mi ekdormus...

Sed li ne ekdormis. Li kuŝis dorse kun larĝe malfermitaj okuloj, gapante estingiĝantajn stelojn sur la orienta ĉielo.

Ŝi ĵetis sur lin rigardon unufoje kaj duan fojon.

— Kial vi ne dormas, filĉjo — ŝi demandis.

— Mi ne povas patrino... li respondis mallaŭte per plenda voĉo.

Ŝi aliris kaj sidiĝis ĉe li.

— Ne embarasiĝu, filĉjo! — Ŝi ekdiris.

— Ne ĉagreniĝu! Ĉu por tio la kompatema Dio kreis la tondrojn, ke per ili li timigu al vidvino ŝian solan fileton?

Ne lasos kaj ne permesos tion Sinjoro Jesuo kaj la patrino plej Sankta...

Kaj mi diras al vi, ke tondro, kiam fraŭlo aŭ fraŭlino pri ĝi sonĝas, simbolas edziĝon. Jen kion tondro signifas... Mi ja posedas sonĝolibron, do mi scias.

Ŝi diris tion kun rideto, preskaŭ gajete, trakondukante sian maldikan manon sur lia frunto, kaj karesante al li la harojn, ĝis la knabo iom sereniĝis kaj same ekridetis.

— Do vi diras, ke edziĝon tio signifas — li demandis.

— Certe, edziĝon, bruegan edziĝfeston...

La knabo enprofundiĝis kaj post minuto diris:

— Do mi jam leviĝas, patrino...

— Leviĝu filĉjo, leviĝu... Mi kuiros la matenmanĝon; kiam vi manĝos, vi pri tio forgesos.

Jes, li forgesis. Pli gaje eĉ estis dum tiu mateno ol ordinare en la ĉambreto, ĉar la knabo, havante sufiĉe da tempo, unu post alia fajfis melodiojn kvazaŭ li volus vetsuperi la merlon, ĝis la birdo raŭkiĝis; kaj kiam ĝi venis al la loko, kie temas pri Sofinjo ekvolanta berojn, ĝi fajfis tiel melankolie kiel se iu kantus nazvoĉe. Ekridis Marĉjo, ekridis la patrino kaj tiel en gajeco ili disiĝis. Kiam li eliris, la vidvino staris ĉe la pordo kaj aŭskultis la malproksimiĝantajn paŝojn. La paŝoj estis facilmovaj, kuraĝaj, liberaj kiel kutime de junaj piedoj... Eĉ la kurbaj malnovaj polvoputraj ŝtupoj ne knaris hodiaŭ kiel kutime ĝis nun. Nur kiam la knabo brufermis post si la pordon, ŝia koro komencis bati kun rapida timo, la krako estis obtuza, subtera, kaj resonis per terura eho en la malplena vestiblo. Ŝi ekkuris al la fenestro, por rigardi post la filo.

Li iris facilmove, rapideme, kun alten levita kapo, kaj kiam li estis traironta la pordeton de la fabrika muro, li returniĝis kaj rigardis supren. Povas esti, ke al la fenestreto, aŭ sencele...

Post minuto densa, nigra fumo svarmire eliĝis el la kamentubo.

Forpasis horoj. En la pura ordigita ĉambreto fariĝis silente; la malnova horloĝo, kun la rozo konveksa sur la flaviĝinta ciferplato, tiktakis sur la muro monotone, la merlo provis plej gajajn melodiojn, baraktante kun sia raŭka voĉo; kaj la vidvino, kun la penso pri tiu sonĝo de la filo, simbolanta edziĝon, kontrolis sian festan veston.

Subite aŭdiĝis terura krako. Ektremis la muroj, la gruzo el la kameno komencis ŝutiĝi. La fenestreto kun bruo elfalis. Granda fajrera kolono da fumo eksplodis en la ĉielon kune kun fontano da brikoj

# OBSERVO

## SVEDA PIONIRO EN LA PORBLINDULA LABORO

Sveda pioniro en la porblindula laboro, s-ro *Harald Thilander*, mem blinda de sia 7-a jaro, dum sia 60-a naskiĝotago antaŭ nelonge estis tre honorata de sia propra lando kaj aliaj. La plej altaj signoj de estimo, kiujn li ricevis, estis la sveda Vasa-ordeno kaj la pola ordeno Polonia Restituta, la plej alta distingo, kiun Polujo povas doni al privata persono.

Harald Thilander estis filo de kampara instruisto. Post severa atako de skarlatino, kiam li estis nur sepjara, li tute perdis vidpovon kaj aŭdopovon kaj parte movpovon de la manoj.

Oni sendis lin al instituto, kaj tie li eksciis pri speciala presmaniero, kiu ebligas legadon al blinduloj. Por povi legi la brajlajn librojn, tiam haveblajn nur en la franca, li devis unue lerni la gramatikon de sia propra lingvo. Tion li faris kun granda klopodo kaj daŭrigis por majstri la francan, la anglan kaj la germanan. Poste li lernis ankaŭ la italan, la hispanan kaj la finnan.

Fine li povis forlasi la instituton, kaj per kuraĝigo kaj subteno de blinda muzikgvidantino, kiu poste fariĝis lia edzino, kaj de aliaj, li sukcesis akiri necesan ekipon por brajla presado kaj komencis aperigi verkojn por blinduloj.

En 1901 Thilander interesiĝis pri Esperanto. Li tuj komprenis ĝian valoron por internacia publikigo por blinduloj, kaj li utiligis siajn multajn eksterlandajn interrilatojn por fervore propagandi Esperanton inter la blinduloj. En 1904 li kaj la franca profesoro Th. Cart komencis eldoni Esperanto-gazeton por blinduloj, »Esperanta Ligilo«, kies aperigon s-ro Thilander tute prizorgis post 1913.

Ĉiamaniere li laboris por siaj sortofratoj en la tuta mondo. En sia presejo en Stocksund, apud Stokholmo, kie li ankaŭ loĝas, li pretigis brajlajn publikajojn kaj eldonis je produktadkosto por blinduloj en aliaj landoj, kiuj ankoraŭ ne povis starigi proprajn presejojn. Nuntempe estas presata en la presejo de Thilander granda nombro da publikajoj por blinduloj, la plej grava la menciita »Esperanta Ligilo«, kiu estas distribuata al ĉirkaŭ 30 landoj, kaj la popularscienca »Nia Mondo«. *(Sveda Internacia Gazetservo.)*

KRISTINA, SVEDA REĜINO. Ŝi parolis dek, aŭ dekunu lingvojn, donis okupon al la amaso de sekretarioj, skribadis leterojn de mateno ĝis vespero al reĝoj, scienculoj, generaloj, diplomatoj kaj artistoj, ŝiaj konatoj kaj amikoj estas troveblaj en ĉiu kulturcentro de Eŭropo — jen tiel skribas la samepokano pri la filino de Gustavo Adolfo. Kristina laŭ Keyserling, estas unu el la plej interesaj figuroj de la mondhistorio. Pli ol tricent jaroj ventegis tra Eŭropo de tiam, ke tiu ĉi viranima virino teruris per siaj kuraĝaj kaj neatenditaj ideoj la diversajn registarojn. Dum tiuj tri jarcentoj multaj kronikis pri la aferoj de kristina, kio ne ĉiam apartenas al la rekomendeblaj rakontoj por la junularo. Sed, fakte, la kronikistoj, plejparte ne aplikis sian kronikon al la faktoj kaj historia realo.

Komence la akuzoj sekvis unu la alian. Kio povis esti home misfamiga, kio povis esti morale malhonestiga, ĉion malbonan, kion la homa cerbo povis elfantaziigi, oni ŝmiris sur la figuron de la malfeliĉa reĝidino, tiel ke mem la figuro fine tute malaperis en la kotmarĉo de tiuj afablaj ŝmirajoj. Tamen, ŝi estis kulturestaĵo kaj ofte boninstinkta kaj akrevida politikisto. Poste venis novaj historiistoj, kiuj nun volis per sia patenta maniero neĝblankigi la figuron de Kristina. Laŭ ili ĉio estis kalumnio kaj tiuj ĉi pur-industriistoj de la literaturo eĉ klopodis normaligi la sendube ne ĉiutagan moralan vivon de la reĝino.

Estas klare, ke post la diversaj ekstremoj devos naskiĝi la vera biografio pri Kristina. La libro de *Margaret Goldsmith* plenigas nun tiun ĉi jam delonge sentatan mankon. Ŝi desegnas kun egala atento ĉiujn trajtojn de tiu signifa kaj stranga persono. Ŝi prezentas la fonton de la implikaĵoj, la konfuzojn, kiuj sekvis la naskiĝon de Kristina; kiel oni kredis pri la novnaskito, ke ŝi estas knabo kaj kiel oni klopodis resti konsekvencaj al tiu eraro. Kristina ricevis knab-edukadon, oni edukis lin kvazaŭ estontan soldaton. Kio poste okazis en la vivo de Kristina, estis la konsekvenco de tiu eduko kaj de tiu akcidento, pro kiu ŝia ŝultro oblikviĝis kaj neniam ŝi povis liberiĝi de certa malsuperec-komplekso.

La aŭtorino atentigas nin ankaŭ pri tio, ke Kristina nur teorie havis infanaĝon. Oni edukis ŝin kiel viron kaj atendis, ke ŝi estu virine subtila; — ĉu tia espero povis plenumiĝi? ... Kaj kiam ŝi plenkreskis kaj antaŭ la tuta mondo klariĝis, ke ŝi neniam edziniĝos, ŝia sorto iĝis tute definitiva. Se ŝi estus edziniĝinta, ŝi neniam estus abdikinta. Tiaokaze la historio de Svedlando nun estus pli riĉa per granda regnestro kaj malpli riĉa per granda aventuristo- aŭ per unu malfeliĉa homo.

Tiu ĉi Kristina-biografio, per sia drameca pleno, per sia krediga, profunda psikologio efikas kiel escepte sukcesa, literaturnivela detektivromano, kiun ni sekvas kun ne malvigliĝanta intereso de la komenco ĝis la ruiniĝo de Kristina. Ŝia granda konflikto inter la paragrafoj, moralaj leĝoj, tradicioj, kontraŭ kiuj ŝi ekmilitis kaj la individuo, kiu estis produktaĵo de tiuj faktoroj, estas psike tiom subtile motivita, ke ni sentas ŝian tragedion preskaŭ kiel nian propran.

ANTAU CENT JAROJ MORTIS TALLEYRAND. Sur la mortlito li ricevis punon por la malicaĵoj de lia tuta vivo en la formo de malagrabla, malica spritaĵo. Ludoviko Filipo, la reĝo vizitis la mortanton, al kiu Talleyrand jene plendis:

— Mi suferas, Reĝa Moŝto, kvazaŭ la flamoj de la infero min bruligus.

Kaj tiam la reĝo diris nur tiom:

— Kio? Ĉu jam?

Sed tiun scenon antaŭis multe da aliaj, en kiuj Talleyrand ne havis tiel pasivan rolon.

Talleyrand estis unuenaskito en sia familio kaj se li, pro infanaĝa akcidento, ne estus lama, li eble vivus en la historio, kiel generalo. Sed post la akcidento la patro ne plu volis lin toleri en sia domo, kaj, kiel kutime ĉe la francaj aristokratoj tiutempe, Talleyrand, kiel ne taŭga

---

kaj grandaj derompaĵoj de disfalinta kameno, plenigante la ĉambreton per terura lumo. La vidvino rigidiĝis. Eĉ unu krion ne eligis ŝia buŝo. Nur la grizaj haroj leviĝis super la frunto, nur la plilarĝiĝintaj pupiloj blankiĝis pro rapida teruro kiel ĉe mortinto.

Eble ŝi eĉ ne aŭdis la sovaĝon bruegon, kiu portiĝis el la strato:

— La kaldronisto... la kaldronisto mortigita!

Multajn jarojn poste ŝi sidadis ĉe la sama fenestreto, rigardante per siaj melankoliaj okuloj al la fabrika kamentubo, el kiu iris supren bluaj kolonoj de fumo.

Nun tiu fumo ne posedis la antaŭajn belajn formojn, sed konstante ŝanĝiĝis en nebulan figuron de ŝia karmemora knabo. Tiam ŝi leviĝis, eltiris la tremajn elsekiĝintajn manojn. Sed la nebulan figuron la vento levis, forblovante ĝin ien en la lazurojn...

El la pola: S. *Guterman.*

esti militisto, iĝis pastro. Lia kariero estis brila. Estante 26-jara, li jam estis revizoro de ĉiuj francaj eklezioj fondaĵoj, kiam li estis 31-jara, li estis konsekrita episkopo de Autun. Sed tiu ĉi nobela kaj ekonomie profitiga pozicio ne embarasis lin. Post la revolucio li iĝis pli ribelema ol la denaskaj ribeluloj, poste kun granda entuziasmo li aliĝis al Napoleono, kaj kiam Napoleono ne akceptis liajn konsilojn, li komplotis kun la Bourbonoj por la forpuŝo de Napoleono. Dum la tempo de la reakcio li estas jam la rivalo de Metternich kaj lian karieron de tempo al tempo markas la direktoŝanĝoj. Ne li, sed Bismarck estis tiu, kiu diris: — Nur der Ochs ist konsequent. Nur la bovo estas konsekvenca, — sed ankaŭ Talleyrand povus esti la patro de tiu ĉi spritaĵo.

Malantaŭ la vivo de Talleyrand oni ne serĉu nur tiujn ĉi politikajn turniĝojn. La politiko ĉe Talleyrand estas nur rimedo, nur esprimformo de la sprito. Lian karieron desegnas, lian individuon revivigas la majstra biografio de Duff Cooper.

La artifikaĵoj, kiujn li uzis en la diplomatia vivo, kaj lia negocemo malaperos en la ombro de la bone meritita forgeso, kiam lia brila individuo, lia ironia genio restos ankoraŭ la tipa ekzemplo de la franca sprito.

Ĉirkaŭ tiu flamanta vivemo la virinoj kirliĝis kiel ebriaj papilioj kaj Talleyrand estis unuaranga psikologo. Kvankam li ĝenerale ne estis en bona rilato kun la Kurio en Romo, tamen kelkfoje li faris al ĝi utilajn servojn kaj pro tia servo oni lin absolvis de la pastra fraŭleco kaj li povis eĉ laŭleĝe edziĝi al la vidvino Grant, kun kiu li jam delonge kunvivis. Sed tio ja ne malhelpis lin en liaj virin-aferoj. Ankaŭ la granda pentristo Eŭgeno Delacroix estis lia filo, kvankam ĝismorte li ne sciis, ke lia patro en estas Delacroix, la antaŭulo de Talleyrand en la eksterafera ministreco.

Li estas ankoraŭ junulo, kiam la fama madame Tallien volas lin enretigi. Ŝi akceptas en rava negliĝo la junan pastron, kiu post la unua ekscitiĝo rimarkas la intencan ruzon de la mankoplenaj vestoj kaj reakiras sian aplombon. Post unu tago li sendis al la sinjorino grandan pakaĵon kun la surskribo: »Vestaĵo por s-ino Tallien«. La sinjorino, la eterna virino, kun volupta plezuro kaptis la okazon por krevigi siajn gast-amikinojn kaj fiere enportigis la pakaĵon kaj malfermis ĝin. Post amaso da paperoj elvolviĝis la nova tualeto, ne tro multe, nur unu figfolio. Oni povas imagi la furiozon de la sinjorino, kiu certe sciis, kiu estas la sendinto.

Li konis bonege ne nur la virinojn, sed akre li konis ĉiujn, kiujn li renkontis. Lia tuta vivo estis aranĝita laŭ tiu ĉi kono. Se li ekzemple havis gastojn, li havis certan riton de la manĝpropono. La plej gravajn, proksime sidantajn gastojn li instigis jene:

— Ĉu vi honorus min per akcepto de tiu ĉi peco da bovoviando?

Al tiuj, kiuj sidis ĉirkaŭ la mezo de la tablo, li parolis jene:

— Ĉu vi deziras iom da bovoviando?

Ĉe la ekstremo de la tablo oni aŭdis nur lakonajn vortojn:

— Bovo! Prenu!

Kun la Vatikano li havis variajn rilatojn. Kelkfoje li repaciĝis kun la eklezio, kelkfoje li estis ekskomunikita, fine, kiam li kuŝis sur la mortlito, la Eklezio emis pardoni lin nur, se li laŭforme, skribe neniigas ĉiujn siajn kontraŭekleziajn agojn. Precipe lia nevino urĝis la subskribon de tiu skribaĵo, por ke li povu ricevi la absolvon. Sed Talleyrand persiste kontraŭstaris, superfluan konfeson li ne volis doni.

— Morgaŭ matene, je la sesa mi subskribos — li ĝemetis.

— Sed se tiam vi ne plu povos ĝin subskribi? — ŝi petegis.

— En mia tuta vivo mi ne malfruis pri la plenumo de mia promeso, — diris la malsana episkopo. Kaj vere, la sekvan tagon je la sesa horo matene li subskribis la dokumenton, por kio li fine ricevis la lastan komunion.

Cent jaroj pasis de tiam kaj se nenio restis el la implikaĵoj de la diplomata ruzo, la genia sprito de Talleyrand ne paliĝis en la ŝanĝiĝoj de la tempo.

## LA BULGARA LITERATURO

La mezurilo kaj seizmografo de la naciaj kulturoj estas la literaturo. En la universala koncerto de Eŭropo anoncas sin pli kaj pli kuraĝe la originala, interesa kaj speciala tono de la literaturo bulgara.

Nur de kelkaj jardekoj Eŭropo atentas tiun ĉi tonon, kvankam ĝi pli ol mil jarojn antaŭ nia epoko aperis unue: en la naŭa jarcento du monahoj, Kyril kaj Methodus, kiuj en Bizantio akiris sian kulturon, kreis la unuan cirilliteran alfabeton. Samtempe la bulgara caro, Boris la I-a, kristaniĝis kun sia lando kaj baldaŭ cirilliteraj psalmoj kaj ekleziaj notoj dokumentas la fruan kulturan evoluon de Bulgarujo. Se la evoluo de la bulgara kulturo estus neĝenita, ĝi starus post tiu ĉi frua komenco unualoke en Eŭropo. Sed preskaŭ dum la tuta historio la lando estis batalejo de la dinastiaj kaj imperialistaj militoj. *Inter arma silent Musae.*

Post la XIII-a jarcento Bulgario vivis en turka subpremo, la naciaj klopodoj premiĝis malantaŭ la murojn de la monaĥejoj kaj ekleziaj lernejoj, kaj inter tiaj cirkonstancoj ne povis evolui la nacia literaturo. El tiu epoko nur malkompletaj psalmoj kaj kelkaj cirilliteraj surskriboj markas, ke ne tute malaperis la bulgara nacia konscio. Ĝis la fino de la XVIII-a jarcento apatiis Bulgarujo sub la turka regado. Tiam okazis, ke denove monaĥo, Piassij Hildenarskij, ekskuis la dormantan nacion. En primitive malfacila, nun preskaŭ ne komprenebla lingvo skribis la monaĥo sian alvokon al la bulgara nacio. Kaj la bulgaroj komencas decidan batalon por la valorigo de siaj naciaj rajtoj. En la komenco de la pasinta jarcento eksonas la literaturo; en 1838 oni establas la unuan bulgaran presejon en Saloniki. Kaj per tio oni kreas la eblon de la literatura evoluo.

La rolon de Hildenarskij heredis Petko Slawejkov. Li estas la fondanto de la nuna bulgara literaturo. Vilaĝa instruisto, malliberulo kaj fine ministro li estis.

Luben Karaweloff estas jam la poeto de la revolucio, Kristo Boteff, la poeto de la liberamo, kiel junulo mortis sur la batalejo por la libero. Li postlasis nur 24 poemojn, sed ĉiu lia poemo estas valora perlo de la bulgara literaturo. Ivan Vazov estas ankaŭ la poeto de la libermovadoj, sed li jam laboras sur ĉiu teritorio de la literaturo. Li estis la unua bulgara verkisto, kies verkojn ankaŭ la okcidento ekkonis. (Unu el liaj novelvolumoj aperis ankaŭ en Esperanto.) Aleko Konstantinov reprezentas la bulgaran humoron, tiun amaran memironion, kiu vekas larman rideton. Tiuj kvin estis la pioniroj.

Unu el la plej eminentaj reprezentantoj de la nuna bulgara literaturo estas Pejn Jaworoff, kies tragedia vivo lasis malhelan impreson en liaj verkoj. En eta, kaŝita bulgara vilaĝo li komencis sian vivon, telegrafisto li estis, plena de sopiro al la mondo. Lia talento, temperamento kaj persisto ŝajne sukcesigis lin, sed fakte ĝuste tio kaŭzis lian tragedian falon. Oni komencis koni lin, aklamis lin, li edziniĝis filinon de ministro kaj ankaŭ socie li jam havis rolon. Sed la edzino ne povis toleri la ĵaluzon de la edzo kaj mortigis sin. Oni akuzis lin pri murdo. Jaworoff provis sin mortigi, tamen li restis vivanta, sed blindiĝis. La proceso kontraŭ li, la memakuzo kaj la socia bojkoto, per kio oni persekutis lin post la juĝeja malkondamno, fine pelis lin denove al la jam nun plenrezulta sinmortigo. Lia plej reprezenta dramo estas la »Tempesto«.

La ankoraŭ ne plenforta, sed plene evolukapabla voĉo de la bulgara literaturo estas survoje al la plej inda loko en la kulturunuo de Eŭropo. — Estas agrable noti ĉi tie ankaŭ la ekziston de la esperantlingva »Bulgara Antologio«. *D. T.*

## DETEKTIVROMANO KAJ ERUDICIO.

El la populareco de la detektivromanoj ĉe la angla publiko oni ne rajtas malfavore konkludi pri la kulturnivelo de la angloj. En diskutvespero de francaj verkistoj

diris tion *Georges Duhamel.* Oni diskutis pri tio, ĉu la malprospero de la franca granda romano kaj la progreso de la detektivromanoj estas provizora, aŭ pli konstanta fenomeno?

Laŭ Duhamel — kaj li ja havis multe da kontraŭuloj — la beletristiko estas nur speco de la amuzoj, kvankam la plej bela kaj nobla amuzo. La kulturnivelon de la angla publiko markas la granda nombro de la sciencaj verkoj. La populareco de la detektivromano estas la natura konsekvenco de tiu alta kulturnivelo. Ĉar tiu, kiu estingis sian soifon el la plej bona kaj plej pura kulturfonto, ne plu sopiras la grandajn romanojn. Tia menso bezonas ĝuste la detektivromanojn, laŭ Duhamel. Tiuj distras, tiuj forigas la lacigajn pensojn pri la diversaj problemoj kaj ripozigas la cerbon. La serioza, altnivela »granda romano« ŝajnas naiva al tia homo kaj ne interesas lin, ĉar li ricevas en ili problemojn, pri kiuj koncize kaj mallonge, ne miskompreneble parolas seriozaj sciencaj verkoj.

Duhamel atendas, ke ankaŭ en Francujo konstantiĝos tiu ĉi simptomo. Povas esti, ke en Francujo ne la detektivromano okupos la lokon de la granda romano, sed io alia, iu alia distrilo. Sed, oni ne povas kontesti, ke tiu »io« jam estas survoje.

(V.) L'HOMME QUI SE DONNAIT LA COMEDIE (La viro, kiu ludis al si komedion). Kiel ofte okazas kun la vere bonaj aferoj, oni nekredeble facile forgesas ties aŭtorojn. Ekzemple mi neniam povis memori la nomon de tiu sprita hungaro, kiu bonvolis doni al si la penon komponi por mia plej granda raviĝo la mirindan baleton: A G é p e m b e r (La Maŝin-homo). Same pri tiu bravulo, kiu foje elpensis la alumetojn.

Kompreneble jam delonge eliris el mia kapo la nomo de la angla dramverkisto, kies lastan verkon mi ĝuis antaŭ monato en franca traduko. Feliĉe mi iom memoras tiujn de la ĉefaj rolantoj, tiel ke mi povos rakonti al vi pri kio temas.

Mrs. Bramson — jes, tiel ŝi nomiĝas — estas simpla monstro. Eta virino, abomene ŝminkita, erinace hirta, kun misaŭgura okulo. Ŝi ŝajnigas sin paraliza kaj vivas en puŝfotelo! Riĉega kaj avara, ĝemplena kaj frandema, sekrete inklina al drinkado kaj senkompate malica. Sian nevinon, Olivia, kiu kun ŝi vivas, ŝi traktas kiel servistinon.

Kaj kion plian ni vidis? Grandan knabon, ne tro viglan, kiu enamiĝis al Olivia. Krude senbridan kuiristinon. Junetan ĉambristinon, duone naivan, duone senhontan, kiu bele rompas la porcelanajn tasojn.

Ĉe la tradicia simpleto de tiuj karakteroj oni rekonas, ke la verko estas angla. Tion oni rekonus ankaŭ ĉe la malmulta zorgo, kiun la aŭtoro prenas por pravigi la alvenon kaj eliron de la figuroj. Dum la tri aktoj, tiuj aperas aŭ malaperas tute senkaŭze. Same kiel anglo neniam fermas pordon, la angla teatro estas libera trafikejo, kaj la britaj dramoj estas, kiel la domoj, plenaj de trablovoj. Male la francoj, tro zorgemaj kaj etburĝaj, sin vindas en agrabla komforto, kaj la duono de ilia dramarto konsistas el tio: ne malfermi pordon senkaŭze.

Mrs. Bramson vivas en domo danĝere izolita meze de arbaro. La najbara urbo, kiu ŝajnas brila kaj tre vizitata de turistoj, situas je dukilometra distanco. Kio tamen ne malhelpas ,ke Dora, la ĉambristino renkontu sur vojmeza fojnamaso la servbubon de hotelo, Dan. Kiam ŝi hipokrite konfesas sian gravedecon al Mrs. Bramson, tiu ne tiel indigniĝas kiel oni povus atendi. Ŝi parolos al la deloganto kaj devigos lin edzinigi Dora. Ĉu vi rimarkas la artifikon de la aŭtoro? Tiel Dan eniros en la domon de Mrs. Bramson kaj eĉ sur la scenejon.

Li do venas por raporti pri sia konduto rilate al Dora. Li estas unu el tiuj knaboj maldikaj, krispaj, flatokulaj, mokbuŝaj, kies aspekto nenion bonan aŭguras. Cetere ĝentila, afabla, servema, tute ne ofendiĝema, kaj ĉion akceptanta kun sprita rideto.

Tiu suspekta kaj insida figuro baldaŭ iĝos la kerno de la tuta teatraĵo. Tuj kiam li rimarkas Olivia, la malriĉan nevinon, li senceremonie sin proponas al ŝi. Olivia estas inteligenta knabino, melankolia, hardita de la sorto, kiu seke lin forpelas. »Amindumu mian onklinon« ŝi ironie konsilas al tiu stratfripono. »Kial ne?« li rebatas. Ili vetas. Kaj Dan cinike komencas sub niaj okuloj la sieĝon al la terura Mrs. Bramson.

Kiam la kurteno leviĝas ĉe la dua akto, la sieĝo jam mirinde prosperis. Mrs. Bramson, animtuŝita de la afablaĵoj de Dan, lin dungis servisto. Li ĉirkaŭas per mil komplezoj tiun megeron, kiu ĉiam sentis sin abomenata, kaj kies koro subite fandiĝas. Dan kelkfoje suferas atakojn de melankolio. Ankaŭ lin neniu amis. La patron li neniam konis; la patrino mortis, kiam li estis sesjara. Li nomas Mrs. Bramson panjo; ŝi plu ne povas vivi sen li. Je la ĝusta horo li alportas al ŝi la viskion kaj la pastilojn alterne. Ŝian fotelon li puŝas. Li legas al ŝi. Li estas la diablo. Olivia rigardas kun silenta teruriĝo tiun komedion. Kaj en ŝia spirito formiĝas la unua ideo pri la vera personeco de Dan. Li ludas la komedion al si mem. Li estas mitomaniulo, kiun tre distras la propraj fabeloj.

Dume, el la hotelo, kie Dan iam dejoris, malaperis virino: blonda, eleganta, tiel »purrasa« kaj nereala kiel la aliaj figuroj. Ŝi estis elirinta por promeni en la arbaro kaj ŝin oni ne revidis. Ĉiu parolas pri tiu malapero. Enketas la polico. Mrs. Bramson parte furiozas pro la nediskreteco de l' detektivoj, parte ĝojas esti menciita en la gazetoj. Fine oni retrovas la korpon nuda kaj senkapa, rapide enfosita en la rubejo ĉe la ĝardeno de Mrs. Bramson!

Ĉu detektiv-romanon oni prezentas al ni? Kaj ni jam scivolas kun angoro, ĉu la kulpulo estas Dan, aŭ Olivia, aŭ ŝia sopiranto, aŭ, kiu scias, Mrs. Bramson mem, la falsa paralizulino? Verdire la aŭtoro momente lasas nin en tiu problemo tute senhelpaj kaj ni molpaŝe kaj senkonvinke sekvas lin en la labirinto de la hipotezoj Ariĝas tro da faktoj por pruvi, ke Dan estas la murdinto. La krimulo fajfis kanzonon, kiun ankaŭ Dan fajfas. En la poŝpaperujo de Dan kuŝas foto de la viktimo. Inter la pakaĵoj de Dan staras ĉapelkesto tre peza kaj ŝlosita: oni senhezite sugestas al ni, ke ĝi entenas la kapon de la murditino. Sume aperas tiom da pruvoj kontraŭ Dan, ke ni fine supozas ke la aŭtoro ilin amasigis por nin erarigi. Ŝajnas, ke homo tiel forte suspekta estas nepre senkulpa. Sed Dan estas efektive la murdinto.

Sed neordinara murdinto! Ĉiumomente li elpensas novajn fabelojn, ilin ĝuas kaj duone kredas. Lia kazo apartenas al la psiko-scienco. Kaj ankaŭ al la romantismo, ĉar ni subite vidas lin plendi amare pri sia senama infanaĝo kaj malbenita sorto, kaj postuli »sian lokon ĉe la suno«. Samtempe li tre sobre preparas novan murdon: tiun de Mrs. Bramson.

Li do atendas vesperon, kiam li estos sola kun Mrs. Bramson. La aŭtoro ĝentile forpermesas ĉiujn aliajn figurojn. En sia fotelo sidas Mrs. Bramson pli abomena ol iam kaj tute freneze enamiĝinta. Malantaŭ ŝi staras Dan retrofaldante la manikojn. Li ŝajnas mezuri la kolon, kiun li tuj premsufokos. Per unu mano, li levas kusenon. »Petola bubo!« kluke ridas Mrs. Bramson. Estas ŝiaj lastaj vortoj. La kuseno alpremiĝas sovaĝe al ŝi. La kurteno falas.

La lasta sceno montras Dan, kiu malfermas la sekretan ŝranketon, kie kuŝas la tuta monhavo de la viktimo. Sed apenaŭ li enŝovis sian akiraĵon en la poŝon, aperas unu post la alia la figuroj, kiujn la aŭtoro forigis dum unu akto. Venas unue Olivia, kiu amas la murdinton. Poste la servistinoj kun la polico. Kaj ĉio finiĝas.

(V.) LA MEDICINO ĈE LA TEATRO de Shakespeare ĝis Brieux. La teatro, kiam ĝi celas esti io alia ol nura spektaklo, kutime respegulas la plej sekretajn angorojn de la homo. Timo pri la sufero, pri la morto, pri la mil kadukiĝoj kaj degeneriĝoj, kies senkompata minaco konstante ŝvebas super niaj kapoj. La ambicio, la pasio, la malamo, la posedavido reprezentas ofte malmulton kompare kun la zorgo al nia korpa persono.

Kaj tamen pasis jaroj kaj jarcentoj antaŭ ol tiuj zorgoj aperu sur la scenejo, antaŭ ol dramaturgo aŭdacu ilin

prezenti. Verdire oni trovas en la grekaj tragedioj pli ol figuron, kiu suferas malsanan staton: Orestes, se citi nur lin, estas maniulo, halucinito, kiu nuntempe bezonus la prizorgon de frenezulisto. Sed ni ne forgesu, ke ĉe la helenoj la frenezo estis puno sendita de la dioj, kiuj solaj povis ĝin kuraci. Ni do ne povas paroli pri medicina problemo. Nur el la religia vidpunkto Ajsĥilo kaj al aliaj tragediistoj studis la aferon. Same, en la »Philoktetes« de Sofokles, la ulcero rodanta la piedon de la kunulo de Akiles, estas la efiko de dia venĝo. En la tuta antikva teatrajo, la dioj — videblaj aŭ ne — montriĝas la solaj potencoj, kiuj influas nian sorton.

Forflugas la jarcentoj kaj jen venas Shakespeare, kies neordinara genio, tiom antaŭ de la samtempanoj, sin klinis super la mizeroj mensaj kaj korpaj de la homo kaj ilin esploris kun certeco de klinikisto. La kadukeco de Lear, la epilepsio de Othello, la neŭrozo de Lady Macbeth (la ekzakteco de ties simptomoj impresis Charcot) estas priskribitaj de Shakespeare kun mirinda precizeco. Tamen tiuj ne estas la agrisortoj. »La Reĝo Lear« estas la dramo de la orgojlo kaj blinda pasio; »Othello«, la dramo de la volupta jaluzo; »Macbeth«, la tragedio de krima ambicio kaj rimorso. Forigu la korpajn mankojn de la figuroj: la konflikto restos netuŝita. Shakespeare ilin notis iel »krome« ĉar lia fulma intuo ilin kaptis pretere.

Poste oni inklinus citi Molière kun »La Amo kuracanto«, »La Kuracisto kontraŭvola« kaj precipe »La Malsanulo pro imaĝo«. Sed atentu! Tiuj ne estas m e d i c i n a j teatrajoj, sed verkoj k o n t r a ŭ l a m e d i c i n o, aŭ pli ĝuste: kontraŭ certaj tiamaj kuracistoj, al kiuj Molière riproĉis ilian ĉarlatanecon kaj senpovecon. Tio videblas tute bone en la »Malsanulo pro imago«, super kies kvin aktoj ŝvebas la ombro de Diafoirus, kiel rabobirdo super sia predo. Elĉerpita per jaroj da bataloj kaj senripoza laboro, konsumata de nekuracebla malsano, torturita de la kancero de malfeliĉa amo, Molière sentis sin perdita kaj riproĉis al la Medicino — tiam en infanaĝo! — ne savi lin per miraklo. En tio kuŝas la vera dramo de la »Malsanulo pro imago«.

La evoluo de la medicino baldaŭ sentiĝas ankaŭ en la literaturo. Sed efektive nur dum la lastaj jaroj de la 19-a jarcento la dramaturgoj kuraĝas prezenti medicinajn problemojn. Ibsen, ekzemple studis kun tute scienca rigoreco difinitajn patologiajn difektojn. Oni povas facile diagnozi la malsanojn de liaj herooj. Brand, Gregorio, Werle, Rebeka West suferas de »mensa degenero kun histerio«; Hedda Gabler, de morala idioteco; Borkmann, de daŭra deliro. Same la alkoholulojn de Ibsen oni povas klasi en kvar kategorioj: la obstinaj, la nekuraceblaj, la kuracitaj, sed repekemaj, kaj la denaskaj. Laŭ tiuj difinoj oni juĝu kiel progresis la medicina teatro depost Molière.

Sed restis al ĝi ankoraŭ farota paŝo. La verko de Ibrea ne montras edukan tendencon. Ibsen konstatas, sed ne plibonigas. Aliaj tion klopodis kaj precipe Brieux kun »Les Avariés« (La sifilisuloj), kuraĝa kaj utila verko, kiu ŝovas la demandon sur la socian grundon. »L'Evasion« (La forkuro) kaj »Maternité« (Patrineco) de la sama aŭtoro estas fortike ĉarpentitaj dramoj, animitaj de arda fido en la estonto, kaj kun eduka tendenco, kiun oni neniam tro laŭdos. Nuntempe oni povas citi dekope el la verkoj de la moderna reperaturo en kiuj la Teatro kaj la Medicino harmonie kaj utile kunlaboras.

(V.) DE RIDSUFOKIĜO ĜIS LARMTORENTO. La »usonaj beboj«, kiel ni ŝatas nomi iom superece tiun junan nacion, ĉiam sukcesas inside trudi fortajn emociojn al nia maljuna kontinento rigidiĝinta en sia tradicio. »College Holiday« estas ekzemple tia filmo, kian Eŭropo povus neniam koncepti. Ni fariĝis tro intelektaj por konvene respondi al tiu »alvoko de l' malsaĝo«. Oni apenaŭ serĉu en tiu verko ian gvidfadenon, ian logikan sekvon, ian verŝajnan situacion; ĝi montriĝas la triumfo de l' absurdo. La ĉefa rolantino, Gracie Allen, estas specialistino de la ridmalsano ĉe la Nov-Jorka radio.

La kern-ideo, se entute tia ekzistas en la filmo, kuŝas en la provo parigi junajn virojn kaj virinojn kun la celo plibonigi la rason. La molcerba profesoro Herkules Dove kaj riĉega »ekstravaganculino«, ambaŭ aŭtunaĝaj, invitas en luksegan hotelpalacon de Kalifornio gejunulojn el ĉiuj usonaj universitatoj. La gastigantoj surhavas grekajn vestojn kaj klopodas vivi laŭ la helena kodo. La filino de Herkules, Kalliopa, trovas por ĉiu junulino la perfektan Apolonon laŭ sekreta maniero. Dum nokt-festo en la parko pruviĝas, ke la paroj estis malbone elektitaj. . . kaj ĉiu kirlas sian buteron kiel al li plaĉas. De tiam la rido katenas la publikon ĝis la fino kaj fariĝas rip-torda konvulsio ĉe la prezento de la fama menueto de Paderewsky, en kies interpreto la plej groteska histrionajo kuniĝas kun la plej delikata rokoko.

Ĉe »Stella Dallas«, male, estas afero de naztuko! Se vi antaŭzorgis viziti la kinejon kun sufiĉe vasta tolpeco en la poŝo, vi certe pasigos agrablan kaj eĉ memorindan vesperon. Kun la kutima eta poŝtuko, la afero estas jam antaŭe perdita. Ĝi plu ne estus uzebla post dudek minutoj, kaj la filmo daŭras preskaŭ du horojn. Oni ja multe ploris ĉijare ĉe la kinejo. Pluraj Usonaj filmoj perforte patosis. Oni ploris ĉe la »Kuraĝaj Kapitanoj«, ĉe la »Eta Lordo Fauntleroy«, ĉe »La Romano de Marguerite Gautier« kun la ĉiela Garbo. Sed la rekordon nekontesteble tenas »Stella Dallas«.

La virinoj, ĉiam urĝemaj por ripari la difektojn, kiujn la emocio kaŭzas al ilia beleco, eĉ forgesas pudri sin ĉe la eliro. Ili kun fatalismo akceptas ruĝajn okulojn kaj eĉ ruĝan nazon. La viroj evitas unu la alian kun plugitaj vizaĝoj; la larmoj estingis la cigaron, kies stumpon ili nervoze maĉas.

Stella, por tamen iom paroli pri ŝi, montriĝas perfekta patrino. Sed ŝi estas tia speco de patrino pri kiuj oni hontas. Bela ŝi aspektas, sed kvazaŭ intence sin aĉigas per nepriskribeblaj roboj kaj kombmanieroj. Noblajn sentojn ŝi havas, sed tiujn esprimas per kruda voĉo kaj stalista vortprovizo. Ŝi estas diamanto, kies gangon oni sole vidas. La plej dolĉa koro ne sufiĉas por doni noblecon al la tro petolaj okuloj, al la tro ŝminke dikaj lipoj. Kiam ŝi klopodas altiĝi, ŝi tion faras kun la mallerto de ansero; neniam kun la gracio de birdo.

Kaj tiu kompatinda virino havas filinon, kiu estas ĝuste kio ŝi aspiras esti: la plej delikata ĉarmo, la plej poeziaj okuloj, la plej etera gracio. Tiuj du estajoj amas unu la alian, tra la etaj, doloraj, ĉiutagaj dramoj. Neniu malamas ilin, neniu intencas ilin ĉagreni. Kaj tamen ĉiutage, ili estas kruele vunditaj en sia amo kaj fiero. Ili rilatas nur kun abomenaj honestuloj, kiuj nevole krucumas ilin. La patrino oferas sin pro la feliĉo de la filino . . .

La tagon de la edziĝo, ŝi staros iom fore, sub la pluvo, kaj reiros radianta al la absurda vivo, kiun ŝi trudis al si por liberigi de si la filinon.

Jen tre simpla rakonto, el kiu King Vidor faris ĉefverkon, elminante por ni la poezion de la vulgareco. La miraklo de la filmo estas Barbara Stanwyck!

(V) FUNEBRA KERMESO. Mi kredas, ke neniu popolo rilatas al la morto tiel familiare kiel la meksikanoj. Oni nun montras filmon pri la ceremonioj, kiuj okazas la tagon de la Mortintoj en Meksiko. Tiun filmon oni eltiris el la fama TONDRO SUPER MEKSIKO, kiun Eisenstein realigis dum sia restado en Ameriko.

Temas pri funebra foiro, kie la katolikaj kutimoj miksiĝas kun la aztekaj ritoj; pri religia maskarado, kio oni ludas kun skeletoj. Tiun ĉi tagon oni ĉie vidas ostojn, skeletojn, kraniojn, kaj funebrajn maskojn. Eĉ la bonbonoj, kiujn oni donas al la infanoj, reprezentas kapojn de mortintoj.

Vespere ĉiu alivestas sin je skeleto, kaj ŝajnas, ke la popolo tion konsideras tre gaja spektaklo, ĉar ĝi ridas kaj dancas senbride ĝis la mateno. Kelkie troviĝas homoj, kiuj sincere funebras siajn mortintojn, sed la plimulto de la loĝantoj interrompas sian teruran feston nur por trinki la »pulque«, la nacian brandon.

Tiu strange kaj ĝoje funebra filmo, kiun oni rigardas ne sen kelka konsterniĝo, lasas tre specialan impreson en la animo.

## KARA SAMIDEANO!

La esperantistaj poetoj jam de longa tempo povas paroli nur sur la kolonoj de »Literatura Mondo«. La legantaro de la poemoj estas tiom malgranda, ke ekzemple el la originala libro de K. Kalocsay, sendube unu el niaj plej grandaj poetoj, ni povis vendi dum kvin jaroj ne pli ol 600 ekzemplerojn, kiu nombro ĉe la kutimaj prezoj apenaŭ sufiĉas por kovro de la preskostoj.

Tamen, ni opinias, ke doni eblecon al niaj poetoj paroli ankaŭ ekster la kolonoj de »Literatura Mondo«, estas nepra bezono de nia literaturo. Niaj poetoj ne ricevas monon por sia laboro. Kaj ili ne ricevas ankaŭ gloron por tio. Ĉu ni rajtas deziri, ke ili entuziasme donu siajn kapablojn al lingvo, en kiu iliaj verkoj ne povas aperi, eĉ kiam ili ne pretendas monon?! Ne, se ni deziras havi poezion, ni devas doni la eblecon de parolo al niaj poetoj. Pro tio ni decidis akcepti kaj eldoni poemvolumojn de tri novaj poetoj:

### *EMBA*

### *Nikolajs Kurzens*

### *A. Maura*

krome novan poemkolekton de

### *K. Kalocsay*

kaj fine malgrandan antologion el la poetoj: Saint Jules Zee, K. Falkonbriĝ, k. a.

La libroj estos unuformaj, kun bela dukolora preso, en formato de 11.5×15 cm., 64 paĝoj sur tre bona papero. La ordinara vendoprezo de la volumetoj estos broŝurita sv. fr. 1.30, bindita 2.—, plus 10% por sendokostoj. Ni tamen povas eldoni tiujn volumojn nur se vi kaj cento da aliaj samideanoj ofero por ili iom pli da mono kaj aĉetos el la volumoj *ekzemplerojn bibliofilajn.*

Ĉiun bibliofilan ekzempleron ni numerigos kaj presigos en ĝi la nomon de la helpanto, kiu ebligis la eldonon de tiuj volumetoj. La prezo de tia bibliofila eldono estos por unu volumeto

sv. fr. 2.50 broŝurita;
sv. fr. 3.50 en bela tolo bindita, orumita.
Plus 10% por sendkostoj.

La koloron de la bindo vi rajtas elekti.

Ĉiujn kvin volumetojn ni presos unu post la alia, tiel, ke ni komencos la presadon en marto kaj finos en aprilo. Ni do devos ricevi vian mendon kiel eble tre baldaŭ. Kompreneble, ni volonte ricevos ankaŭ la pagon samtempe, sed vi, kiel malnova kliento, ne devas tion nepre fari. Ni volonte liveros al vi la volumetojn post apero kaj se vi deziras, vi pagos ilin same post la apero.

Ni esperas, ke niaj poetoj trovos vian subtenon por la aperigo de ilia laboro. Se jes, tiam ni zorgos daŭrigi tiun laboron kaj ĉiujare eldoni serieton da tiaj poemvolumoj. Tio ebligos la daŭrigon de la evoluo de nia literatura lingvo, malkovron de novaj literaturaj talentoj, al vi agrablajn horojn kaj al Esperanto novajn venkojn.

Viaj

**Literatura Mondo**

Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos — Pestvidéki Nyomda Vácon — A nyomdáért Bénik Gyula felelős